# ESPERANTO

Internacia Revuo eldonata de Universala Esperanto-Asocio

Fondinto : H. HODLER. — Redaktoro : D-ro Edmond PRIVAT. — Direktoro de UEA : Hans JAKOB.

Adreso de la Redakcio kaj Administracio : 1, Rue de la Tour de l'Ile, Genève.


ENHAVO: Nova jaro, nova espero (1) — Universala Esperanto-Asocio. Raporto 1931 (2) — Oficiala Informilo, n-ro 14 (5) — Vintrokanto (5) — Kruco ĉe bordo: Vilović (6) — Vana neniajo: Lenau (8) — Ĉu signo de l' tempo? (8) — Lasta renkontiĝo: Ant. Jandik (9) — Hanaka sprito: Beneŝ (9) — Interpopola Helpo: D-ro Edm. Privat (10) — Notoj (11) — Tra la libraro (12) — Esenco kaj estonto de la Esperanto-Movado: G. S. W. Simon (15) — Per okuloj de infano: Ch. Baudouin (17) — Andreo Cseh en Ĝenevo: Cseh-kursoj (18-19) — Internacia Polica Ligo, oficiala informilo (19) — Morariu en Dresden (20) — Hejmo Esperantista en Aspremont (20) — Nova propaganda vojaĝo (20) — Esperanto en Egipto (20) — Liechtenstein: Novaj poŝtkartoj kun esp. teksto (21) — Metz: Ekspozicio (21) — Faka movado (22) — Trafiksignalado en Esperanto (22) — E kaj aktuaroj (22) — Oni dankas (22) — Bibliografia Servo de U E A (23) — La premioj de U E A 1932 (24) — Subtenantoj 1932, unua listo (25) — Kongresa Kalendaro 1932 (25) — Esperantista vivo (25) — Niaj mortintoj (25) — Reklamo (26) — Aldono: Tabelo de enhavo 1931 — Universala Kongreso de Esperanto, Paris: Varbilo kun aliĝilo — Bulteno de l'Internacia Labora Oficejo, n-ro 45.

## Nova jaro, nova espero

*Penu hom' kaj firm fidu !*

Madách : Tragedio de l'homo.

Marŝante dum ekskurso tra kampoj kaj altaĵoj, migranto ekhaltas de tempo al tempo por rigardi faritan kaj farotan vojon. Simile ĉe jarfino ni pense ekhaltas, memoras tiun aŭ alian fakton kaj faras bilancon pri ĉio. Pli longe okulo de migranto restas, admirante belan pejzaĝon trairitan. Simile ni, memorante pri agrablaĵo restas pli longe ĉe okazintaĵo de l'pasinta jaro. Tre certe la plimulto de l'homaro *ne* emas longe rerigardi, ĉar 1931 ne estas en bona memoro.

Sed ni rigardu antaŭen ! Meze de ĉiuj malhelpaĵoj, mizeroj kaj suferoj la homaro konservis unu rajton : *Esperi*. Jes ni rajtas esperi je pli bona tempo, ĉu por nia propra bonfarto, ĉu pri la afero, kara al ni. Sed tiu-ĉi espero baziĝu sur forto, povanta movigi ĉion. *La kredo*. Ni kredu je la bono, ekzistante malgraŭ la maljustaĵoj ĉirkaŭ ni. Ni kredu je la belo, malgraŭ la mizero kaj ĉagreno. Ni kredu je la vero, malgraŭ mensogoj, malveraĵoj kaj trompo.

Sed ni ne nutru nin per falsa opinio pri la sukceso. Ĝi ne venas senpene. Necesas penadi, en duobla senco : Morale kaj materie. Forigi la ideon, ke ĉio estas vana kaj labori laŭpove por la komuna idealo. Fakte la nuna situacio nur pravigas tion, kion ni esperantistoj jam de longa tempo spertis. Nur per komuna laboro, per reciproka helpado, per interkonsento foriĝas la baroj disigantaj la popolojn. Ni, anoj de l'ideo de intergenta konkordo havas gravan taskon. Malmultaj laŭ nombro ni tamen povas kunhelpi al la progreso de l'homaro. Kaj se la komunaj penadoj por forigi la malbonon ne tuj sukcesas, ni ne perdu fidon.

Dum 1932 decidiĝos multo. Verŝajne la fruktoj de l'grandaj penadoj kreskigi la fidon, certigi la pacon, malaltigi la senlaborecon, ne estos tuj videblaj. Tamen pri unu fakto ni rajtas kalkuli : La konscio ĉie enpenetriĝinta, ke per malnovaj rimedoj la malsano ne estas kuracebla.

Kunvenos en Ĝenevo spertularo por diskuti la plej urĝan problemon internacian: La redukton de l'armigo. Ni legos pri multaj detaloj de tiu-ĉi problemo, kiuj kvazaŭ sufokigas la celon mem. Feliĉe la publika opinio ke io *devas* ŝanĝi, preskaŭ entute harmonias kun tiu de l'decidantaj povoj.

Krom la kunveno pri senarmigo, daŭras aliaj interŝtataj penadoj por restarigi tutmondan fidon. Miraklojn ni ne atendu, sed el la fakto ke oni urĝigas kaj ne prokrastas denove, ni ĉerpu novan esperon. Al ĉiuj, kiuj sincere batalas por forigi tiun netolereblan staton, ni fidu kaj danku !

HANS JAKOB.

# Universala Esperanto-Asocio

## La stato de UEA - Financa raporto 1931 - La premioj

## Centra Oficejo - Jaro 1932

Kutime ni raportas pri la pasinta jaro en la Oficiala Dokumentaro, submetata al la Kongreso. Ekstraktoj aperas jam antaŭe en ESPERANTO. Tiun fojon ni ŝanĝas la kutimon kaj raportas jam nun, por doni ĝeneralan ideon pri UEA. Sekve la tuta raporto aperos en la revuo en tri aŭ kvar partoj : 1-e : Financoj, bilanco k.t.p. 2-e Membraro, Delegitoj, Servaro. 3-e : Jarlibro, Revuo. 4-e Diversaĵoj.

*Ni ĝojus ricevi multajn valorajn instigojn de vi, post lego de tiu-ĉi raporto.*

---

Kiam en jaro 1924 komenciĝis la provo krei unue ian « *modus vivendi* » inter la eksmilitintaj landoj, ĉiu sincera pacamiko spiris pli libere kaj espereme. De 1924 ĝis 1926 ni vidis ĉe la politika firmamento tiun arĝentan strion, anoncanta la venon de pli bona tempo, laŭ eldiro de fama ŝtatisto, jam ne plu vivanta. Locarno kaj Thoiry, la du lokoj kie esprimiĝis ne la deziroj de revuloj, sed la atendoj de l'tuta Eŭropo : Paco kaj fido. Kiel malproksime ŝajnas ĉio, dume nin disigas nur 6-7 jaroj. La altaj esperoj de l'pacsopiranta mondo estis kruele neniigitaj, dispolvigitaj. La politika venenigado sufokigis la « *belan sonĝon de l'homaro* » kaj je fino de l'jaro 1931 ni staras pli malproksime de l'tutmonda paco ol iam. Sed la aspekto de l'problemo konsiderinde ŝanĝiĝis : Malpli da politiko sed pli da ekonomio. La kaŭzoj de l'katastrofo 1931 kvankam parte devenantaj el politike ne kontentiga stato, estas amaso de ekonomiaj faktoroj pri kiuj la specialistoj de l'ekonomia scienco evoluas al ni la plej variajn teoriojn.

Jes ni troviĝas en plena ekonomia dissolviĝo, kaj daŭros jardekon ĝis ĉio enreliĝos. La socia strukturo de Eŭropo transformiĝas, ideoj tradicie garditaj kiel netuŝeblaj aksiomoj perdas sencon. Ni ŝajne revenas en mezepokon, kie vilaĝoj, urboj, landoj ĵaluze defendis rajtojn kaj privilegiojn, vidante nur sian propran intereson. Malgraŭ la mallongigo de distancoj, la rapidiranta tempo, la ŝtatoj sin ĉirkaŭigas per muroj de malpermesoj, limigoj kaj policaj ĉikanoj. La tempo de l'ekonomia libereco estas for, kaj tre rimarkinde malaperas kun ĝi, la kompreno pri la neforigeblaj homaj rajtoj. Pro tio la sukceso de movadoj fonditaj sur perforto, la prospero de diktatoraj ideoj.

Kial ni tion rakontas ? Nu jes, ĉar la prospero de nia movado estas esence ligata al trankvileco politika kaj ekonomia bonstato. Jam en antaŭaj raportoj ni atentigis pri diversaj fenomenoj influantaj nian agadon. Ni rimarku plie ke ankaŭ aliaj movadoj kun tutmonda agado sentas tion. Sed estas ankaŭ tute certe, ke el nuna senfundamenteco ekkreskos post ne longa tempo nova progreso de intergentaj penadoj. Kaj pro tiu ĉi socia fakto, ekkonebla el historio de l'homa aktiveco, ni esperantistoj klare konsciiĝu kaj koncentrigu klopodon nian je unu celo :

*La konservon de nia bela idealo !*

Kaj fine pri nia Asocio ! Ni plezure informas, ke ni povis bone sekvi la linion montritan en la agadplano de 1931. Por ne tedi vin pli longe, pacienca leganto, jen la financa rezultato kun apuda komparo de l'budĝeto 1931 :

I. ELSPEZOJ :
(en svisaj frankoj)

| Rubriko : | Ni budĝetis : | Ni elspezis : | Budĝeto 1932 |
|---|---|---|---|
| 1. Salajroj | 24.000.— | 22.495.— | 24.000.— |
| 2. Oficejo | 4.100.— | 3.925,40 | 4.000.— |
| 3. Revuo kun sendo | 15.000.— | 14.840,05 | 15.000.— |
| 4. Jarlibro | 10.000.— | 9.919,10 | 8.500.— |
| 5. Afranko : Oficejo | 3.500.— | 3.610,40 | 3.000.— |
| 5. Afranko : Teritor. | 3.300.— | 3.723,09 | 2.500.— |
| 7. Presaĵoj | 2.400.— | 2.485,10 | 2.000.— |
| 8. Materialo | 600.— | 1.011,75 | 1.000.— |
| 9. Premioj Subten. | 2.400.— | 3.057,95 | 2.000.— |
| 10. Premioj Frupago | 2.400.— | 3.251,15 | 2.000.— |
| 11. ICK. subteno | 2.500.— | 2.500.— | 2.500.— |
| 12. Telefono-telegr. | 300.— | 386,80 | 200.— |
| 13. Vojaĝelspezoj | 700.— | 962,95 | 1.000.— |
| 14. Imposto-asekuro | 400.— | 389,20 | 400.— |
| 15. Biblioteko | 400.— | 304,25 | 300.— |
| 16. Oficeja Ilaro | 400.— | 270,55 | 400.— |
| 17. Propagando | 1.000.— | 920,35 | 1.000.— |
| 18. Amortizo | 600.— | 300.— | 500.— |
| 19. Pagitaj interezoj | 1.400.— | 1.400.— | 1.200.— |
| 20. Komitata elekto | — | 507.— | — |
| 21. Maklero | — | 234,10 | — |
| 22. Divers. elspezoj | 600.— | 1.344,37 | 1.000.— |
| Sumoj | 76.000.— | 77.838,56 | 72.500.— |

(Por ŝpari lokon ni aldonis la budĝeton por la jaro 1932.)

Komparante la elspezojn kun la budĝetita sumo 1931 vi vidas ke ni elspezis 1.838,56 Frankojn pli multe ol ni antaŭvidis. Tio formas 2,5 % de la budĝeto kaj dividiĝas jene :

| | | |
|---|---|---|
| Ni elspezis pli multe en dek rubrikoj (kun kostoj de l'elekto) de l'komitato | | 4.374,66 |
| Ni elspezis malpli multe en 9 rubrikoj | | 2.536,10 |
| kio rezultigas netan pli-elspezon de | Frk. | 1.838,56 |

La pli-elspezoj rilatas do al dek rubrikoj. Plej grava estas la premioj kun 1.509,10 Frankoj, la diversaj elspezoj kun 744,37 kaj la kostoj de la elekto de l'komitato. Por la premioj ni debetigis iom pli multe, por ke nia provizo estu malpli alte valorigata en la inventario. La diversaj elspezoj enhavas aron da donacoj al Delegitoj, sub formo de libroj, makleroj, honorelspezoj por kunlaborantoj de la revuo k.a.

Kreskis ankaŭ iom la afranko, afero tre komprenebla kiam oni scias, ke por repagigi kotizon, necesas ĉe kelkcentoj da membroj, tri aŭ kvarfoja admonado perpoŝta.

## II. ENSPEZOJ:
(En svisaj Frankoj)

| | | | Sumo : | Ni budĝetis: | Budĝeto 1932 : | |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 1. | 113 | Helpmembroj | 155,05 | 300.— | 100.— | 100.— |
| 2. | 2.789 | Membroj | 10.149,12 | 9.800.— | 2.600.— | 9.100.— |
| 3. | 5.229 | M-Abon. | 44.069,59 | 49.880.— | 5.300.— | 42.000.— |
| 4. | 489 | Subten. | 10.570,96 | 8.400.— | 500.— | [1] 9.800.— |
| | 8.620 | | 64.944,72 | 68.380.— | 8.500.— | 61.000.— |
| | 195 | Dumvivaj | — | | | |
| | 20 | Honoraj | — | | | |
| | 8.835 | Anoj | 64.944,72 | | | |
| 5. | | Entreprenoj | 894,22 | 700.— | | 500.— |
| 6. | | Abonoj (60) | 483,80 | 600.— | | 500.— |
| 7. | | Vend. N-roj | 190,65 | 120.— | | 100.— |
| 8. | | Anoncoj : Revuo | 756,82 | 1.200.— | | 1.200.— |
| 9. | | Anoncoj : Jarlibro | 1.213,25 | 1.000.— | | 700.— |
| 10. | | Egaligo-Maklero | 234,10 | | | |
| | | Jara perdo | 9.121.— | | | |
| 11. | | Subteno de l'Asocia Kapitalo | | 4.000.— | | 4.000.— |
| 12. | | Gajno el Servoj | | | | 2.000.— |
| | | | | | Perdo : | 2.500.— |
| | | | 77.838,56 | 76.000.— | | 72.500.— |
| | | Pli-elspezo 1931 | | 1.838,56 | | |
| | | Sumoj : | 77.838,56 | 77.838,56 | | |

Ekzamenante la kotizojn ni konstatas, ke iom malkreskis la nombro. Ni antaŭvidis 9.000 pagontojn kun fina sumo de 68.380.— Frk. kaj sekve meza kotizo de Frk. 7,60, dume la efektiva enspezo estis 64.944,72 kun 8.620 pagintaj anoj. Tio estas meza kotizo pagita : Frk. 7,53. Kompare kun 1930, la nombro de pagintaj anoj malkreskis de 225 (1930 : 8.845 ; 1931 : 8.620). La malkresko de l'enspezoj devenas el falo de monkurzoj en diversaj landoj, tendenco montriĝinta jam en komenco de l'administra jaro.

Komparo de l'elspezoj kaj enspezoj kontraŭ la jaro 1930 donas jenan bildon :

| Kategorio | Nombro 1930 | Nombro 1931 | Sumoj 1930 | Sumoj 1931 | Ni enspezis Plimulte | Malpli |
|---|---|---|---|---|---|---|
| Helpmembroj | 36 | 113 | 42,55 | 155,05 | 112,50 | — |
| Membroj | 2.675 | 2.789 | 9.797,96 | 10.149,12 | 351,16 | — |
| M. Abonantoj | 5.749 | 5.229 | 49.349.— | 44.069,59 | — | 5.279,41 |
| Subtenantoj | 385 | 489 | 8.385,19 | 10.570,96 | 2.185,77 | — |
| Sumoj | 8.845 | 8.620 | 67.574,70 | 64.944,72 | 2.649,43 | 5.279,41 |
| Saldoj (Malkresko) | — | 225 | — | 2.629,98 | 2.629,98 | — |
| Komparitaj sumoj | 8.845 | 8.845 | 67.574,70 | 67.574,70 | 5.279,41 | 5.279,41 |

Tre atentindaj estas la ciferoj en la lasta rubriko. Perdo de preskaŭ 5.300 Frk. ĉe unu kategorio kaj kresko de 2.650 ĉe la tri aliaj. Vidiĝas el tio, ke aro da abonantoj malabonas povantaj legi la revuon ĉe amiko. Ĝojiga estas la kresko de l'Subtenantoj dankata al la premioj kaj samideana oferemo.

La evoluon de la kotizoj montras la jena ciferaro :

| Jaro | Nombroj de pagintaj anoj | Nombroj de la pagintoj laŭ kategorioj HM | M | MA | MS | Sumoj Enspezitaj el tiuj kotizoj |
|---|---|---|---|---|---|---|
| 1926 | 8.500 | 193 | 2.179 | 5.722 | 406 | 67.695,03 |
| 1927 | 8.913 | 127 | 2.361 | 5.985 | 440 | 72.653,24 |
| 1928 | 8.887 | 77 | 2.400 | 5.966 | 444 | 71.238,40 |
| 1929 | 8.899 | 43 | 2.519 | 5.963 | 374 | 71.261,55 |
| 1930 | 8.845 | 36 | 2.675 | 5.749 | 385 | 67.574,70 |
| 1931 | 8.620 | 113 | 2.789 | 5.229 | 489 | 64.944,72 |

## BILANCO:

La bilanco « Perdo-Gajno » prezentiĝas jene :

| | Perdo : | Gajno : |
|---|---|---|
| Perdo en Admin. Konto .......... | 9.121.— | |
| Perdo : Donaco de kotizoj al 186 senlaboruloj .................. | 962.— | |
| Gajno : Servoj kaj donacoj ....... | | 3.616,35 |
| Alpago de l'Asocia Kapitalo ...... | | 4.000.— |
| | 10.083.— | 7.616,35 |
| Bilanca perdo de l'jaro 1931 ...... | | 2.466,65 |
| | 10.083.— | 10.083.— |

(Bilanca perdo 1929 : 5.787 59 ; 1930 : 3.273, 63 Frk.)

## FERMA BILANCO 1931.

(23-a Administra jaro de UEA : 1. Nov.1930 ĝis 31. X. 31.

| | Aktivoj : | Pasivoj : |
|---|---|---|
| En kaso ......................... | 287,30 | |
| En svisa poŝtĉeko................ | 782,35 | |
| En bankoj ....................... | 4.327,65 | |
| En eksterlandaj poŝtĉekoj ........ | 1.591,43 | |
| En fremdaj monoj ................ | 418,25 | |
| Mono disponebla ................ | 7.406,98 | |
| Provizoj : Materialo, prespapero, libroj, maŝinoj, mebloj.......... | 34.440,67 | |
| Kreditoroj ...................... | | 40.923,55 |
| Konthavantoj..................... | 5.593,69 | 16.667,27 |
| Div. Kred. Deb. .................. | 2.095,58 | 2.407,97 |
| Fremdaj kontoj ................. | | 1.066.— |
| | 49.536,92 | 61.064,79 |
| Ŝuldo 1929-1930 ................ | 9.061,22 | |
| Jara perdo 1931.................. | 2.466,65 | |
| Sumoj : Frk· svis. | 61.064,79 | 61.064,79 |

(Jara spezado de l'Centra Kaso)
1931 : 476.799,25 ; 1930 : 498.458,99.

## KION LIVERIS UEA
## AL SIA MEMBRARO DUM 1931 ?

Krom la membrokarto, UEA-ano rajtas ricevi laŭstatute la jarlibron kaj la gazeton, laŭ la kategorio de l'membreco. En 1924 ni enkondukis la servon de premioj, komence tian por Subtenantoj, poste por frupago, fine ankaŭ por varbado de novaj anoj. Tiu ĉi servo grandiĝis de jaro al jaro, tiel ke ni nur malvolonte forlasus ĝin. Valoras ke ni tie-ĉi konigu la kaŭzojn el kiu naskiĝis tiu-ĉi servo :

*Unue:* Doni ion tuj post ricevo de l'kotizo al la varbita nova ano aŭ paginto de la kotizo por la Nova jaro.

*Due:* Rapidigi la pagon de la kotizo, tiel ke la Centra Oficejo povu formi al si proksimuman supervidon pri la ŝancoj de la nova jaro.

*Trie:* Disflugigi grandkvante literaturon kaj per tio helpi al la esp. eldonistoj.

---

Dum 1931 ni disdonis premiojn : (Rondcifere)
5.600 por frua pago de l'kotizo
1.400 por varbado
500 subtenantaj kaj aliaj

7.500 premioj, formantaj iom pli ol 8.300 librojn. La sumo de l'premioj kiujn ni dissendis depost 1924 atingas en 1931 (31 Oktobro) 53.300 *librojn* kun rondcifera valoro de 40.000 Frankoj (Budĝeta valoro).

Por 1931 la listo indikis 12 titolojn de libroj por premio de frupago, 12 por subtenantoj. La frupagintoj elektis : (Rondcifere)

| | |
|---|---|
| 1. Esprimo de Sentoj | 1.400 |
| 2. Estonta Eduko | 200 |
| 3. Ŝolandro | 200 |
| 4. Pilgrimo | 700 |
| 5. Dancu, Marionetoj | 700 |
| 6. Gajaj Horoj | 300 |
| 7. Verdkata Testamento | 1.000 |
| 8. Edzino de l'falinto | 250 |
| 9. Ok Noveloj | 200 |
| 10. Alegorioj de l'Naturo | 150 |
| 11. Fundamento de Esperanto | 300 |
| 12. Lingvaj Respondoj | 250 |
| Sumo de l'premioj de frupago : | 5.350 |
| Hector Hodler Biografio | 250 |
| | 5.600 |

Parolante pri la liverado de libroj al niaj anoj, ni ekzamenu kion ni fakte dissendis laŭ la pagita afranko dum 1931.

| Forsendanto : | Leteroj | Poŝtkartoj | Presajoj | Sumo : |
|---|---|---|---|---|
| 1. Centra Oficejo | 2.015 | 1.345 | 20.501 | 23.861 |
| 2. Ter. Oficejoj | 6.489 | — | 25.748 | 32.237 |
| 3. Jarlibro 1931 | — | — | — | 7.200 |
| 4. Revuo 1931 | — | — | — | 57.848 |
| Sumoj : | 8.504 | 1.345 | 46.249 | 121.146 |

Ĉi-tiuj ciferoj entenas do ĉion kion ni sendis al la membraro. Dividante 121.146 per rondcifere 9.000, la nombro de l'anaro, oni atingas rezulton de 13-14 sendaĵoj po membro.

## CENTRA OFICEJO.

Plenumi maksimumon kun minimumo de personoj kaj de rimedoj, tio estis la sorto de l'C.O. de ĝia komenco. Efektive ekzistas aro da laboroj en Asocio idealisma kiuj tutsimple ne povas esti pagataj, ĉar neniel la komerca efiko respondas al la farita klopodo. Pro tio necesas, ke la personaro larĝe komprenu sian devon. Ke tio okazas, montras la fakto ke malgraŭ grandiĝanta tasko ; Librotenado, Administrado, Ekspedo, Korespondado, Redaktado, Delegita Kontrolo, Biblioteko, Servoj, la nombro de l'oficantoj personoj restis la sama depost 1929 kaj malgraŭ urĝa bezono de kompetenta sekretario, la Asocio ne povas riski tiun plian elspezon. Laboras konstante ĉe la Centra Oficejo :

Oficejestro : Hans Jakob, Direktoro,
Kasistino : F-ino Jos. Damon-Pichat,
Administrado : F-ino Mary Kapfer,
Ekspedo-helplaboroj : F-ino Renée Rivollet.

Dum vintro kiam alflugas la aliĝoj kaj amasiĝas certaj laboroj, ni kutime dungas provizoran helpon.

Por 1932 ni antaŭvidis dungon de oficisto, ĉar la pliampleksigo de klopodoj tion urĝe necesigas.

La revuon *Esperanto* redaktas D-ro Edmond Privat ; la teknikan laboron prizorgas la C.O.

## LA JARO 1932.

Ĉu ni altigu la pesimismon nun regantan ? Ĉu ni pentru rozkolore la situacion, mildigante per konsolaj vortoj la efikon ? Verdire la nuna krizo tiom ĝenerala, portas en si mem la ĝermon de l'saniĝo. Malgraŭ la senkonsileco de l'regantaj povoj, la fonto de l'ekonomia forto restas : La laboranta popolo. La homaro jam travivis tiom da krizoj, ke ankaŭ ĉi tiun ĝi venkos. Post 20 jaroj ni kun miro konstatos, ke ni ĉeestis naskiĝon de nova socia ordo. Nedubeble la nuna stato nur estas ŝanĝebla per la kolektivo. Jam la registaroj intervenas en tiom da okazoj por savi el ban-




1931 : La premioj disdonitaj de UEA

kroto entreprenojn kaj industriojn de nacia graveco. Tio estas tre grava breĉo en la fortikaĵo de l'libera ekonomio.

Sed unu grava fakto restas : La neceso agi en konkordo kun ĉiuj aliaj. La faro de l'nunaj estroj ja celas la malon. Ĉiuj pensas kaj klopodas en direkto de absoluta sendependeco, la fama « Aŭtarkio » aŭ en pli komprenebla lingvo : Memsufiĉeco. Kaj tio en momento kiam distancoj malgrandiĝas pli kaj pli. Ĉiuj nur volas vendi sed ne aĉeti, ne pensante je la bela vero :

Kiu fermajn poŝojn havas
Tiun oni ne subtenas.
Mano nur per man' sin lavas,
Ankaŭ donu, se vi prenas.

Karaj legantoj : Ĉu vi apartenas al tiuj, kiuj opinias, ke oni evitu doni, sed oni klopodu preni kiom eble plej multe ? Ni estas certaj ke ne ! Kiel anoj de Universala movado ,vi estante kaj restante bonaj filoj de via patrolando malfermis al vi la pordon al ĉiuj landoj. Vi ne estas kapturnigeblaj per la frazoj de nunaj profetoj, kiuj preferus reveni en mezepokon, kiam inter vilaĝo al vilaĝo inter urbo al urbo regis malamikeco, kiam ano de alia regiono estis preskaŭ senrajta eĉ en sia propra lando. Vi ne estas anoj, de « klano », indiferente rigardante aliajn ne samspecajn ol vi. Vi estas veraj « civitanoj de l'mondo » dank'al via scio de l'internacia lingvo kaj via partopreno en la Esperanto-Movado.

Sed via aparteno al tiu ĉi movado trudas al vi devojn. Morala kaj materiala. La morala devo konsistas en tio, ke vi ne forlasu la idealon de l'interhoma frateco, kies esencon ja faciligis al vi la lingvo Esperanto. La materiala devo estas jam pli konkreta. Ne forlasu UEA en tempo plej danĝera. Kontraŭe : Estu fidela kaj varbu por ĝi :

Vi vidis la budĝeton por 1932. Starigita dum Oktobro 1931 ĝi certe vidas ankoraŭ ŝanĝojn. La okazantaĵoj ja tiom rapide sinsekvas, ke morgaŭ jam ni staras antaŭ novaj faktoj. El la ciferoj vi konstatas, ke ni antaŭvidas kurzfalon. El la kvardek landoj kiun montras la tabelo de l'kotizoj nur *kvar* landoj pagas laŭ oficiala tarifo kaj ĉiuj aliaj pagas malpli. Ekzemple :

La oficiala kotizo de Membro-Abonanto estas Frk. sv. 12.50. Tiun sumon pagas nur 4 landoj kun suma nombro de 1.800 MA. Tridekses landoj pagas inter 6,25 ĝis 10 Frk. svis. kun suma nombro de 3.600 MA.

Pasinta jaro la proporcio estis kontraŭa. Alia ekzemplo : En 1930 la meza kotizo por Membro-Abonanto estis Frk. 8.58 ; en 1931 : Frk. 8,42. Por 1932 ni devas antaŭvidi Frk. 7.50. Tio nin aŭtomate kondukas al la nivelo de l'antaŭmilita epoko. El ĉio vi komprenas nian klopodadon interesigi vin por la aliĝo kiel Subtenanto.

Ni konscias, ke ni ne povas dekreti tion, kion ni deziras. Ni turnas nin al vi ĉiuj kun insista peto

*Varbu por UEA*

Ni ne devas nun atendi miraklon. La venko de malfacilaĵoj ne dependas de sorĉista parolo sed de fido kaj laboro. Ni havu tiun fidon kaj ni laboru !

Hans Jakob,
*Direktoro de UEA.*

# Universala Esperanto-Asocio

**Centra Oficejo : 1, Tour de l'Ile, Genève, Svislando**

## Oficiala Informilo

**Administra jaro 1932 N-ro 14 Januaro 1932**

*Elekto de l'komitato.* — Ni korektas eraron de ciferoj en la rezultato de l'voĉdono 1931 : Devas esti :

Voĉrajtigitoj 2.454 kun 2.715 voĉdoniloj.
Respondis 1.261 voĉrajtigitoj kun 1.365 voĉdoniloj.
En la 1365 voĉdoniloj 93 estas senvaloraj.
Neta sumo de valorantaj voĉdoniloj : 1.272.

Devas partopreni pli ol la duono de voĉrajtigitoj do 1.228. Minuma cifero por akcepto : Duono kaj unu de 1.272 sekve : 637. — Ĉiuj aliaj ciferoj restas samaj.

*Decidoj de l'komitato.* — La Komitato de UEA decidis :

1) Kompletigi konforme al Art. 31, la liberan lokon en la Komitato, pro morto de D-ro Edm. Sós, elektante kiel komitatanon.

S-ron Hofrat D-ro Wollmann, Wien, Ŝtata ekzamen-komisario por Esperanto.

2) La komitato elektis :
S-ron Ed. Stettler, kiel Prezidanton de UEA.
S-ron Joh. Karsch, Dresden, kiel Vicprez. de UEA.

kaj decidis :

ke la Komisiono de UEA konsistu el : S-roj Stettler, Karsch, Blaise, Rockmann, Hromada, D-ro Poncet.

3) La komitato elektis :

S-ron Hans Jakob, Direktoron de UEA.
D-ron Edmond Privat, Redaktoron de « *Esperanto* ».

*Nederlanda Teritorio.* — Per letero 14-XII-31 la Prezidanto de UEA aprobis la elekton de S-ro Jakob Telling en Rotterdam kiel ĈD de UEA kaj S-ron B. Boon kiel anstataŭanton. Administras la teritorion la ĉefdelegito. La ofic-tempo valoras por tri jaroj · De Nov. 1931 ĝis Oktobro 1934.

*Garantia Kapitalo.* — Akiris ateston al la Garantia Kapitalo kaj per tio ĉi la Dumvivan Membrecon al UEA :

*Atesto : Dua Serio :*

| | | |
|---|---|---|
| Antaŭa sumo ........................ | Frk. Svis. | 12.600.— |
| D-ro Fréd. Spindler, Volmunster, Francujo | Frk. Svis. | 300.— |
| | Frk. Svis. | 12.900.— |

Ni memorigas, ke atesto al la Garantia Kapitalo de UEA kostas 300 Frankojn svisajn. Oni povas pagi en tri partoj, dum daŭro de tri jaroj. La atesto de la G.K. de UEA rajtigas je dumviva membreco al la Asocio, dumviva abono al *Esperanto* kaj rajtigas ricevi ĉiujn dokumentojn fiksitajn laŭ la statuto aŭ laŭ decido de la Komitato.

*Dankesprimo.* — Ni esprimas tie-ĉi nian koran dankon al S-ro Hipolito Piatti, D en Milano, demetinta la oficon kiun li okupis de 1922 serveme kaj fidele. La C.O. havis ofte okazon peti servojn de S-ro Piatti kaj dankeme memoros lian sindonon kaj fervoron.

*Jarlibro* 1932. — Pro redaktado de l'nova jarlibro, laboro postulanta 240 horojn la korespondado dum monatoj Januaro kaj Februaro prokrastiĝos. Bonvolu paciencigi, ni petas.
Genève, Decembro 1931.

## Vintrokanto

(laŭ germana infankanteto)

*UEA*
*nun estas vintro ja.*
*Post somer' aŭtuno pasis,*
*neĝvetero ĝin forĉasis.*
*UEA*
*malvarmo pikas tra.*

*EAU*
*1932.*
*Vintre dormas ĉiu planto,*
*tamen floras Esperanto*
*EAU*
*senhalte ĉiam plu.*

*AUE*
*Ni lernu nun ĉe Ĉe.*
*Laŭte sonu nia krio:*
*Vivu UEAsocio !*
*AUE*
*Kotizu tre tre tre !*

*UEA*
*La, de la, al la, la.*
*Servu vin en ĉiuj kazoj*
*nur per kazkorektaj frazoj !*
*UEA*
*Ĉiun kvaronjaron ja !*

F. Kraus.

# Literaturo

## Kruco ĉe bordo

De Gjuro Vilović

Sur blanka, serpentuma vojo aperis Ĉuko. Maljuna, kaduka kaj ĝiba hundo, kun diverskolora lano, kun pendantaj oreloj kaj parte forperdita vosto. Ĝi portis dormemajn, sangajn okulojn, ĝi portis ilin simple, kvazaŭ ne ili kondukus ĝin.

La hundo aperis sur la blanka vojo, vagkuris tra kelkaj vojkurboj kaj haltis sur la disvojiĝo. Melodio de sonoriloj el la sonorilejo vivigis en la paska mateno ĉirkaŭ Ĉuko la vilaĝon, levis, serenigis kaj inspiris ĝin. Sub la melodio kantis blankaj tegolaj tegmentoj, blankaj branĉoj de disfloriĝintaj migdalujoj kaj la blanka vojo, enfluanta en la malproksimon. Ĝojkantis la tuta deklivo de l' nuda monteto ĝis la bordoj kun molaj pinoj, olivujoj kaj mirtoj. Ĉio kunkantis en la melodio de l' paska mateno, interne, intense, senvoĉe. La vilaĝo ennaĝis en la printempon, anoncitan de la sonorilara melodio kaj akceptatan de la festotago kun floroj sur la deklivo.

Ĉuko enŝovis la okulojn en printempon de l' vilaĝo kaj tiam — kvazaŭ vekiĝinte — palpebrumis laŭ ĉiuj ventoj, laŭ ĉiuj vojoj. Ĝi sin sentis iel strange kaj neordinare. Hodiaŭ ĝi eĉ ne unu solan vokon aŭdis: *Ĉuko venas... Jen Ĉuko, batu...* Post ĝi eĉ ne unu ŝtono falis. Entute ĝi vidis hodiaŭ nek ŝtonon, nek vilaĝan bubon.

Tre ekmiris Ĉuko sur la disvojiĝo. — *Kia ŝanĝo okazis ja en la disĵetita vilaĝo sur la deklivo? Eble oni estas malsata? Ĉiuj malsanaj?* — Ĉuko sin movis kaj ekkuris tra la blanka, serpentuma vojo al unua najbaraĵo. — *Verŝajne oni manĝas?*

Iel agrable estis ĉe l' koro. Ĉuko jam vidis, kiel infanoj manĝas en korto. Al iu el ili falis for peceto de pano, al iu forglitis iom da viando kaj malpuriĝis sur la korta tero.

Lacajn, sangajn kaj dormemajn okulojn de la hundo surverŝis lumo. Ili apenaŭ nun malfermiĝis kaj ekgvidis la hundon for de l' vojo per paŝvojeto ĝis la najbaraĵo. Ĉuko rapidis kiel ĉiam. Ĝi ja ĉiam kuras. Kure pasis Ĉuko la vojon, kure ĝi aperis en iu korto, rondiris ĝin serĉante, kie manĝis infanoj. En kuro ĝi kaptas perditaĵon, en kuro ĝi formanĝas prenitaĵon... En kuro ĝi malaperis por esti post momento denove videbla en rapideco sur vojkurbo, kiel senzorge ĝi tiras sian parte forperditan voston. Ĉiutage Ĉuko trakuras la vilaĝon, ĉie ĝi estas videbla kaj ĉie ĝi tuj malaperas. Kvazaŭ iu maltrankvila, petola turnovento. Al ĉio ĝi proksimiĝas, ĉion tuŝas, ĉion vivigas kaj ĉiam rapidas for. Oni scias nek momenton, nek tempon, kiam Ĉuko venos. Kaj ĝi venas ofte. En kuro kaptas, en kuro forportas. Neniu estas mastro de Ĉuko. Sur tiu ĉi deklivo neniu ĝin amas; ankaŭ ĝi neniun. Ĝi ne kutimas svingi per la vosto, antaŭ neniu ĝi mallevas la rigardon.

Ĉuko atendas nur iun perditan pecon kaj forĵetitan oston. Ankaŭ tre multe da ŝtonoj, kiujn sur ĝin ĵetas la vilaĝaj infanoj... *Jen, Ĉuko, batu... Batu ĝin, batu...* De la tuta vilaĝa interparolado ĝi konas sole tiujn du frazojn.

Ĉuko alkuris antaŭ la unuan korton kaj okulkure enrigardis internen: en la korto manĝis aro da infanoj. En iliaj manoj blanka pano kaj multkoloraj ovoj. — *Jen Ĉuko, batu...* ekkriis la infanoj kaj jam saltis. *Batu, batu...* ekkriis ankaŭ la gepatroj kaj eĉ kunhelpis al la infanoj. Ĉirkaŭ Ĉuko ŝutiĝis amaso da ŝtonoj: ĉirkaŭ ĝi, antaŭ ĝin, sur ĝin...

Hodiaŭ batis Ĉukon ankaŭ la pli aĝaj. Senokupaj ili volis sin amuzi — *Batu ĝin, batu... Ha, la kapo trafita, la kapo...* Hodiaŭ batis Ĉukon ĉiuj, sed tamen oni ne batmortigis ĝin. Ĉukon savis forkuro kaj galopo.

Denove ĝi haltis sur la blanka, serpentuma vojo. Pripensadis Ĉuko: *kio ja okazis hodiaŭ en la vilaĝo, ke min batas ankaŭ la pli aĝaj?* Ĝi ne povis elpensi, kio hodiaŭ okazis en la vilaĝo, sed ĝi spertis, ke tie estas iu neordinara tago. Ĉiuj estas pli bele vestitaj, ĉiuj manĝas pli multe kaj pli malrapide ol en aliaj tagoj. Hodiaŭ ankaŭ persekutas ĝin eĉ la pli aĝaj.

El kamentuboj, super la tegolaj tegmentoj eliradis ĉie blueta fumo kaj vapore naĝis en altecojn. Odoro de tiel densaj abioj plenigis la tutan spacon, plena de ĝi estis ankaŭ la vojo ĉirkaŭ Ĉuko. — *Tie okazis verŝajne io granda, ĝojiga, sendube !*

La vilaĝo ripozas, malviglas kaj manĝas.

Ankaŭ Ĉuko volus manĝi, ĝi ja neniam satmanĝis. Se oni almenaŭ forirus el la kortoj! — *Kio ja estas hodiaŭ, ke oni neniam foriras? Ĝuste hodiaŭ kiam estas tiom da manĝaĵoj en la kortoj. La pli aĝaj for de la vinberejoj, la malgrandaj for de la lernejo ?! Verŝajne estas ia granda ĝojo!*

Malhela, malglata, ŝirita kaj hirta hundo ekkuris. — *Kien do, mi ?*

Ĉuko ĉiam serĉas: kien iri, sed malofte bone trafas. — *Ĉu sin turni malsupren laŭ la deklivo al la maro?* Tie estas fiŝkaptistoj. Tie estas la homoj, pri kiuj diras la vilaĝo, ke ilin forlogis la maro kaj oni ne zorgas pri ilin same kiel ankaŭ ne pri la hundo kun parte forperdita vosto. Oni diras, ke ili estas nenionfaristoj, malsatuloj. La vilaĝo priridas ilian malsaton. Kelkfoje iu, estante sata eksentas, kiom feliĉa li estas, ke li ne vivas inter ili. La fiŝkaptistoj ne venas en la vilaĝon. Sed, se ili venus, la vilaĝo traktus ilin tiel, kiel ĝi traktas Ĉukon, la kadukan hundaĉon.

La fiŝkaptistoj vivas tie malsupre, sur la bordo. Tie estas la maljuna Matko, kiu eterne fiŝĉasas per hoko kaj ĉiam donas al Ĉuko superrestintajn fiŝojn. Tie estas la junaj Garain kaj Djin, neniam irantaj for de l' bordo. Ili lasas por Ĉuko fiŝostojn kaj kelkiun fiŝkapeton. Krom ili estas ankaŭ Andraŝ, barkumanta sub velo, nur kiam lin favoras la ventoj. Se la ventoj estas maltaŭgaj, li sidas ĉe la barknazo kaj ondluliĝas. Tiu Andraŝ lasas foje-foje por Ĉuko eĉ viandon.

— *Ĉuko kie vi estas, ĝuste vin mi atendis. Jen prenu... Ho, kiom malpura vi estas, Ĉuko! Venu, por ke mi vin banu. Nur pulojn multdonacis al vi la vilaĝo. Tuj en la maron por forlavi de vi la vilaĝon! En la maron!... Tiel parolas al Ĉuko tiuj, kiuj ne amas la vilaĝon. Ili satigas Ĉukon, elbanas kaj permesas al ĝi sidi en mezo de ilia grupo.*

En momento, kiam Ĉuko estis sinturnonta laŭ la deklivo al la maro, atingis ĝian hundan nazegon odoro de kuirita ŝinko. Tiel forta kaj intensa odoro, ke pro streĉiĝo de ĉiuj glandoj kaj ganglioj Ĉuko ekĝemis, kvazaŭ atakite de stertoro. El la okuloj laŭ la vila vizaĝo forruliĝis du grandegaj larmoj. Tiu ĉi odoro rompis ĝian sinturnon, ondan movon kaj haltigis Ĉukon por denove ĝin movi kaj turni laŭ la odoro de la kuirita ŝinko.

Ĉuko jam troviĝis antaŭ la korto kaj povis, ankoraŭ nerimarkita, kviete rigardi tra la ĉirkaŭbaro: sur benko sterniĝis mastro, apud li sterniĝis benketo kaj sur ĝi grandega plado kun ŝinko en glaciiĝinta graso. — *Ĉu ĉio superrestis al li? Ĉu eĉ tuŝi tion ĉi li ne povas?*

La mastro kontente etendiĝadis sur la benko, rigardis rekte al la suno kaj estis tiom feliĉa, ke li ne povis longe rigardi eĉ al la ĉielo mem. Per la mano li glatpalpis la pintiĝintan ventron.

milde ĝin karesis, kvazaŭ mute interparolante kun ĝi. Malantaŭ la domo infanoj disrompadis la ovojn kaj malpacis.

Ĉuko atendis. Ĝi supozis, ke la mastro endormiĝos. Ne estas ja maloftaĵo, ke satmanĝinta mastro endormiĝas... Baldaŭ ĉio signis, ke la mastro endormiĝis. La fingroj, ludintaj super la stomako malvigliĝis, ili kuŝis tiel trankvile kaj malvive kiel ankaŭ la mastro sur la benko. Ambaŭ rigidaj, ambaŭ feliĉaj, ambaŭ mutaj.

Kuraĝe saltis Ĉuko en la korton. — *He, batu, jen Ĉuko...* baraktetis la mastro kaj kriis. Je lia voko algalopis la infanoj el post la domo. *Ĉuko, Batu ĝin, batu...* La infanoj ĵetcelis. Pluvo da ŝtonoj disŝutiĝis ĉirkaŭ la kaduka hundaĉo.

— *Pli bone celu, Elio, en ĝian kapon...* kriegis la mastro kaj forte premis al si la pladon kun ŝinko kaj glaciiĝinta graso.

— *Joĉjo, fileto, en la kapon, en la frunton aŭ okulon. Celu en la okulon, ĉirkaŭ la okulo...*

Kvazaŭ senanime kuris Ĉuko tra la ĉirkaŭbarita korto, ŝanĝante ĉiumomente la direkton por eviti ŝtonojn. — *Jam ĉesu ! Ankaŭ por ĝi estas la Pasko !* Voĉdonis iu modeste kaj timeme. Tio nur plidensigis ĵetpafadon. — *Ĉu Pasko por hundaĉo ? Ĝi estas ja festo nur por ni, por la homoj, kiuj laboras... En la okulon, celu en la okulon* !

Falas ŝtonetoj kaj pezŝtonoj. Iu jam trafis Ĉukon, sed ĝi ankoraŭ kuras. — *Brave, brave Paŭlĉjo, bone vi trafis! El vi certe fariĝos bravulo. Vi ja havas manon kaj okulon, estu por la feliĉo...* Entuziasmiĝas la mastro alpremante pli kaj pli la pladon, kvazaŭ iu volus ĝin forrabi.

Ĉuko jam eksvenis. Ŝtonoj malhelpas la rigardon kaj movon... En malespero ĝi streĉis la tutan forton kaj sin ĵetis trans la baron. Sur la deklivo ĝi sin trovis kaj tuj ekgalopis al la vojo.

— *Ĉu forkuris? Kie ĝi estas?* Demandis la mastro. Apenaŭ nun li demetis la pladon apud sin sur la benkon. — *Ĝi estis Ĉuko. Nenies ĝi estas. Vagas tra la vilaĝo kaj neniu scias, kie ĝi noktumas...* klarigas la infanoj al la mastro. — *Kanajlo! Ĉi pensas, ke oni povas vivi sen mastro, sen hejmo, sen laboro. Se Ĉuko utilus al iu, almenaŭ ostojn li donadus al ĝi.*

Kaj Ĉuko rapidis laŭ paŝvojeto ĝis la ĉefvojo. Atinginte, ĝi kuregis laŭ la vojo, ne haltante ĉe vojkurbo, nek ĉe la disvojiĝo. Jam lacega kaj malsata estis Ĉuko. Ĝi serĉis malplenan korton, sed ĝis nun trovis neniun. Ĉie dormetis vilaĝaj mastroj, infanoj kunfrapadis ovojn, virinoj grasaj kaj briletantaj stimulis la virojn kaj la infanoj: *Manĝu estas nur unu Pasko en la jaro.*

Neniu vidis kiel varma kaj brila estas hodiaŭ la suno, kiel la sonoriloj kantigis printempon kaj vilaĝon. Neniu rimarkis, kiel hodiaŭ eĉ la maro estas pli vasta, pli grandioza. Nek florojn oni rimarkis sur branĉetoj, nek oni aŭdis tiom da erotikaj simfonioj de l' kantobirdoj.

Super la deklivo kaj maro eknestis printempo. Ĝi muĝis, bruis kaj tremetis en volupta konvulsio. Ĉio estis plenplena de florfaruno. Skuetiĝis, konvulsiis kaj gravediĝis sennombraj florpistiloj. Flora farunaĵo flugpendis, plenigis aeron, spacon kaj tempon. Disportadis ĝin nevidebla venteto, apenaŭ sentata kaj voĉoj de l' sonoriloj. Ondado de la sonorilvoĉoj estis ja plena de l' faruno.

Longe Ĉuko kruckuris tra la vilaĝo. Preterkuris ĉiujn domgrupojn, ĉiujn kortojn. Sur ĉiuj kurboj de la blanka, serpentuma vojo ĝi jam estis.

Kiam la infanoj satludis en la korto, ili eliris sur la deklivon kaj baldaŭ rimarkis Ĉukon. Ankaŭ la mastroj vidis la hundaĉon, apartenantan al neniu. — *Jen ĝi, jen...* Oni ekkuris post Ĉuko kaj ĉirkaŭis ĝin de ĉiuj flankoj, de ĉiuj ventoj. Ĉuko sin trovis antaŭ unu grupo, la alian ĝi sentis post si. Unu celis ĝin de la dekstra, la alia de l' maldekstra flanko. Ĉuko estis ĉirkaŭita.

— *Ĝi ne povas forkuri, nur bone ni celu,* ordonadis iu dika mastro. *Iom da amuzo por la Pasko donacis Dio. Gloron kaj laŭdon al Li! Batu ĝin, batu... Nu do, nu do, en la kapon... Lasu min por montri, kiel mi trafas en kuro !... Kiu, ĉu vi? Ne multe valoris eĉ viaj gepatroj, ĉu do vi?... Lasu min por vidi, kio estas eminentulo!... Nenio estas ja tio, jen, vidu kio estas la okulo... Sed Ĉuko estas pli saĝa ol vi kaj ne atendos vin en sama loko... Jen, jen, vidu...*

*En la ripojn trafite! Eksonoris kiel en tamburo, ĉu vi aŭdis?.. He, he, forkuris... Ĉu vi ja trafus? Vi? Kiu vi estas? Se vi estus io, vi havus plenajn barelojn en la kelo, ne fajfetus tra ili la vento!... Nu, nu, pafu.*

La infanoj hurlis, blekegis. Ŝtonoj klakis, zumis kaj ŝutiĝis. De temp' al tempo Ĉuko dolore, malespere ekveis, plorbojetis.

— *Vidu, ho, malgrandulon, kiel bone li trafas! Kies li estas?... La mia, kompreneble! De l' drako eliras drako! Ĉu ne mi estas la patro, ĉu? Refoje, do etulo, por ke sciu la vilaĝo, kiun mi nutras...*

La frapo eksonoris tra l' deklivo. Ĉuko mortdolore ekbojis

— *Finite! Ne lasu al ĝi sin levi. Mortbatu ni hundaĉon ĝisfine! Estas ja pasko ni amuzu nin... Lasu! aŭdiĝis iu el la grupo, mi ne volas, ke la mortbatita hundaĉo sterniĝu antaŭ mia domo. Tio alportus malfeliĉon. Lasu do !*

Ĉio ĉesis. La spektaklo rompiĝis, por ke oni ne trovu la mortintan hundaĉon apud ies domo. Tio ja alportus malfeliĉon... Vundkovrita, kaj sange elturmentita Ĉuko relevis la jam renversitan rigardon al la homoj, al la infanoj kaj mem ekmiris, ke la ŝtonhajlo ĉesis. Momenton, nur sekundon, daŭris konfuzo de l' hundo. Tiam dolore, malespere plorbojante fortrenis sin Ĉuko laŭ la deklivo.

— *Foriris... Hahaha!... Hahaha, kiel ĝi trenas post si la rompitan kruron... Skuetas la kapon, ĉar la sango surverŝas ĝiajn okulojn... Hahaha memoros Ĉuko la Paskon !...*

Ankoraŭ el la malproksimo aŭdis la vilaĝo doloran plorbojetor de Ĉuko. Pli kaj pli obtuze aŭdiĝis morta stertorado. — *Nun ĝi certe enboris buŝegon ie en la teron kaj sterniĝis... Ĉefa afero, ke ne apud mia domo. Ankaŭ ne apud la mia... Ne apud la mia...* La vilaĝanaro kontenta revenis en la kortojn.

Elĉerpite sin trenis Ĉuko al la maro, al la bordo, kie vivas la fiŝkaptistoj. Tiuj, pri kiuj la vilaĝo parolas, ke ilin forlogis la maro, ke ili estas nenionfaristoj: la maljuna Matko, ĉiam donanta superrestintajn fiŝojn, Gorain kaj Dĵin, neniam forirantaj de la bordo kaj maristo Andraŝ, atendanta la favorajn ventojn.

Ili kolektiĝis sur la roko kaj rigardis grandan, senfinan maron antaŭ si. Hodiaŭ la maro estis tiel babilema kaj ĝoja kvazaŭ ĝin vivigus la paskaj sonoriloj ŝutante sur ĝin tiom da festoj, sanktuloj kaj la Dion mem, kiu ĉi matene kaj ie malproksime reviviĝis... La maro sub iliaj piedoj spiris, muĝis, murmuretante pri la reviviĝinta Kristo, ne havanta la domon, vizitanta dezerton kaj la hordojn de Genezareto.

Sonoriloj en la sonorilejo jam delonge multiĝis, sed la kanto ankoraŭ flugpendis super la maro, ĉiam pli mistera, sekreta kaj sankta...

— *Pasko estas granda tago...* ekflustris iu el la grupo. — *Ja granda!... Ĉiuj ĝin scias. Tiom da birdoj alflugis el sudo por ĝin kantesaluti. Plenaj de ili estas mirtoj kaj branĉoj de pinoj... Kiel ja birdoj ne scius pri Pasko?!... Ankaŭ la suno ĝin scias. Ĉu vi iam vidis tiun tagon nuba?* Ĉiuj primeditis kaj trovis, ke Pasko neniam estis nuba.

— *Eĉ ne unu ekmordis! Ankaŭ la fiŝoj scias pri Pasko,* kriedis la maljuna Matko kaj tiel klarigis la hodiaŭan malgrandan ĉasaĵon. — *Ankaŭ hieraŭ ili sciis. Hieraŭ mi kaptis sufiĉe por tri tagoj. Por la tri paskaj tagoj!...* La tuta grupo admiris la tagon, kiun scias printempo, suno, maro, birdoj kaj eĉ fiŝoj.

Jen elfalis sur la bordon Ĉuko kun la rompita kruro kaj sanga kapo. — *Ĉuko?... Ĉu vere ĝi?... Je Dio, estas ĝi! Mortbatis ĝin la vilaĝaj infanoj.* Leviĝis ĉiuj kaj akceptis la hunda-

ĉcn, apenaŭ sin trenantan trans la bordo. Ĉuko diskarnigita vundo ĝis vundo. Sango kaj vundoj sur la korpo, sur la kapo, ĉirkaŭ la okuloj. Kaj la rompita kruro mortpendis.

— *Ho Ĉuko, kompatinda... En la maron kun Ĉuko por ellavi la vundojn!...* La maljuna Matko delikate prenis Ĉukon en la sinon, alportis ĝin ĝis rondo de l' bordo, ekgenuis kaj subakvigis la hundon en la maron. Dolore ekbojetis Ĉuko. La vundojn mordis marsalo. — *Kompatinda! Mortvundita ĝi estas... Ho, kion ni donu al ĝi?*

Oni donis al Ĉuko fiŝon, rostitan sur ardaĵo. Ĝi ne ekflaris. Oni donis fromaĝeton. Ĝi eĉ ne ekrigardis. La maristo Andraŝ kuretis ĝis la ŝipo kaj revenis kun botelo da oleo. — *Pli milde estos al Ĉuko, kiam ni balzamos la vundojn.* Dĵin ŝiris de sur si la ĉemizon, malnovan, ĉifonan. Li ŝiris kaj parolis: *Por bandaĝi la vundojn de Ĉuko. Facile ja estos koncerne la novan ĉemizon. Nun estas printempo, poste jam somero, mi ne bezonos ĝin.*

Oni bandaĝis la vundojn de Ĉuko. Ĉuko ankoraŭ iomete baraktis, plorbojetis, tiam trankviliĝis, kuntirite, malvarmiĝante... *Jen mortas... Jam finis!...*

La maljuna Matko kunfermis la okulojn de Ĉuko. Mute afliktite kaj kun doloro rigardis la fiŝistoj vundkovritan kadavron de la hundo. Same mute ili ekmoviĝis kaj komencis pretigi la bordon por fosi la tombon.

La juna Dĵin senvorte foriĝis kaj malaperis inter mirtaj kaj pinaj arbetaĵoj. Kiam li revenis li portis grandan krucon, kunmetitan el senŝeligitaj pinbranĉoj kaj ligitan per longa vejno de mirto. Li alportis kaj metis ĝin teren apud la elfosita tombo.

— *Ĉu kruco super la hundo? Ili interrigardis sin. Neniu ion diris, nur momenton, kvazaŭ demande, ili sin rigardis. — Ĉu kruco super la hundo? Enmetu ĝin. Pli bona estis Ĉuko ol tiuj supre, ekflustris Matko. — Pli bona, multe pli bona... Pli bona... Al neniu ĝi faris malbonon. Enbatu la krucon bone, profunden!... Ĉuko venis al ili en Pasko por osto, kaj ili ĝin mortbatis!... Enbatu pli, por ke vento ne eltordu la krucon... Ĉuko vagkuris tra vilaĝo serĉante tion, kion neniu plu volis kaj ili rompis ĝian kruron, disŝutis ĝian cerbon!...*

— *Ankaŭ la maro ne subfosu la krucon kaj ne forportu. Enbatu pli je du fingroj... La malsatan Ĉukon mortigis la sata vilaĝo... Enbatu pli je tuta manstreĉo, por ke eterne restu la kruco sur la bordo... enbatu...*

El la kroata:
DADA NOVAĈIĈ.

## Vana neniaĵo

Nikolaus Lenau.

*Kion mi vidas: vana neniaĵo.*
*La viv': tro ofta diro — vago vanta,*
*Ĉaspel' sovaĝa, a! kaj rekuranta,*
*Kaj forton perdas ni je ĉiu paŝo.*

*Se ni la lastan teran celon trovus*
*Ankoraŭ kiel freŝaj knaboj, ĝoje,*
*Kiel ekkuris ni unuafoje,*
*Ni je la ludo ja eĉ ridi povus.*

*Sed Forto trenas nin de hor' al hor',*
*Kiel la kruĉon, ĉe la ŝtono puta*
*Fenditan, kies suko gutas for.*

*Al tero, laŭ la ir', tra l' vojo tuta.*
*Malplena nun; al lip' ĝin kiu metas?*
*Ĝin al aliaj ruboj oni ĵetas.*

El la germana: K. Kalocsay.

## Ĉu signo de l'tempo?

Usona amiko skribas al mi el Nov-Jorko:

Antaŭ unu semajno, mia edzino atentigis min pri okazonta tiun vesperon radio-paroladeto de G. Robertson, juna usona poeto. Ni ĝin aŭskultis.

La paroladeto, aŭ prefere deklamaĵo, montriĝis majstraĵo, zorge pripensita kaj verkita. Malrapide elparolita, kun bongusto kaj emocio, per voĉo mirinde melodia, ĝi kor-ektuŝegis nin. Tiamaniere, ke, rigardinte nin reciproke post la fino, ni senkonfuze konstatis, ke ni ambaŭ estis plorantaj.

Evidente, multaj aliaj personoj estis same profunde impresegitaj per tiu prelegeto; ĉar post kelkaj tagoj la gazetaro anoncis, ke, pro ĉiuflanka petado, Sro Robertson ĝin ripetos certan vesperon el la sama stacio.

Tiun ĉi fojon mi ĝin atendis, armita per skribilaro, por diktenskribi ĝin kiel eble plej fidele. Ne estante stenografisto, mi nature ne garantias laŭvortecon. Mi tamen opinias, ke nenio esenca mankas al la kompleteco. Jen ĝi estas:

### La nekonata kvanto

Mi estis malgranda knabo, bubeto distrema, malafabla, malbonkonduta. Estis je mia unua leciono de algebro.

— La litero X reprezentu la nekonatan kvanton, — diris la instruistino.

— Kion do ŝi volas diri? — mi ekpensis. — Kio estas tiu ĉi novaĵo, tiu nekonata kvanto? Ĉu ne ekzistas jam sufiĉe da penigaj ciferoj konataj por aldoni, subtrahi, multobligi kaj dividi? Por kio alterni ankoraŭ tiun misteran, tute nenecesan X? Jen certe nova rimedo por tedegi malfeliĉajn lernantojn...

Dum la aliaj knaboj estis diligente skribaĉantaj, mi sola sidis, kolereta, ne altuŝante eĉ mian paperfolieton.

— Kial vi ne enskribas tion, kion mi estas dirinta al vi?

— Ne, tute ne! — mi grumblis responde. — Nekonata kvanto!... Kion ĝi signifas? Mi ne vidas iun nekonatan kvanton.

— Ĉiam estas nekonata kvanto, — asertis la instruistino.

Jam de longe mi forgesis ĉion tion el algebro, kion mi iam estis sukcesinta ellerni. Neniam tamen mi forgesas tiun aserton. Kaj mi rekonstatas ĝian verecon je ĉiu nova, malrapide turniĝanta vivopaĝo.

Ĉiam estas nekonata kvanto.

Homa sperto! Kiel arogante certega mi estis je dudek jaroj, ke mi superruzos la sorton; ke mi scipovos aldoni, subtrahi, multobligi kaj dividi la elementojn de l'vivo tiamaniere, ke sole sukceso kaj ĝojo rezultu el ili. Sed baldaŭ, ho kiel baldaŭ, mi estis sciiĝonta, ke la planoj plej bone pripensitaj estas fiaskontaj!

Ĉar neniam eblas antaŭdiri. La projekto pleje prizorgita estas fiaskebla, kaj plano plej frivole formita estas sukcesebla. Kaj ni supozas, ke tio okazas, ĉar Dio kontraŭas nin. Sed tute ne. Temas nur pri kredo. Plejsaĝulo estas senforta pro manko de kredo. Kredoplena idioto aŭ infano kapablas ekmovi monton. Kial do tio? kaj kio estas kredo, tiu kvanto plej nekonata?

Homa sperto! Kiel malcertega ĝi estas. Homa konduto — ankoraŭ pli mistera... Mi iam pensis, ke blanka estas ĉiam blanka; ke amo kaj malamo, beleco kaj malbeleco estas precizaj kaj fiksaj, samkiel multobliga tabelo. Sed tie ankaŭ reaperas la nekonata kvanto. Kial praveco tiel ofte

evidentiĝas malpraveco? Kaj malpraveco tiel ofte — praveco? Kial vero ĉe unu homo fariĝas malvero ĉe alia? Kial krueleco kelkafoje montriĝas afabla, kaj afableco — kruela? Kial ia amo efikas pli malbone ol malamo? Kaj ia malamo — pli alloga, pli justa ol amo?

Kaj kio estas tio, kio ekzistas en la koro de ĉiu homo: de l'braklaboristo en la fosaĵo, de l'ebriulo en la stratdefluilo, de l'reĝo sur la trono, de l'krimulo sur la elektra seĝo? Tiu malpreciza sonĝo briletanta kiel kandelflameto tra la mallumo... Tiu akra, ne superebla fiereco, ekbrileganta kiel polurita ŝtalklingo super la koto... Kio ĝi estas? Kio?...

La nekonata kvanto.

La fajrero de Dio en figuro argila. La mano de Dio super akvo malserena.

La nekonata kvanto.

Ĝi ĉiam estis,
Ĝi ĉiam estos....

Esperantigis: C. Rosen.

# Lasta renkontiĝo

de Ant. Jandik

Paŭzo dum teatra prezentado.

« Ĉu vi fartas bone, fraŭlino? »

« Ĉu estas vi- Sinjoro? Estas jam delonge, de kiam ni ne vidis nin, ĉu ne vere? »

« Jes, jam du jarojn preskaŭ. Kaj kion vi faras nun? »

« Nu, mi vivas, kiel antaŭe. Vi ja konas mian vivon. »

Profundaj okuloj rigardas ŝajne indiferente, sed fajro interne brulas kaj en profundo ombroj vidiĝas, kiuj parolas pri travivita sufero.

Homoj promenas ĉirkaŭ ni, sed ni forgesas ilin, kvankam ni parolas pri banalaj, ĉiutagaj aferoj.

Miaj rememoroj reviviĝis. Mi rememoras bordon de rivero, sur kiu ni promenis kaj diskutis pri problemoj, kiuj tiutempe havis por ni, enirantaj en vivon, grandan signifon, sed pri kiuj kutime ne parolas du gejunuloj, kies aĝo ne estas multe pli ol 40 jaroj kune. Mi rememoras ŝin sidantan sur boato, nigraharan kun profundaj nigraj okuloj, en verda vesto kaj mi rememoras ŝin nelonge antaŭ nia disiro, sidantan apud mi en teatro, kie ni unuafoje kaj lastfoje esprimis nian reciprokan delikatan amon per varma manpremo, kie ni travivis kune momentojn de granda feliĉo nemateria, al kiu sufiĉis tiu signo de reciproka kuniĝo de animoj.

Ni ambaŭ tiutempe antaŭ du jaroj volis klarigi al ni kialon de nia ekzistado kaj nescie serĉis fonton de absoluta vero kaj amo kaj ĉe tiu serĉado de plej alta idealo niaj animoj renkontiĝis.

Mi tiutempe sentis, ke ŝi estas sola virino, kiu povus satigi mian sopiron al pli nobla, celkonscia vivo, ol mi vivis. Sed ni ambaŭ timis paroli pri niaj sentoj, ni ne volis disŝiri tiun rubandon, kiu ligis niajn estaĵojn.

Unu vesperon ni desiris, ne difininte rendevuon. Mi tiutempe akompanis ŝin al ŝia hejmo kaj ni ne diris eĉ unu vorton pri nia nuna fina disiro. Sed ni sciis, ke nur hazardo povas denove igi, ke ni renkontiĝu. Mi amis alian knabinon per amo de sentoj, tute materie, kaj mi ne povis sufoki tiun ĉi amon, kiu humiligis min.

Kaj nun mi denove rigardas ŝian iomete kurbetan staturon, apogantan al muro, ŝiajn seriozajn okulojn kaj mi sentas, ke ĝi estas lastafoje, ke ni neniam en la vivo plu revidos nin.

Kaj paŭzo estas for kaj ni definitive disiras. Nur ankoraŭ unu rememoro pri lasta renkontiĝo restos al ni el nia neesprimita amo.

Kaj mi, kvankam sentante en la animo doloron, konsciiĝas, ke tiu ĉi amo estos por mi la plej sankta, ĉar restis ekde komenco ĝis la fino tute anima. Mi scias nun, ke en miaj pensoj mi ĉiam gardos por mi sekreton pri plej granda kaj plej bela amo en mia vivo.

# Hanaka sprito

La hanakoj estas la loĝantoj de ebenaĵo Hana, plej fruktodona parto de Moravio kaj de Ĉeĥoslovakio.

Biena mastro plugis sian kampon per bovparo. Preteriris ia inĝeniero kaj la kampisto salutis lin: Mi bonvenas vin sinjoro termezuristo. Kiel vi fartas? respondis tiu ĉi, ĉu vi bone rikoltos?

Kiel bona Dio donos, rediris kampisto, se donos, mi ekĝojos, se ne, mi ne plendos, ankoraŭ mi havas provizon.

Inĝeniero demandis plue: Ĉu vi kredas, ke Dio entute ekzistas?

Mi petas sinjoro, mi kredas, ĉar mi tion lernis jam dum mia infaneco.

Ĉu vi kredas, daŭrigis ŝercante la inĝeniero, ke vi post morto supreniros ĉielon?

Mi petas sinjoro termezuristo, mi devas kredi; ne nur mi tion jam en lernejo lernis, sed nia sinjoro paroĥestro ankoraŭ nun ofte dimanĉe tion en preĝejo priparoladas.

*Mi* kredas, rediris la inĝeniero, kiam homo mortas, lia animo transiras en ian beston.

Tion mi volus ankaŭ diri sinjoro, mi ĉiam pensas, ke en mia dekstra bovo enestas ia inĝeniero, ĉar ĝi tiel rektliniajn kampsulkojn plugas, kvazaŭ tondita laŭ liniilo.

Hanako iam estas ankaŭ malrapidulo, homo komforteca; « osciliĝas » kaj longe daŭras, ĝis li ekvigliĝos; sed kiam li estas ekvigliĝita, laboregas freneze.

Onkleto Chudaĉek (Kompatindulo), kiu havas ĉiam en sekreta veŝtopoŝo sur la brusto kunpremitan « tirharmonikon », laboregis dum la tuta semajno, tial la dimanĉo apartenis al li tute, precipe kiam lia energia edzino estis forveturinta, por viziti siajn parencojn en najbara vilaĝo.

Tuj matene li pie vizitis preĝejon, poste iris en alian preĝejon, kie oni per glasoj invitsonorigas kaj kartojn ludas; restis tie ĝis noktomezo kaj revenis hejmen ĝuste post kiam lia edzino estis realveturinta. Ĉi tiu disputis kun la parencoj, tial ŝin persekutis malbona kaprico, kiun ŝi elŝutis kontraŭ duonebria edzo. Do ŝi bonvenigis lin per kaseroloj kaj potoj. Li senvorte kaj malgaje enlitiĝis kaj ekdormis pri maldankeco meditante. Frumatene li tuj post ellitiĝo ekveturis por inspekti laboron de la kamposervistaro kaj por doni ordonojn..

Kiam li estis vilaĝon pasinta kaj surveturis malfermitan ŝoseon, li ekvidis flanke stratan ŝtonan krucon.

Li pensis: Hieraŭ ci multe diboĉis eĉ preskaŭ ne preĝis, ci devas do tuj ekpreĝi, por ke la Eternulo pardonu ciajn hieraŭajn pekojn.

Post haltigo de sia veturilo li surgenuis antaŭ la kruco preĝinte « Patro nia... »

Eĉ post finita pieco li restis surgenue humile meditinte:

« Mia bonega, karega Dio, li estis skurĝita, li estis per dornoj kronigita eĉ krucumita, — sed edziĝinta — grandega saĝulo — li tamen ne estis.

Jaroslav Beneŝ.

# Socia Vivo

## Interpopola helpo

De Edmond PRIVAT.

Ĉiujare progresas la movado iniciatita de Pierre Ceresole por anstataŭi pafilojn per fosiloj. Tiu samideano ne fidas plu je armiloj por defendi iun ajn landon kontraŭ milito. Male li timas, ke la malfido kaŭzata per armado kaj militaj organizaĵoj alportas al ĉiu lando novan riskon de aerpafado kaj pereo de urbaj loĝantaroj pro venenaj gasoj.

Li klopodas organizi defendon per konstruo de fido anstataŭ malfido. La ideo estas helpi najbaran nacion kaj fari al ĝi servojn anstataŭ pretigi militon kontraŭ ĝi, unuvorte krei amikojn prefere ol malamikojn.

Speciale en okazo de katastrofo aŭ malfeliĉo, Pierre Ceresole kaj liaj bonvoluloj alkuras por alporti senpagan helpon per siaj brakoj. En somero 1930 multaj germanaj, anglaj, skandinavaj aŭ slavaj samideanoj venis al Albefeuille Lagarde apud Montauban en Suda Francujo, kie la riveroj elbordiĝis kaj multon detruis. Ili brave laboregis por helpi la vilaĝanojn purigi la stratojn kaj kampojn je ŝtonoj kaj ruinaĵoj.

Unuamomentan miron kaj singardemon baldaŭ anstataŭis ĝoja fido kaj dankemo, eĉ entuziasmo de la loĝantaro. Dum somero de 1931 la bonvoluloj venis al svisaj vilaĝoj en Argovio, kie simila malfeliĉo malkuraĝigis la kamparanojn. Samtempe Ceresole kun pli granda nombro da diverslandaj amikoj iris al Kimrujo por helpi la senlaborulojn de Brynmawr en Britujo.

Tiu malfeliĉa urbo de ministoj falis en mizeron kaj senesperon pro longaj jaroj de senlaboreco. La kvakeroj (aŭ Societo de l'Amikoj) klopodis organizi por ili novajn industriojn pri ŝuoj, mebloj aŭ teksaĵoj, ĉar la tuta komerco kaj vivo de l'urbo ja stagnis.

Sed ankaŭ la tuta bonhumoro de l'urbo estis mortinta kaj la malbela ebenaĵo kun duondetruitaj domaĉoj en centro de l'urbo ankoraŭ akcentis la malkuraĝon de la loĝantaro.

Venis al Amikoj la ideo, ke Brynmawr, situita sur montetoj povus kontraŭe fariĝi alloga loko, eĉ turisma centro se oni ĝin beligus. Forigu tiujn kelkajn domaĉojn sur la placo. Starigu belan parkon anstataŭ tiu forlasita malpura ebenaĵo. Fosu vastan banejon, alkonduku al ĝi rivereton. Konstruu turistan loĝejon por junularo. Jen entrepreno kiu transformos la tutan urbeton, kaj miloj da brakoj estas liberaj ĝuste nuntempe.

Nur mankis la kuraĝo. Amikoj demandis la Sindikaton de ministoj kaj ricevis ties aprobon. Ili faris la proponon. Alvenis Ceresole kun bando da helpemaj fremduloj el pluraj nacioj. Ili laboregis kaj ĉiutage pli granda nombro da senlaboruloj aliĝis kaj ekprenis la fosilon kun ili.

Ĉiujn manĝojn oni prenis kune ĉe komunaj tabloj. Kamaradeco kreskis. Iom da kuraĝo revenis. Publikaj kunvenoj okazis en la urbo por bonvenigi la fremdajn amikojn. Kune leviĝis eĉ unu vesperon la tuta ĉeestantaro kaj juris de nun labori por akceli pacan kunlaboron de popoloj. Impresa momento.

Anglaj ĵurnaloj sendis raportistojn surloken. Aperis surprizaj atestoj. « *Renaskiĝas espero en Brynmawr* » titolis unu artikolo.

Iom post iom malaperis la malbelaĵoj. El najbaraj arbaroj estis transportitaj la plej taŭgaj kreskaĵoj. Baldaŭ arboj estis plantitaj, vojoj fositaj, herbo semita kaj ebenaĵo ebenigita. Ĉarma parko jam anstataŭis la mizeran placegon antaŭe malkuraĝigan al okuloj.

La banejo estis fosita kaj zorge cementita. De nun oni venos al Brynmawr por gaje naĝi en societo. La senlaboruloj retrovis intereson en vivo kaj aranĝas novajn kondiĉojn en sia urbo. Tio ne solvas la tutan ekonomian problemon de Britujo kaj de la mondo, sed tio savas malkuraĝigitajn spiritojn kaj redonas fervoron al loĝantaro, ankaŭ donas ideon pri nova speco da organizo per interhelpo.

La homoj ĉiam plendas pri malfido inter popoloj kaj montras malfidemajn grupojn trans limoj. Sed kion ili faras mem, krom plendo, por kreskigi fidon prefere ?

Vidu kion povas atingi kelkcentoj da homoj pretaj agi anstataŭ nur plendi. La Angloj kaj Germanoj helpintaj al francaj vilaĝanoj ne estas forgesitaj.

Memorante pri alia antaŭjara veno bonvola, pluraj viroj el Albefeuille Lagarde iris tiun ĉi jaron al Brynmawr en Britujon kaj helpis reciproke, Eĉ tiu franca komunumo sendis belan sumon por faciligi la konstruon de la parko tie.

Ĉu tio ne valoras penon ? Ceresole opinias, ke malfacile povus nacio ataki alian post amikiĝo per helpo reciproka. Certe Brynmawr ne atakus Albefeuille - Lagarde. Sed kiel plivastigi la aferon, igante ĝin efika sur tutlanda skalo ?

Nur daŭrigante kaj aliĝante per subteno, partopreno aŭ agema simpatio. Ankaŭ ne en unu tago formiĝis la grandegaj militaj armeoj. Kiuj volas nun provi alispecan formon de defendo, malpli barbara kaj pli konforma je instruata etiko, tiuj ankaŭ ne kalkulas ĉion atingi en unu sezono.

En tri aŭ kvar jaroj ili jam saltis de komenceto al granda kreskado kaj ili certe progresados ĉiam pli, ĉar tiu entrepreno respondas al profunda sopiro de l'homaro.

Ankaŭ ĝi bazas sur tre scienca psikologia observado. La supereco de militarto je parolarto pacifista kuŝis en la heroeco, la sindono. La pacifistoj parolis, dum la soldatoj donis siajn vivojn.

Por la entreprenoj de detruado kaj buĉado, ĉu defendaj, ĉu atakaj (ĉiu kredas ĉiam sin defendi) ni dum centjaroj pretigis la plej altajn virtojn de kuraĝo, braveco, sindono kaj ofero. Por la entreprenoj de paco kaj malebligo de buĉado ni pretigis nur vortojn ĝis nun.

La tuta heroeco kaj poezieco de l'agado monopoliĝas sur la sangaj batalkampoj.

Per la Ceresola metodo, la junuloj nun disponas okazon militi kaj sinoferi kun siaj brakoj por efika rezultato paciga : unue la helpo mem al ceteraj homoj en malfeliĉo, due la kontentiĝo ke oni ne bezonas iun mortigi por fari sian devon, trie la konstato, ke oni amikigas la fremdan popolon helpatan.

Ĉar tiu nobla praktika entrepreno bezonas Esperanton, jam uzas ĝin kaj laboras pro plej pure Zamenhofa celo, niaj legantoj deziras kaj ricevos almenaŭ ĉiujaran informon pri ĝi.

*

*Dank'al pluvo de virinaj larmoj, floras la modmagazenoj*

*Virino defendas sin per larmo kaj atakas per rideto*

*Pri la temo « bopatrino » serĉas nur tiuj, kiuj ne havas tian. Kiu havas, ne plu serĉas.*

*

*Noto :* Por esperanto presitaj detaloj sin turni al F-ino Hélène Monastier, 11, Pré du Marché, Lausanne (Svislando) kiu sendas libreton kontrau kvar respondkuponoj.

# Notoj

*Gandhi en Svislando.* — Dum Decembro, Mahatma Gandhi venis al Svislando kaj parolis en Lausanne kaj Genève. En ambaŭ kunvenoj tradukis lian paroladon D-ro Edmond Privat.

Je la 10-a de Decembro je tagmezo pleniĝis la Victoria-Hall, kaj malgraŭ la nekutima horo, centoj da personoj ne povis eniri. Malofte tiu ĉi salonego estis tiom plenigita. Sur la estrado sidiĝis la funkciuloj de la internaciaj organizaĵoj. Orgenludo. Eniras Gandhi vestita en hinda maniero, akompanita de sekvantaro de fideluloj. Impresa silento, ĉio stariĝis. La Mahatma okupis la lokon sidante sur tablo laŭ orienta maniero. Ĉirkaŭ li sur seĝoj la apostoloj de la *Ne-perforto* en Svislando, D-ro Edmond Privat, Pierre Cérésole, la fondinto de la Civila Helpservo, plie S-ino Camille Drevet, internacia Sekretariino de la Virina Ligo por Paco kaj Libereco, organizinta la kunvenon, Profesoro Bovet.



Surŝipe al Hindujo : Gesinjoroj Privat parolantaj kun Gandhi pri Esperanto kaj ilia komuna amiko, kolonelo Pollen, (+) iama prezidanto de l'Brita Esperanto-Asocio.

Komence ne tuj komprenebla por ĉiuj, Gandhi evoluis sian ideon pri la « Ne-perforto ». Iom post iom, lia voĉo altiĝis kaj liaj paroloj kaptis la aŭdantaron. D-ro Privat tradukis frazon post frazo, de angla en francan lingvon. Venis al Gandhi aro da skribaj demandoj, pli malpli similaj, kiujn li respondis post matura pripenso. El la respondado oni facile konstatis, ke parolas juristo kaj gvidanto, konscia pri la sekvoj de tio, kion li diras. Je demando, ĉu soldato dum servo rifuzu obei, li respondis ke ĵurinte plenumi, li plenumu, ĉar sincereco antaŭ ĉio. Por ĉiuj, kiuj ĉeestis tiun ĉi kunvenon, restas impreso neforgesebla. D-ro Privat kaj edzino akompanis Gandhi al Bombay (G.A.)

*Statistiko pri la Nobel-premioj.* — La Nobel-Instituto dum la daŭro de ĝia nun tridekjara agado disdonis premiojn de iom pli ol 250 Milionoj da Orfrankoj (50 Milionoj da dolaroj) Tio dividiĝis en 134 premioj. Laŭprocente venas en unua vico la Germanoj, nome 33, sekvas la Francoj kun 20,5, Angloj 16,5, Amerikanoj 11, Svedoj 10,5. Svisoj 7,5, Danoj 5,5 Nederlandanoj 5, Norvegoj 4,5, Aŭstrianoj 4,5, Belgoj 3,5, Italoj 3,5%. Hindoj, Hispanoj kaj Poloj po 2, Rusoj kaj Kanadanoj kun po unu premio.

---

*Ruĝa lumo.* — La gazetaro sciigis pri grava medicina eltrovo de D-ro Karlo Mezei el Budapest, starigante novan metodon por la rapida sanigo de haŭt-malsanoj. D-ro Mezei trovis, ke la radioj penetrantaj tra unu speciala, ruĝkolora viskozo-materialo havas surprizan sanigan efikon. Ke la ruĝaj lumradioj havas fortan sanigan efikon, estas jam de longe konata. Jam la Romanoj sciis tion kaj el la mezepoko postrestis dokumentoj, kiuj pruvas, ke oni aplikis la ruĝan lumon kontraŭ variolo kaj ke ĉi-tiu lumo havas la proprecon malhelpi la estiĝon de la variolaj cikatroj. En la 18a jarcento la medicinistoj kredis, ke ĝi estas superstiĉo mezepoka ĉar ili ne povis klarigi al si la sanigan efikon de la ruĝaj radioj. Nur ĉirkaŭ la fino de la pasinta jarcento, sukcesis dana profesoro Finsen science klarigi tiun fenomenon. Li kuracis variolajn malsanulojn en ĉambro, kun ruĝaj fenestroj kaj ruĝaj kurtenoj. Ankaŭ li konstatis, ke sub la efiko de la ruĝa lumo la malutilaj radioj ne penetris en la haŭton de la variolaj malsanuloj, la pustuloj ne abcedis, kaj saniĝis ne postlasante cikatrojn.

D-ro Mezei konstatis la sanigan efikon de la ruĝaj lumradioj ĉe inflamaj haŭtmalsanoj. Li faris tre interesajn eksperimentojn sur la oreloj de kunikloj. En unu parto de la eksperimentoj li tenis la orelojn 5 minutojn en 50° Celsius varma akvo, en la alia parto li frostigis la orelojn. Poste li elmetis la brogitajn, respektive frostigitajn orelojn al efiko de diverskoloraj lumradioj. Li konstatis, ke je la efiko de *la ruĝaj lumradioj la brogita orelo tute saniĝis en tri tagoj*, dume, sekve de la efiko de la alikoloraj radioj kaj tiu de la taglumo la resaniĝo daŭris tri semajnojn aŭ la oreloj eĉ nekrozis. La favora efiko, la perfekta resaniĝo en tri tagoj estis konstatita ankaŭ en la kazo de la frostigita orelo. En medicinaj rondoj ĉi-tiu eksperimento faris sensacion. Ne nur la eltrovinto, sed ankaŭ aliaj dermatologoj kaj ĥirurgoj certigas, ke ĉi-tiu saniga-metodo estas revolucio en la kuracado de la inflamaj haŭtmalsanoj.

La sanigilo, nomita « Chromolux » konsistas el speciala, ruĝkolora, diafana membrano, kiu estas provizita je plastro. Oni aplikas ĝin senpere sur la malsaniĝintan haŭton. Oni bezonas por la kuracado nur la sunlumon, per kiu oni radiadas la haŭton provizitan per « Chromolux ». Se ne estas rekta sunlumo, oni povas ĝin anstataŭigi per la simpla taglumo, kiu efikas pli malrapide. En multaj hospitaloj oni elprovis la sanigilon de D-ro Mezei kaj la medicinistoj konstatis, ke speciale furunkloj, ekzemoj, frostŝvelaĵoj kaj aliaj haŭtinflamoj reagis okulvideble je la nova saniga-metodo. El ĝisnunaj sukcesoj oni povas konstati, ke la medicino riĉiĝis je altvalora sanigilo.

(Dro Mezei estas malnova samideano, iama eldoninto de Medicina Revuo Esperantista. Red.).

---

*Budĝeto kaj Esperanto.* — Diskutante la budĝeton por 1932 de l'Ĝeneva Kantono, la parolanto de l'katolika partio proponis forigi krediton por universitata katedro de Esperanto. La propono estis neakceptita kun 35 voĉoj kontraŭ 32. (Tribune de Genève, N-ro 308, 32-12-31).

# Tra la libraro

*Sociologio. — Historio. — Religio. — Broŝuroj. — Lernolibroj. — Movado.*

Ne miros la legantoj, se ni parolas tie ĉi pri franclingva libro : *Le choc des patriotismes* (La kunpuŝiĝo de l'patriotismoj). Ĝi estas verko de la redaktoro de ĉi tiu gazeto; enhavo kaj celo havas komunajn punktojn kun interna ideo de Esperanto; ĉapitro ĝia pritraktas la gravecon de nia lingvo. La libro apartenas al konata kolekto; « *Biblioteko de nuntempa filozofio* »; Ĝia subtitolo estas : La kolektivaj sentoj kaj la moralo inter nacioj. Legantoj kiuj scipovas la francan lingvon, ne preteriru tiun aktualan esploron de problemo, kies solvo hodiaŭ trudiĝas al homaro. D-ro Edmond Privat, kiel ĵurnalisto, enketisto, eksperto ĉe Ligo de Nacioj, esperantisto, pli ol iu ajn povis superrigardi la lukton inter du frontiĝantaj idealoj, citi instruajn faktojn kaj ekzemplojn, aperigi reliefe la kontraŭecon inter moralo individua, sorbinta la kristanajn principojn, kaj la moralo nacia, ankoraŭ egoisma, malamema, militema. Per frazoj mallongaj, sed trafaj, incitaj, estas vidigataj la mankoj de hodiaŭa socio, tradicio, ĵurnalaro, eklezio. Tre kuraĝa estas la aŭtoro en kritikoj kontraŭ la blinda, malvasta, religieca patriotismo. Eĉ humoro helpas :

« *Oni mokas la lavistinojn ĉe fontanoj. Ili klaĉas, ili babilas. Ili laŭdas sian idaron. Ili kalumnias la najbaran. Ĉiuj popoloj estas tiaj.* »

« *La patriota moralo tamen havas potencajn inklinojn al heroismo kaj arda sinofero. Ili povas preni formon alte noblan ĉe tiuj, kiuj metas ĝin super sian propran vivon. Meti ĝin super sian riĉecon estas multe pli malofta.* »

La svislanda organizo, kie dudek-du ŝtatetoj federiĝis, malgraŭ religia kaj lingva malsameco, kaj malaperigis inter si doganon kaj militon, servas kiel ekzemplon. Estontan vojon ankaŭ montras la sistemo de neperforto laŭ Gandhi kaj aliaj provoj, inter ili la Ligo de Nacioj, kun ĝiaj agado kaj ebleco. Fine ankaŭ Esperanto estas unu el tiuj vojmontriloj, el tiuj lumturoj; ne la lingvo mem, sed la eksperimento de komuna internacia ligilo, ĝia vera neŭtraleco, la sentoj kaj mistiko ligataj al nia movado, la idealo de superreligia, supernacia frateco, kiun ĝi akcelas.

Malfacile estas diri en recenzo, kiom da faktoj estas citataj, kiom da ideoj verkataj en tiuj ĉapitroj. Ĝi ne estas nur la bona libro, ĝi estas kuraĝa ago, helpo al homoj saviĝi el marĉo de antaŭjuĝoj, kie ili riskas droni, por suriri la firman grundon de tutmonda komprenemo, solidareco, paco.

---

Mi legis la duan volumon de *Jarmiloj pasas,* de Hermann Haefker, tiu universala historio, originale verkita en Esperanto, tiel lukse eldonita. Mi ne ripetos pri la enhavo science valora, pri la sinteza kapablo de l'aŭtoro, pri lia klara vido al historiaj faktoj kaj al ilia interefiko, pri la taŭga stilo, tion kio jam estis skribita koncerne la unuan volumon. Ankaŭ ne utilas kritiki kelkajn frazformojn aŭ fonetikan transkribon de propraj nomoj : ĉe granda konstruaĵo, ne videbla estas malperfekte ĉizita ornamo. Ŝajnas tamen, ke malgraŭ klopodo al senpartieco, kaj al ĝusta proporcio inter diversaj periodoj, la deveno de l'verkinto, eĉ nekonata, malkaŝiĝus. La malo estus preskaŭ mirakla. Ekzemple, ne neante gravecon de Reformo en Germanujo, aŭ rolon religian kaj socian de Luther, la ĉapitroj pri tiu epoko estis pli ame, pli amplekse traktataj ol ceteraj, tiom gravaj. Ankaŭ tre kuraĝa estis la aŭtoro konduki nin ĝis la nuntempo, kaj eldiri sian verdikton pri kaŭzoj kaj kulpuloj en la mondmilito. Tie ankaŭ, eble nur ekstertera juĝanto kapablus seniĝi plene ja ĉia nacieca kredaro. En sia entrepreno, la historiisto tamen sukcesis, tio estas ke li donis en teksto,




ne tro longa por lacigi, bonegan resumon de l'tutmonda kaj tuttempa evoluo; per lerta elekto inter citindaj faktoj kaj forigendaj detaloj, li evitis tedon oftan ĉe historiaj lernolibroj. Aliflanke, pro la akceptitaj celo kaj amplekso, la rigardo restas ĝenerala kaj malofte revekas antaŭ ni la vivon de l'estintaj jarcentoj tiom, kiom detalaj verkoj pri iu speciala heroo aŭ epoko sukcesas fari. Ĉion konsiderite, « *Jarmiloj pasas* » estas, kaj longe restos, rimarkinda aperaĵo meze de nia esperantlingva verkaro.

---

Dika volumo, 575 paĝa, estas la *Historio de Kristo,* de Giovanni Papini, el itala lingvo tradukita de anonimulo. La titolo ne ĝuste anoncas la enhavon. Laŭ ĝi, oni atendas rakonton pri la vivo de Kristo laŭ la evangelioj, aŭ male, ekzamenon kritikan pri ĉiuj pruveblaj punktoj rilataj al naskiĝo de kristanismo. Tio ne estas. Post antaŭparolo, kun akraj paroloj al nekredantoj, venas multnombraj ĉapitroj, pli ol cent kiuj ja sekvas tempe la konatajn faktojn de l'Biblio, sed kiuj parafraze ilin klarigas por eltiri religian aŭ moralan lecionon. La aŭtoro ne estas pastro, sed laikulo, kiu faris tamen predikojn; kaj liaj admonadoj, ĝenerale kun elokventa oratora formo, similas al rakontoj de l'diman-

ĉaj lernejoj aŭ al katehismo por maturuloj. Tiu prireligia, pastreca, speciala tono ja ne estas novaĵo. En kelkaj lokoj, la aŭtoro troigas : aŭdu jenon pri la mono.

« *La monero kunportas, kune kun la grasŝvitaĵo de la manoj, kiuj ĝin akkaptis kaj palpis, teruran kriman infekton. El ĉiuj malpuregaj fabrikitaĵoj de l'homo por malpurigi la teron, l'mono estas eble la plej malpura.... Tiuj rondaj gluantaj kraĉaĵoj de la monfabrikejoj... ĉi tiuj malpuraj kaj fiodorantaj instigiloj de malbonago, kiuj konvinkas la filon mortigi sian patron, la edzinon perfidi sian edzon, la fraton ŝteli al sia frato,... La mono, kiu mortigis tiom da korpoj, ĉiutage mortigas milojn da animoj. Pli infektiga ol ĉifonoj de pestulo, ol puso de pustulo, ĝi eniras ĉiujn domojn... Ĝi estas la abomena hostio de la Demono. La moneroj estas la korupteblaj ekskrementoj de la Demono.* »

Kaj legu tiun aludeton al Nietzche :

« *Kaj Zarathustra, post kiam li ĵetis en la Mediteraneon la grekajn tekstojn de Leipzig'o kaj la verkojn de Machiavelli, komencis gracie salti kaprovire, kiel povas tion kapabli filo de lutera pastro jus elveninta de svisa katedro, ĉe la piedoj de statuo de Dionizo.* »

Cetere ne la tuta verko estas tia ; ĝi ankaŭ estas milda, kuraĝiga, bonintenca ; ĝi ne estas nur katolika kaj ne atakas protestantismon ; ĝi estas kristana ; sed kio strange impresas estas troa sinlaŭdo de la aŭtoro en antaŭparolo, kie li anoncas unikan modernegan ĉefverkon literaturan, kiu, legite, ne superas aliajn religiajn traktaĵojn ! Pri la traduko, flua kaj komprenebla, ĝi ne estis sufiĉe korektita ; enestas frazoj kun gramatikaj eraroj, malĝusta uzo de « sia » missence komprenitaj vortoj, propraj nomoj ne taŭge esperantigitaj, latinaj citaĵoj ne tradukitaj, difektoj, kiujn oni facile forigos en dua eldono.

---

La libreto de M. Ljubin : *La Himno*, estas originale verkita kolekto da ok noveletoj, aŭ skizetoj, pri revolucia tempo en Bulgarujo. Ili priskribas en bona stilo, ironie aŭ poezie, la suferojn de proletaro kaj ĝiaj esperoj.

La tri rakontoj : *La morto de Janulans*, estas traduko el ukraina juna aŭtoro Petro Panĉ, kiu en enkonduko rekonas la valoron de Esperanto por la proletaro. La stilo estas vigla, sed ne plene klara kaj korekta. El la tri historietoj, la dua : La vetkurado, humora renkonto inter kamparano kaj aŭtomobilo, estas vere amuza lerta prozaĵeto, inda lokiĝi en antologio.

Ankaŭ celas konigi ukrainan revolucian literaturon la broŝuro : *Fervojstacio Znamenka* de L. Ĉernov. Malampleksa sed akra pentraĵo, kie ribelo, amo, morto kruele miksiĝas por inkuba impreso.

Tria samlanda aŭtoro, Miroslav Irĉan, estas al ni konigata per traduko : *La morto de Asnar* ; ĝi diras la juĝon kaj ekzekuton de juna Eskimo, perforte forigita el Alasko, kaj kiu venĝis per murdo atencon kontraŭ sia fratino. Terura akuzo kontraŭ blankula koloniado, kontraŭ tiuj kulturuloj kiuj venas al indiĝenoj « kun la kruco en unu mano, en la alia kun botelo da viskio ». Drameca, turmentiga vizio.

*La kaŭzo kaj la devo*, de Arvido Kurmis (Riga) kolektas negravajn tekstetojn pri scienco kaj ekonomio, kun jam konataj ideoj kaj multaj preseraroj.

*Orfeo*, de Janko Todorov (Sofio) traktas pri la konata greka legendo, pri orfeismo, ĝia deveno kaj poezia efiko. Interesa taŭga studo por revuo, sed tro eta por aparta eldono.

Petas amon al niaj subaj fratoj la broŝuro : *La lingvo de la Bestoj*, prelego de Florence Barker dum la Oxforda kongreso. Si prave kritikas ĉasadon aŭ trolaboron por sovaĝaj aŭ domaj bestoj. Pri vivisekcio, akre riproĉata, oni rajtas opinii malsame ol la prelegintino, kaj ankaŭ pensi ke argumentado laŭ tiel diritaj : kalkulantaj ĉevaloj kaj : alfabetaj hundoj, estas dube valora. La kortuŝa pledado finiĝas per : Universala preĝo de la bestoj, kaj propono de : Ĉarto de la bestoj.

Kun titolo : *La manifesto de Jesuo Kristo*, estas eldonata de : The Religious Tract Society, en Londono, la predikado sur la monto laŭ Evangelio de Sankta Mateo. La sama eldonejo presigis serion da kvarpaĝaj religiaj propagandiloj kun koloraj titolpaĝoj.

El la *Biblioteko Nova Kulturo*, la kajeroj 3 kaj 8 de la IIa serio donas du novajn predikojn de la bulgara apostolo P. Danov : La amo, kaj : Farizeo kaj impostisto, ĉiam alte inspirataj kaj bone tradukitaj. Aldonataj estas : Informoj pri la Universala Blanka Frataro kaj unu fabelo.

*Homo, Dio, Profeto*, estas parolado de Lidja Zamenhof, dirita en fakkunveno de Bahaistoj dum 22a kongreso en Oxford, altidea studo pri homa animo kaj rolo de profetoj. La sekvantaj broŝuroj estas esence maldekstrumaj.

*Nia Teatro*, numero 14 de Biblioteko de Sennaciulo, serio literaturo enhavas du unuaktaĵojn : La Lignovermo, diskuto inter laboristoj en meblofabriko, tradukita el germana lingvo, kaj : Versaja Kaptito, imagita epizodo dum la Pariza komuno, tradukita el rusa lingvo. Ambaŭ klasbatalaj teatraĵetoj estas ludeblaj sur scenejoj por propagando kie ankaŭ estos deklamataj la aldonataj revoluciaj poemoj.

La : *Lea Kantaro*, kolekto da proletaj, batalaj, liberpensuloj kaj popolaj kantoj, tria pligrandigita eldono, enhavas la tekstojn bone tradukitajn, ĉefe el germanlingvaj kantoj, kaj laŭ ties melodioj kanteblajn en laboristaj, komunistaj rondoj.

Poemon el Aleksandro Bezimenskij, moderna rusa proleta poeto : *Socialismo*, tradukis N. V. Nekrasov, kiu aldonis taŭgajn antaŭparolon kaj komentaron. La aŭtoro, disĉiplo de Majakovskij, kunigas politikon kaj poezion en moderna versaranĝo ; jen du partetoj :

« *Urboj. Urboj. Grandega skal'*
*Naft'. Elektro. Karbo. Metal'*
*Nek mistero. Nek fanfaron'*
*Fosilego. Motor' Beton'*
*Sarĝogruo. Bloko. Turbin'*
*Kolektivo. Traktor' Maŝin'*
*Ĉiuloke*
*Kvinjara plan'....*
*Kamaradoj !*
*For silenton en van'* »

« *Ĉion, kio*
*aspektis*
*malsaĝe*
*En literoj*
*de l'libroj*
*en mut',*
*Ni konstruas*
*kaj skulptas*
*kuraĝe*
*Ĉiutage*
*en ĉiu*
*minut'.* »

Alia poemo, *Septembro*, de Geo Milev, estas traduko el bulgara lingvo ; ankaŭ teme kaj forme moderna, revolucia, liberema, batalema kanto, kiu parte konsistas el muraj vortoj kolone vicigataj ; poemo laŭ « data » skolo, kiu tamen loke efikas per ripetoj, saltoj, fulmoj. Strangaĵo.

*La Manifesto de la Sennaciistoj* estas kredaro el frakcio de membroj de S.A.T., kiu cetere ne kontraŭas la asocion, sed en ties kadro batalas. La komunista Manifesto de Marks kaj Engels, post apero de Esperanto, postulas alĝustigon al hodiaŭa vidpunkto. Du partoj : Internaciismo, kaj :

Sennaciismo, kaj konkludo : Pozicio de sennaciuloj antaŭ esperanta movado kaj antaŭ laborista movado. El tiu konsiderinda traktaĵo ni ĉerpu tiun frazon :

« Unu el la plej belaj kaj revoluciigaj inventoj de l'homo estas la artefarita lingvo. Esperanto estas mirinda ilo, kiun neniu homo ankoraŭ scipovas plene utiligi. Eĉ la aŭtoro mem ne kapablis apliki ĉiujn ĝiajn latentajn riĉojn. Zamenhof estis pioniro. La ĝenerala aplikado de lia verko havos nekalkuleblajn sekvojn. »

Proksime de Moskvo, en bieno de senpropriigita riĉulo, estas edukataj mil gejunuloj antaŭaj juĝitoj kaj malliberuloj, kiujn el krimeco oni kondukas al civitaneco per laboro, libero, persona respondeco ; tiun aksperimenton priskribas la broŝuro : *Bolŝeva Komuno de O.G.P.U.*

Disvolviĝo de iu kolektiva kampokulturado, lukto inter individua kaj komuna propaĵo entuziasmo por la nova sociordo, jen la temo de : *Kiel firmiĝis kolĥozo: La vojo de Lenin.*

*Moralo religia kaj moralo proleta*, kritikas kaj mokas la burĝan moralon, ne malprave, ĉar ĝi ja havas mankojn kaj kontraŭdirojn ; ĉu ni ne protektas bestojn kaj mortigas homojn, ĉu plejmulto ne laŭdas malriĉon kaj nur celas monprofiton ? Sed aserti, ke okcidentaj popoloj pretigas militon kontraŭ U.S.S.R. estas eraro, kaj la proponita proleta nova etiko estas ja naive pragmatika, ĉar morala estas : « ĉio, kio plifortigas diktaturon de la proletaro, plifaciligas venkon super la kapitalismo en la tuta mondo, plirapidigas kaj plifaciligas la konstruadon de la socialismo. Ĉio, kio kontraŭas tion, ĉio ĉi estas malmorala kaj malaprobinda. »

Unu lasta broŝuro, de Karl Radek, *Kapitalisma sklaveco kaj socialisma laboro*, volas pruvi, ke sklaveca laboro ne ekzistas en U.S.S.R., ke tiuj kiuj tion diras mensogas aŭ ne kapablas kompreni la novan socion, ke deviga laboro, jam anoncita en Komunisma Manifesto de Marks, estas entuziasme akceptata de konsciaj proletoj. Jen la fina frazo de l'traktaĵo :

« En okazo de neceso, ni tion montros al vi tiamaniere, ke unufoje por ĉiam la penso pri subigo de soveta liberigita laboro estos elbatita for el la kapo, se, cetere, ĉe vi restos la kapoj. »

---

Nova ŝlosilo, kiu kredeble ne estos tiom uzata kiel aliaj, sed interesos lingvistojn, estas tiu por Romanĉa aŭ Ladina lingvo, ankoraŭ parolata en duono de svisa kantono Graubünden (Grizono) kaj en Friulo. Tiu : *Clev da l'Esperanto*, pretigita de S-ro Jon Vital-Vital, estas eldonita sub zorgo de l'ICK, kaj prezentas la kutiman enhavon de tiuj utilaj libretoj.

La « *Edinburgh* » *Esperanto poŝvortaro*, Esp-angla kaj Anglo-Espa, atingas 14an eldonon. Komparante ĝin kun la unua, aperinta en 1915, oni konstatas korektigon, pliriĉigon, alprenon de formato kaj litertipo pli agrablaj. Kun aldonoj por geografiaj kaj personaj nomoj, ĝi estas modelo de praktika vortaro.

Saman econ, kaj maloftan malkarecon, posedas la *Vortaro Deutsch-Esperanto*, de D-ro Emil Pfeffer, kies tria eldono represas senŝanĝe la unuan.

Pri la *Kompleta Esperanta* Rimvortaro, dua eldono reviziita kaj kompletigita, diras la aŭtoro, Maur. Jaumotte : « Kompreneble, mi ne esperas, eĉ ne intencas, per la kunmeto de tiu rimvortaro, veki pretajn talentojn. Mi jam kontentiĝos, se nia laboro helpos tiujn, kiuj emas per versoj esprimi kelkajn el siaj sentoj. » Se konsisto kaj aranĝo de tia vortaro povas esti alimaniere konceptataj, ĉi tiu ja povas realigi la modestan esprimitan deziron.

Duan eldonon ankaŭ atingas la taŭga : *Curso elementar de Esperanto*, de Saldanha Carreira kaj Luzo Bemaldo por portugalanoj, kun enkonduko, 12 plenaj lecionoj, ŝlosilo de l'temoj kaj duobla vortareto.

Tre rimarkinda estas eldono en lingvo *Ĉina* de la *Fundamento de Esperanto*, kun ĝiaj tri partoj, gramatiko, ekzercaro, universala vortaro. La tradukon de Li Lok ni tute ne povas juĝi, sed ĝojas, ke, ĉe alia flanko de l'tero, tiu grava verko helpas nian movadon.

La lecionaro por poloj : 500 *slov jezyka Esperanto*, de Fratoj Fethke, jam provita por rapidaj kursoj, estas presata sur apartaj grandaj folioj, aparte disdoneblaj ĉe sinsekvaj lecionoj. Sistemo malkara kaj oportuna, kiu cetere ankaŭ sukcesos plej certe en mano de lerta instruanto.

Nur malfrue ni povas citi la : *Oficialan Jarlibron de la Esperanto-Movado por* 1931. Sed niaj legantoj ja konas tiun necesan informilon, kies enciklopedia parto alportas ĉiujare novajn studojn kaj tabelojn (nunjare, la 4a oficiala aldono al Universala vortaro, inter aliaj) kaj kies dua parto estas la listoj de asocioj, gazetoj, kaj ĉefe, lokoj kaj tieaj delegitoj.

S-ro Jan Zawada presigis ampleksan : *Adreslibron de Polandaj Esperantistoj*, kun 4.000 nomoj, eĉ troveblaj laŭ fakoj kaj laŭ inklinoj. La bela volumo plie enhavas en pola lingvo, praktikan informaron pri Esperanto, kiu faras ĝin efika propagandilo.

La du eldonaĵoj de I.C.K. : *Dudeka Universala Kongreso de Esperanto en Oxford*, kaj : *Oficiala Raportaro por la 23a Kongreso en Krakow*, detale montras, per la raportoj de U.E.A., kaj de I.C.K., la agadon de ambaŭ en ĉiuj landoj, en ĉiuj fakoj. Ankaŭ koncize estas dirata pri laboro de L.K. Tiuj dokumentoj, necesaj por la historio de nia movado, por la partoprenantoj al kongresoj, ankaŭ pruvas sendiskute al dubemuloj, se ili ja konsentus tralegi ilin, kiom forta estas nia movado, kiom de klopodoj, pacienco, persisto, senlaca laboro reprezentas la agado de ĝiaj direktantoj kaj helpantoj.

Jen kelkaj nacilingvaj propagandiloj : *L'Esperanto dans le Commerce*, franclingva parolado de S-ro André Baudet ĉe kunvene de Prezidantoj de Komercaj Ĉambroj ; *Inleiding tot Esperanto*, flandra traduko de la lasta broŝuro de S-ro Rollet de l'Isle ; *Deutscher Esperanto-Bund, Ein Rückblick auf* 25 *Jahre*, kies titolo diras la lingvon kaj enhavon ; *Esperanto, En zijn verbreiding*, en holanda lingvo, de Liem Tjong Hie, detala informaro aperinta en Semarang, Java ; *Esperanto, poolt ja vastu* (por kaj kontraŭ) propaganda dialogo en estona lingvo, se mi ne eraras ; *Magyar Eszperanto Evkonyv*, almanako, dua jaro, kun deklaroj pri nia lingvo de konataj kleruloj aŭ fakuloj en Hungarujo ; *Ateistoj kaj internacia kunligo per Esperanto*, en rusa lingvo, kaj en la sama, *Lingvoscienco kaj lingvo internacia*, ampleksa lingvistika studo de E. Spiridoviĉ.

Fine ni menciu : *Raporto de la Aerologia Observatorio de Tateno, N° 5*, kiu montras daŭran sisteman sciencan uzon de Esperanto en Japanujo, kvankam tiu kajero enhavas preskaŭ nur cifertabelojn, rezultatoj de meteorologiaj observadoj ; propagandilo por *Mnemonika Instituto* en Vilno ; gvidlibro de *Lazne Belohrad*, en Ĉeĥoslovakio ; nova prospekto por *Lyon'a Internacia Foiro* ; nova eldono de *Katalogo de Centra Esperanta Librejo* en s'Gravenhage ; kaj 12 belaj *poŝtkartoj*, kun delikatkoloraj bildoj de kasteloj, laŭ originalaj akvareloj de artisto A. J. Alex, kaj eldonitaj de *Ministerio por Fervojoj en Ĉehoslovaka Respubliko*.

15 Decembro 1931. G. S.

# Socio kaj lingvo

## Esenco kaj estonto de la Esperanto-movado

### Integrada analizo

*De Günther kaj Werner Simon.*

La klarigo pri l'esenco de ŝtato estas malnova problemo de ĉiu ŝtatteorio. Ĉu ŝtato nur estas arego de unuopaj homoj, el kiuj ĝi konsistas kaj kiuj estas kunigitaj en fiktiva personego aŭ propra formitaĵo, ekzistanta ekster la homoj? Jam Hobbes konceptas la ŝtaton kiel Leviathan'on, mistikan transpersonan estaĵon, kiu tiel regas la unuopon, e ĝi eĉ ordonas kaj malpermesas pensojn. La *nova* ŝtatteorio ne volis akcepti la ideon pri tia transpersonego kaj disigis la ŝtatperceptaĵon en unuopajn regnanojn formantaj fiktivan personon, la ŝtaton.

En la lastaj jaroj la ŝtatteorio riĉiĝis per nova percepto, kiun Rudolph Smend montris en sia libro « *Konstitucio kaj konstitucia juro* » [1]. Li klarigas la esencon de l' ŝtato pere de la ideo « *integrado* ». En sciencaj rondoj estiĝis disputo pri la sistema valoro de tiu ĉi ideo. Ni ne bezonas decidi, ĉu per tiu ideo efektive estas klarigita la problemo, sed sufiĉas al ni la praktika taŭgebleco, kiu rilate al certaj procedoj, precipe al la vivado de la ŝtato, estas koncesiita flanke de sciencistoj.

La problemoj de la ŝtato samtempe estas ankaŭ tiuj de la socio, kaj tial la Smend'a teorio pri integrado estas taŭga por lumigi la idean vivon de la Esperanto-socio kaj la estontan evoluon de la movado.

Certe ne konformiĝus al la intenco de tiu ĉi teoriulo, se ni provas fiksi la ideon de integrado kaj antaŭenmeti difinon, kiu ne povas montri ĝian tutan esencon. Ni nur vidas, ke la integrado estas la procedo, kiu kreas en la unuopoj la transpersonecon, kaj ke la iloj, kiujn ni laŭ Smend dispartigas en tri tipojn, formas tiun ĉi procedon. La procedo mem, estas nur ekkonebla, ne analizebla. Tio estas, ke la efikoj de la integrado nur povas esti analizataj, sed ne la kaŭzoj.

Ĉiu efektiva integrada procedo bazas sur multaj kaŭzoj; sed oni povas konstati tri ĉefgrupojn, nome integradon per personoj, funkcioj kaj objektoj.

Tiuj ĉi tipoj vere nur estas variaĵoj de la sama elemento « *agado* ». Integrado per personoj okazas, se viro tiel agas, ke li ankaŭ aliajn entuziasmigas al agado. Per tiu ĉi agado laŭ la sama modelo naskiĝas socio. La plej bona ekzemplo por tia procedo estas la diktatora gvidanto, kiu per sia personeco, per sia personaj virtoj kaj agoj integras la homojn al socio aŭ eĉ al ŝtato.

Per objektoj — Smend ankaŭ perceptas ideojn kaj simbolojn kiel objektojn — naskiĝas similmaniere socio aŭ ŝtato. Oni nur pensu pri la fondiĝo de la postmilitaj ŝtatoj, kiuj per la ideo « naciismo » sin integris el socioj al ŝtatoj.

La integrado per funkcioj estas pli konservanta ol kreanta faktoro. Per la agoj de organoj (funkcioj) la amaso ricevas la konscion pri si mem. Ekzemple en la popolkunveno aŭ en la parlamento oni sentas socian aŭ ŝtatan komunecon.

Entute la integrado estas intuicie ekkonenda, sed ne analizebla procedo, kiu en la individuoj per agado kreas la socian senton — kaj tiel ankaŭ la socion aŭ ŝtatan komunecon.

[1] Rudolf Smend: Verfassung und Verfassungsrecht. 1928.

Post kiam ni klarigis la teorion de tiu ĉi nova sistemo, ni povas ĝin apliki praktike por ekkoni la esencon de la Esperanto-movado kaj tiel pripensi la estontan evoluon de Esperanto. Ankaŭ klariĝos, kiamaniere ni devas estonte labori, por realigi la esencon de Esperanto kaj tiel atingi la venkon de nia ideo.

Ne estas eble, precize diferencigi en la Esperanto-socio, same kiel en aliaj socioj, la fondantajn kaj la konservantajn faktorojn. La fondantaj kaŭzoj konservas kaj la konservantaj kreas la movadon. Ni ankaŭ ne konas ĉiujn kaŭzojn de la integrado, kiuj konkretigas la Esperanto-movadon; inter aliaj ni nur volas rememorigi pri la gvidanto Zamenhof, la simbolo de la verda stelo, la brilo de la granda helplingva ideo, la entuziasmo de la ideanoj, la organizo.

Kompreneble la ĉefa kreanta kaj konservanta faktoro estas la helplingva ideo. Ĝia senco estas, ke ne la kruda potenco, sed la paca konvinko devas konduki la homaron al harmonio. Sed la helplingvo nur konkretiĝas per parolo, kaj tiel evidentiĝas, ke parolo (ankaŭ nur agado) estas la integrada esenco de la movado. La unuopaj anoj estas integrataj al socio per la lingvo kaj nur per ĝi povas vivi kaj vivas Esperanto. Tiu ĉi integrad-esenco do devas esti realigata en nia organizo kaj tiuj linioj provas montri la vojon.

Du vojoj ekzistas por konkretigi tiun ĉi rezulton. Unuflanke nia lingvo estas bezonata por la internaciaj komerc-rilatoj; aliflanke oni povas krei okazojn de internacia lingvo-interŝanĝo kiu bazas sur ideoj; ni nur pensu pri la klopodoj por solvi internaciajn problemojn aŭ por konatigi certajn sciencajn rezultojn al la tutmondo, precipe al anoj de aliaj nacioj. Naturaj konkretigaj eblecoj estas mondkomerco kaj mondtrafiko. Sed la statistiko montras, ke tiuj ĉi eblecoj ankoraŭ estas malgrandaj, kaj tio ankaŭ ne ŝanĝiĝos dum videbla tempo. Tial ĝis plue, pli forta evoluo de la E.-movado ne estas ebla, ĉar oni facile povas konvinkiĝi, ke natura devigo realigos multe pli facile ideon, ol nur etikaj postuloj. Se oni konsentas al tiu ĉi rezulto, oni ankaŭ povas prijuĝi la estonton de la E.-movado kaj pripensi la ĝian necesan organizon.

Eĉ sen fundaj statistikoj oni povas konstati, ke la mondtrafiko ne estas sufiĉa konkretigilo por helplingvo, se oni pripensas, ke ĝi estas speco de « *ŝlosilindustrio* » [1]; t.e., ke tiu ĉi industrio bezonas relative malmultajn homojn por krei grandajn fondojn. Efektive komerco ja ne kreas fondojn; sed oni povas konstati, ke ĝi kvazaŭe produktas, disponigante la krudmaterialojn al la hejma industrio. Sed la statistiko ne taŭgas por ekscii la nombron de la homoj okupataj en mondkomerco. Certe ekzistas nombroj pri spezo, certe oni ankaŭ povas konstati, kiom da homoj estas okupataj en komerco kaj trafiko. Sed tiuj ĉi nombroj ne estas gravaj por nia analizo, ĉar ne por ĉiuj dungitoj kaj laboristoj, kiuj apartenas al firmoj komercantaj kun eksterlando, estas necese uzi helplingvon. Ankaŭ la grandan amason de tiuj ĉi homoj, kiuj nur okaze renkontas eksterlandanojn, ni devas analizante forigi, ĉar ili ne devige bezonas helplingvon; sed tio ja necesas por nia analizo.

Certe por malgrandaj firmoj estus faciligo, se ili povas uzi helplingvon. Sed neniam ekzistas tia devigo. Ĉar por okazaj rilatoj kun eksterlando oni ĉiam havigos al si pli komfortan rimedon ol helplingvon. Ĝi nur estas lukso, kiu ja estas agrabla, sed ne neceso. Kompreneble nur necesa uzo povas krei devigon, konkretigi la ideon de internacia helplingvo. Ankaŭ la pripenso laŭ la integradteorio konstatos la samon. Ĉar mankas ofta uzo, tia helplingvo ne povas fariĝi forte vivanta.

[1] Ŝlosilindustrio, metafora esprimo por indiki industriojn kiuj Formas la bazon de aliaj industrioj, kiel ekzemple karbo, fero, petrolo, kvazaŭ, « ŝlosilo ». Angle: Key industry aŭ pivotal industry, germane: Schlüsselindustrie.

Tiu ĉi pripenso montras, ke oni devas malaprobi la ofte propagandadan devigan enkondukon de Esperanto en lernejoj. La esenco de la helplingvo estas, kiel ni jam klarigis, la internacia lingva interŝanĝo. Se nun ĉiuj homoj lernis Esperanton, tamen la ideo de helplingvo ne konkretiĝas, ĉar ankoraŭ mankas la internacia lingva interŝanĝebleco. Ĉar la ideo ne povas esti praktike aplikata, oni ankaŭ per deviga enkonduko ne kreas konkretiĝeblecon. Plue Esperanto ne povas funkcii kiel ilo — supre ni jam monstris, ke Esperanto estas ilo por parolado inter fremdlingvanoj — kaj tiel la helplingva ideo ne plenumas sian sencon. Tia venko estus venko de Pirho.

Esperanto nun vivas per la idealismo de sia anaro, sed ĝi ne estas tiom forta, ke ĝi konkeru la mondon. La kaŭzo estas, ke mankas le necesa devigo.

Per nunaj statistikaj klarigoj estu montrata la ĝenerala tendenco de la trafiko kaj komerco tutmonda. Se ni nur uzas la nombrojn, kiuj rilatas Germanujon, tio ne estas malaprobinda, ĉar ni nur bezonas mezon. Oni prikalkulis, ke la komerco kaj trafiko estas 20 % de la tuta spezo de iu popolo — Germanujo ekzemple atingas tiun ĉi procentaĵon. Ankaŭ la nombrojn citatajn de la dungitoj en la jaroj 1925-1927, oni povas uzi malgraŭ la ekonomia situacio de Germanujo. Ili ankaŭ proksimiĝas al la meznombro. La fina kaŭzo, ke ni preferas la germanajn ciferojn, estas, ke aliaj precizaj statistikoj ne estis riceveblaj.

Pripensante la rilaton de la eksterlanda al la enlanda komerco, ni trovas kiel plej grandan nombron tiun, kiun Colquhun en 1810 prikalkulis rilate al Anglujo. Dum la tempo de la plej granda angla potenco, dum la angla superregado sur la maro, la tuta enspezaro de Anglujo estis taksita je proks. £ 431.000.000.—. Sed per la ekstera komerco kaj marveturado estis gajnita nur £ 46.000.000.—; do tiu ĉi sumo estas proks. 10 % de la tuta enspezaro. Rilate al Germanujo ni nur povas citi la nombrojn de la spezo, sed kompreneble la spezo ja estas multe pli granda ol tuta profito.

| | | |
|---|---|---|
| Germanujo 1927 : | Tuta Spezo: | 134.000.000.000 M. |
| | Importo : | 15.000.000.000 M. |
| | Eksporto : | 12.000.000.000 M. |
| Spezo de eksterlanda komerco: | | 27.000.000.000 M. |

Se Colquhun ne eraris, ni almenaŭ devas konstati, ke la procentaĵo multe ŝanĝiĝis. En la tuta mondo oni verŝajne ne povas taksi hodiaŭ la procentaĵon multe pli granda ol 2 %.

Jam tiuj ĉi nombroj montras, ke la amplekso de la komerco kun eksterlando ne estas tre granda. Tial oni ne miru pri la nun sekvontaj nombroj rilate al la okupo de homoj en tiu ĉi metio, precipe se oni pripensas, ke temas pri ŝlosilindustrio.

En jaro 1927 okupas mezaj kaj grandaj komercfirmoj de Germanujo :

258.928 laboristojn
688.924 oficistojn

947.852 (inter ili 41.927 metilernantoj).

Laŭ germana komputado de 1925 komercas konstante kun eksterlando 2.417 firmoj, kiuj okupis entute 19.123 personojn.

Tiujn ĉi nombrojn oni certe povas plimalgrandigi, ĉar ne ĉiuj dungitoj, laborantaj en im- aŭ eksportfirmoj efektive interrilatas kun eksterlando. Sed oni povas ankaŭ pligrandigi la nombron, ĉar multaj grandaj komerc- kaj industrifirmoj aŭ la bankoj ankaŭ komercas kun eksterlando. Tamen oni akcentu, ke tiuj ĉi firmoj nur okaze komercas kun fremdaj landoj; ilia ĉefa fako ja nur estas la enlanda komerco.

Do entute ni povas konstati, ke la nombro de la homoj, konstante interrilatantaj kun eksterlando estas inter 1 - 5 %.

Oni povus pensi, ke la trafiko nepre bezonas helplingvon. Sed la plej grandaj trafikmetioj, la poŝto kaj la fervojo, internacie tre gravaj, estas limigataj al ŝtataj teritorioj. Tial iliaj oficistoj havas kelkfoje okazon paroli kun eksterlandano, sed neniam ekzistas nepra neceso pro tio lerni helplingvon.

Vere internaciaj trafikmetioj estas ŝip- kaj aerveturado. Sed la nombro de iliaj dungitoj nur estas malgranda; la germana ŝipveturado okupas 42.522, la aertrafiko 1.227 homojn; kaj estas kompreneble, ke ne ĉiuj dungitoj interrilatas kun eksterlando.

Samtempe oni konsentos, ke la turisma trafiko treege povas esti helpata per apliko de Esperanto. Sed efektive la unuopa turisto nur vojaĝas unu- aŭ dufoje dum jaro, ofte nur dum kelkaj jaroj. Por li vojaĝo estas speciala okazintaĵo. La kono de Esperanto helpus al li, sed li certe ne eklernos la lingvon por tiu unuopa okazo. Por la oficistoj de vojaĝoficejoj efektive estas ofte necese paroli kun fremdlandanoj. Sed ilia nombro nur estas tre malgranda; se ili eĉ lernus nian lingvon, ili ne konkretigas nian ideon.

Interesaj estas ankaŭ la statistikaj nombroj de la poŝto, kiuj ankaŭ montras, ke la internaciaj rilatoj ne estas tiel grandaj, kiel oni ofte supozas. Ekzemple en la jaro 1924 oni kalkulis en Germanujo 3.938.000.000 enlandajn poŝtaĵojn, sed el eksterlando nur venis 191.000.000 poŝtaĵojn, kaj en eksterlanden estis senditaj nur 257.000.000 poŝtaĵoj (inter ili 128.000.000 presaĵoj, gazetoj kaj pakaĵoj). En la lastaj jaroj la amplekso de enlandaj poŝtaĵoj tre plimultiĝis, dum ke la nombro de la eksterlandaj poŝtaĵoj restis proksimme la sama. Similaj estas la rilatoj en la aliaĵ eŭropaj landoj. Tiuj ĉi nombroj eĉ malgrandiĝas, se oni pripensas, ke granda procentaĵo de la eksterlandaj poŝtaĵoj venas el la regionoj, kiuj estas lingve kaj ekonomie ligitaj al la lando de la ricevantoj.

Plej bone tion pruvas la statistiko, kiu montras. kiamaniere la eksteraj poŝtaĵoj de la grandaj eŭropaj nacioj en la jaro 1922 estis distribuataj en la 5 kontinentojn:

| | Eŭropo | Ameriko | Azio | Afriko | Aŭstralio |
|---|---|---|---|---|---|
| Germanujo | 82,2 | 14,0 | 2,5 | 1,0 | 0,3 |
| Francujo | 57,6 | 17,4 | 2,5 | 21,6 | 0,9 |
| Anglujo | 49,2 | 24,1 | 11,0 | 8,8 | 6,9 |

Germanujo sen kolonioj, plejparte skribas al Eŭropo; Anglujo, kies kolonioj kaj posedaĵoj estas ĉie, do grandparte skribas al la aliaj kontinentoj. Precipe evidentiĝas la praveco de nia teorio, se ni ekzamenas la francajn kaj ĉeĥoslovakajn nombrojn. Francujo, kies kolonioj grandparte situas en Afriko, do ankaŭ plej multe skribas al Afriko. Jenaj estas la ĉeĥoslovakaj nombroj:

Eŭropo 92,0, Ameriko 7,3, Azio 0,4, Afriko 0,2, Aŭstralio 0,1 %. Oni preskaŭ povas diri, ke la ĈSR nur korespondas kun samnacianoj loĝantaj en aliaj landoj.

Tiuj ĉi nombroj evidente montras, ke devigo ĝis hodiaŭ ne ekzistas enkonduki helpingvon. Tio ankorau pli klare estas ekkonebla, se oni vidas, ke la komerco inter la kvar grandaj komercpopoloj de la tero konstante malgrandiĝas; tiu ĉi kvar landoj estas Usono, Anglujo, Francujo kaj Germanujo. Lingve ne interesas la rilatoj inter Anglujo kaj Usono, ĉar ambaŭ interkompreniĝas per sama lingvo.

La milito devigis la popolojn perfektigi siajn industriojn kiel eble plej multe. Precipe oni evoluis la produktadon de finfabrikaĵoj. Tial la industrioj de la grandaj 4 popoloj eksimiliĝis. Post la paciĝo oni ne povis malgrandigi la industriojn, sed oni

nur povis protekti ilin per doganmuroj. La ĝenerala, per la inflacio kaŭzita disvendo en preskaŭ ĉiuj landoj, plifortigis la fin.fabrikadon. Tiu ĉi evoluo ankaŭ klarigas la plialtiĝon de la procentaĵo de finfabrikaĵoj por la eksporto, kiel montras la statistiko. La importo de unu lando al la tri aliaj same malgrandiĝis. Tiu ĉi malfaciligo de la eksterlanda komerco kaŭzis malgrandiĝon de la internacia rilataro. La ekonomia krizo tutmonda havas certe la saman kaŭzon.

Se mankas intensa eksterlanda komerco inter la grandaj nacioj, la malgrandaj popoloj estas kaptataj de ĝi, ĉar entute la amplekso de la eksterlanda komerco ne multe ŝanĝiĝis. Kompreneble la grandaj nacioj ne nur superfluegas la malgrandajn popolojn per siaj fabrikaĵoj, sed ankaŭ per sia kulturo. La nunaj disvendregionoj plejparte estas kulture parencaj landoj; aŭ ili estas tiel politike dependaj, ke ili devas akcepti ne nur la fremdajn varojn, sed ankaŭ kulturon, precipe la lingvon. Tio ankaŭ montriĝas en la angla disvendregiono, kiu preskaŭ fariĝis dulingva.

Entute oni povas diri, ke natura konkretiĝebleco por helplingvo ne ekzistas kaj ankaŭ tia tendenco ne estas videbla. Male la grandaj nacioj nur klopodas krei disvendregionojn, en kiuj ilia nacia lingvo anstataŭas la helplingvon. La vekiĝanta naciismo ĉefe ŝajnas esti reakcio kontraŭ la imperialisma tendenco; oni nur atentu pri la kaŭzoj de la hinda, egipta kaj araba liberecmovadoj kiuj argumentas per la mizero de la popolo kaj nur duavice per naciaj aŭ etikaj ideoj. La plej bona pruvo estas letero de Gandhi al la vicreĝo antaŭ lia marŝo al la maro, en kiu li ĉefe citas la home maldignan staton de hindoj kaj la ekspluatadon per la angloj; sed li ne akcentas la danĝeron de falsado de la hinda kulturo per la eŭropa.

Certe tiuj ĉi popoloj emas akcepti internacian helplingvon, sed nur por konfesi, ke ili ne volas submetiĝi al eŭropaj interesoj. Ne ili rifuzas-kaj tio estus decida- per la argumento ke la nacia fiero ne permesas uzi fremdan nacian lingvon.

Resume: Per la malgranda nombro de la partoprenantoj de la mondkomerco kaj trafiko kaj per la tendenco de la malkreskanta interligo de la ĉefaj komercpopoloj mankas la natura konkretiĝebleco de helplingvo, t.e. la devigo de ĝia enkonduko.

Tiuj ĉi pensoj absolute ne volas montri, ke la Esperantomovado ne havas valoron, sed preskaŭ malo rezultas. Oni nur ne miru, ke la movado estas relative malgranda kaj ankaŭ rilate al aliaj internaciaj movadoj nur malrapide kreskas. Kiel ni jam montris en pasinta artikolo (Esperanto 1929, n-ro 10), oni ne povas dubi pri la etika valoro de nia movado. Ĝi estas la plej bona rimedo por krei justan harmonion interpopolan.

Sed ni devas atenti, ke ni el tiuj pensoj, se ili estas ĝustaj, deduktu bonajn konkludojn rilate al nia estonta agado. Ĉar mankas al la movado naturaj konkretiĝeblecoj — la estantaj certe plej parte estas elĉerpitaj —, ĝi devas krei artajn. Do, ĝi ne nur sin okupu pri la lingvo kaj ĝia disvastigo, sed la tasko de la supernacia organizo estu doni al la movado firman bazon per kreado de artaj konkretiĝeblecoj. Tio verŝajne plej bone estos ebla, se la fakgrupoj, kiuj jam ekzistas aŭ fondiĝos, fariĝu centroj de spirita agado. Sed ili tiam kontraŭstarus la nacian principon de la naciaj asocioj kaj tial ili devas esti kunigotaj internacie en kontakto kun UEA. Ili devas fariĝi ĝermĉeloj, kiuj kreas la artajn konkretiĝeblecojn. Certe tiu ĉi evoluo enhavas danĝerojn, ĉar povas okazi novaj apartiĝoj simile al SAT. Kontraŭ tio ĉiam helpos, se oni akcentas, ke Esperanto nur estas rimedo. Tiel ankaŭ estas montrata, ke Esperanto, ĉar ĝi nur estas rimedo, ne povas esti celo por si mem ; ideo, kiu dum varbado por nia lingvo ofte ne estas atentata.

Eble estus bone konscie komenci la fondon de Esperantoĉeloj en la multaj neŭtralaj fakasocioj, kiuj ekzistas en ĉiuj landoj kaj prilaboras diversajn kampojn. Duoble estu ilia agado: propagandi nian lingvon kaj prepari la fondon de fakgrupoj, kie ili ankoraŭ ne ekzistas.

Fine nia organizo devas regule inviti al fakkongresoj, kiuj devus esti gravaj por la interesitaj rondoj. Sed ne sufiĉas, ke Esperanto nur estas traduklingvo dum la kongreso, sed la fakgrupoj devas klopodi, ke ĝi fariĝu kongreslingvo. Ili mem minimume devas esti la centro de la kongreso.

Eble hodiaŭ ne ĉio estos plenumebla, sed ni nepre devas komenci pliforte akcenti la gravecon de fak-grupoj. Oni nur devas ekkoni, ke la esenco de la movado estas internacia lingvointerŝanĝo kaj oni tuj komprenos, ke mankas al la plej multaj grupoj temoj, pri kiuj oni povas interparoli kun eksterlandanoj. Nur poetoj aŭ lingvistoj povas paroli nur por paroli. Alie la fakgrupoj povas prilabori siajn temojn, lernante kaj instruante en kontakto kun la saminteresitaj alilandanoj.

Per integrada analizo ni povus ankaŭ ekzameni la specialajn organizajn kaj konstituciajn problemojn de la Esperantomovado; sed tio tro ŝarĝus nian artikolon.

Ni nur volis pritrakti la novajn aperaĵojn en la Esperantomovado kaj ekzameni ilian sencon kaj gravecon. Ni kredas, ke ni ankaŭ klarigis, ke tiuj aperaĵoj (la komerca kaj trafika konferenco en Frankfurt am Main kaj la kontraktoj inter UEA kaj kelkaj fakasocioj) estas la komenco, per kies helpo estos eble sukcesplene evolui nian movadon. Estus dankinda tasko por ĉiuj, kiuj aprobas niajn instigojn fari praktikajn proponojn por ilia disvolvo.

---

## Per okuloj de l'infano

Charles Baudouin.

*Supreniris mi la monton*
*Kun la mia infaneto.*
*Sin allasis tutkonfide*
*En mia mano la maneto.*

*Dum oferis mi la forton*
*De la mano al l'etulo,*
*Ĝi senvole al mi donis*
*La novecon de l'okulo.*

*Kaj de tiam mi ekvidis*
*Per okuloj de l'infan'?*
*La somer matenan monton*
*Kiel en orluma ban'.*

*Kiam supren ni alvenis*
*Tie herbobedo flora*
*Sub irado nia kreskis*
*Laŭ miraklo bonodora.*

*Kurflirtis inter papilioj*
*La infano sur florsteloj*
*Kolorpeceto inter miloj,*
*Anĝelo inter mil anĝeloj.*

*Mi vidis per infanokuloj.*
*Malaperis mondo griza.*
*Senfine floris ĉirkaŭ mi*
*Tiu bedo paradiza.*

# Tra la Mondo Esperantista

## Andreo Ĉe en Ĝenevo



Andreo Cseh

Post sukcesaj kursoj en ĉiuj nordaj landoj de Eŭropo, S-ro Andre Ĉe fine venis Svislandon kaj alportis al Ĝenevo sian talenton kaj sperton. Malfacila urbo, kie internacia vivo jam devigas lerni francan, anglan kaj germanan lingvojn por labori. Kritikema centro, kie malnovaj pioniroj multon vidinte, multon gvidinte, rigardas ĉion kun okulo esplorema.

Okcent homoj plenigis la tro malgrandan ĉambregon por bonvenigi la instruan apostolon. Kvindek sekvis poste la kurson kaj ĉiuvespere admiris la plezurigan kaj sukcesan metodon en la instruejo de la Internacia Pedagogia Lernejo.

Jam ĉe la publika bonvena vespero, la unua demonstracia leciono tre plaĉis al la publiko. Estis mirinde, vidi tiun grandan amason da skeptikaj ĝenevanoj respondi ĥore al demandoj de S-ro Ĉe kaj ripeti laŭte la simplajn frazojn en Esperanto.

Sendube multon atingas kaj efikas la persona talento de la instruanto, kiu kapablas gvidi amasojn kun simila povo kiel koncerta ĥorestro. Sed estus eraro sin teni sole al tiu konstato.

Ke S-ro Ĉe scias instrui kaj konvinki, tion ni ĉiuj jam de longe spertis, kiuj konas lin kaj vidis lin depost la ĝeneva Instruista konferenco en 1922. Sed kio iun aparte interesis, tio estis ĝuste la demando, ĉu la metodo sukcesas nur pro lia talento aŭ ĉu aliaj personoj povas ankaŭ ĝin apliki.

Ekzistas jam pluraj homoj kiuj uzas ĝin en diversaj landoj. Preskaŭ ducent instruistojn li formis. Memkompreneble ne ĉiuj posedas lian sperton kaj psikologian kapablon. Sed konsiderinda parto de lia metodo kuŝas ne en personaj kvalitoj, sed en teknikaj eltrovaĵoj, imiteblaj, heredeblaj, uzeblaj kaj certe rimarkindaj kiel frukto de serioza pripensado.

Oni foje parolas pri Berlitz kompare kun Ĉe. Liaj teknikaĵoj pensigas pli ĝuste pri tiuj de Froebel aŭ de Sinjorino Montessori. Vidu kiel li komprenigas kaj lernigas adjektivojn per pecoj da papero verda, blua, ruĝa, longa, mallonga, granda, malgranda k.t.p.

Samtempe la prefikso *mal* baldaŭ eniĝas en cerbojn. Simile liaj kaŭĉukaj blovbestoj lernigas la substantivojn. Kiel uzi tiujn amuzajn helpilojn, en kia ordo, kun kiaj oportunaj tipfrazoj, tion povas ankaŭ aliaj homoj lerni kaj poste kapabli. Eĉ se ili ne faros ĝin brile kiel la eltrovinto, tamen iliaj kursoj estos multe pli bonaj kaj sukcesaj dank' al tio ol sen tio. Tiu parto de la tekniko, kiu estas transdonebla kaj disvastigebla estas pozitiva gajno por ĉiuj.

Ankaŭ estas interesa la konstato, ke por Esperanto taŭgas tia metodo multe pli efike ol por alia lingvo malpli regula. Prefiksoj kaj sufiksoj, rilatoj inter *Kia* kaj adjektivoj, *kio* kaj substantivoj, eĉ uzo de akuzativo por direkto ebligas veran ludon de senesceptaj ekzemploj kiuj frapas aŭdantaron pro la reguleco ĉiama.

Laŭ tekniko ni devas do gratuli kaj danki al homo, kiu sciis multon observi kaj pripensi, eĉ ne parolante pri lia granda klariga talento.

Gesinjoroj Isbrücker helpis lin fondi Instituton. La urbo Arnhem disponigis palacon kun parko. Tie prepariĝas de nun brava aro da instruantoj interŝanĝeblaj de




Bildo de l'varbilo por la Cseh-kurso en Genevo

lando al lando kun utila efiko al elparola unueco. Ankaŭ tio estas granda gajno.

Fine tiu nova fervoro kreas freŝajn adeptojn, entuziasmigas malnovajn, rejunigas la movadon en multaj lokoj, vendigas eldonaĵojn, abonigas gazetojn, unuvorte fluigas vivan sangon tra l'Esperantistaro.

Estas kaŭzo por ĝoji kaj subteni la klopodon de S-ro Ĉe kaj la organizan penadon de Sinjorino Isbrűcker kun dankemo al ili. Tia laboro estas plenumo de unu el niaj plej karaj revoj.

Ne taŭgas esti ĵaluza, sed profunde kontenta kaj esperema por nia kara afero.

Edmond PRIVAT.

Detaloj pri la kurso.

Organizis ĝin la grupo « La Stelo » kun helpo de l'Centra Oficejo de UEA. Disdoniĝis 20.000 bele presitaj varbiloj. Ekspozicio en montro-fenestro de l'plej luksa magazeno en ĉefa strato (firmo Brachard) kun eldonaĵoj de firmoj Hirt, Ellersick, Centra Librejo, Heroldo de Esperanto, BEA k.t.p. Partoprenis la kurson 58 personoj. Inter ili krom svisoj kaj francoj estis : Armenino, jugoslavoj, islandano, germanoj, italoj, hungaroj, svedo, rusoj, nederlandano. Pruvo de l' kosmopolita karaktero de l'urbo. Sindone laboregis kaj kuradis S-roj Borsa kaj Bouvier, helpitaj de l'Stelanoj kaj de anoj de l'Laborista grupo. Al ĉiuj koran dankon !

Patronis la kurson la estro de l'Instrua Departemento S-ro Paul Lachenal, plie S-ro Charles Bűrklin, prezidanto de l'Granda Konsilantaro kaj S-ro Van Notten, nederlanda konsulo. Dum la provleciono brile tradukis S-ro Ernest Hediger, funkciulo de l'Internacia Labora Oficejo.

## Cseh-Kursoj

Saksujo (Okt.-Dec. 1931-a). Instruis Ge-sroj Morariu.

| | Plenkreskuloj : | Infanoj : |
|---|---|---|
| Chemnitz | 102 | — |
| Dresden | 48 | — |
| Freiberg | 78 | — |
| Grossenhain | 38 | 52 |
| Oederan | 30 | — |
| Radeberg | 35 | 55 |
| Radebeul | 46 | 26 |
| | 377 | 133 |

En Reichenbach komencis kurso kun 21 personoj post provleciono de S-ro Morariu ; gvidanto S-ro Falke, Neumark.

Svislando (Oktobro-Dec. 31).

| | | | |
|---|---|---|---|
| En Bern | finis la kurson | 101 | personojn |
| » Solothurn | » » | 68 | » |
| » Zűrich | » » | 94 | » |
| » Sankt Gallen | » » | 102 | » |
| » Genève | » » | 58 | » |

Sume S-ro Andreo Cseh instruis 423 personojn






# Internacia Polica Ligo

### Oficiala Informilo

Komisiita de la ligestraro mi prezentas tutkorajn salutojn kaj gratulojn al nia liganaro okaze de la nuna jarŝanĝo. Same ni ne hezitas tutkore danki al ĉiuj de niaj anoj, kiuj restas fidelaj kaj oferemaj al nia ligo ankaŭ en la nova jaro, tiel helpante fortigi nin en nia komuna laboro.

Specialan dankon ni direktas al nia samfakulo sinjoro Spruŝanski el Komarno, tiu estis tiel afabla kaj oferema viziti la lastan kongreson en Krakovo kaj tie aplaŭdinde reprezenti nian ligon. Ligcele li eĉ aŭdiencis ĉe la ĉefo de la tiea polico kaj konferencis kun tieaj policistoj.

Plenkore estu nia danko kaj estimo al li !

Plue ni havas la devon kaj honoron tutkore danki ankaŭ nian samfakulon sinjoron Schwartz polic-inspektoro en Strasbourg, kiu, ankoraŭ ne ligano, en la Revue « La Tribune Esperantiste » lastseptembre publikigis artikolon pri « Internacia Polico kaj Lingva Problemo ». Tutkore ni konsentas pri liaj konsideroj, ke solvo kompleta nur povas esti garantiita per uzado de nia helplingvo Esperanto.

Pro tio, vivu nia ligo kaj lingvo ankaŭ en la nova jaro spite de ĉiuj ekonomiaj malfacilaĵoj ! Nur celkonscia laboro permesas atingi la fincelon !

Sindonan dankon ankaŭ al nia ŝatata liga direktoro, sinjoro Teuchner kiu ne laciĝis antaŭenpuŝi nian ligon ĝis nun, ankaŭ en tempo, plene da krizoj kaj malfacilaĵoj.

A. POHLE,
Liga Redaktoro.

Sinjoro van der Auwera, policisto en Antwerpen, Meetingstraat 23, raportas pri la movado inter la policanaro de sia urbo :

En Antwerpen ekzistas sufiĉe forta esp. grupo inter la policanaro, kiu fondiĝis en la jaro 1911, kiam okazis la 7-a Esperantista kongreso. La anoj de ĉi tiu policista grupo postlasis la plej bonajn impresojn al la fremdlandaj kongresvizitintoj. Dum la milito la grupo tiel grade malgrandiĝis, ke ĝi baldaŭ tute ĉesiĝis. Ĝi renaskiĝis en la jaro 1925 kaj sukcesis en la jaro 1926 jam enregistri 60 membrojn. La intereso por la lingvo pliiĝis inter la policanaro tiel, ke la vizitintoj de la 20-a Esperantista Kongreso trovis aron de helpemaj policistoj en nia urbo. Parto el la kongresvizitintoj post la kongreso eĉ dankis letere al la urbestro pri la servoj plenumitaj per la esp. policistoj.

Dum ĉi tiu kongreso la policista grupo inaŭguris silkan grupan standardon, kiu regule partoprenas, kiam la polica faksocieto faras musikpromenojn tra la urbo.

La grupo estas subgrupo de la polica faksocieto, kiu permesas al ĝi, uzi la fakan revuon. Ĉi tiun favoron la grupo bone eluzas kaj sukcesis per tio, ĉiujare aranĝi novajn kursojn inter la policanaro, gviditaj de sinjoroj Schoofs kaj de Schuster. La kursoj okazas regule en ĉambro de la ĉefpolicejo. La lasta kurso en 1931 rehavigis al la grupo 15 novajn anojn. La grupo nun nombras 75 anojn el ĉiuj rangoj, unu honorkomisaro, unu komisaro en aktiva dejoro kaj 20 oficiroj.

Grupanoj vigle korespondas kun fremdlandaj kolegoj pri fakaj kaj aliaj temoj, celante tiel pli kaj pli veki la intereson por nia movado. La venko, de nia movado nur dependas de la praktikado kaj uzado de E. Pro tio la devizo nia estu : « Propagandu ĝis la venko ! »

Propagandu ankaŭ inter la kolegoj de viaj urboj kaj landoj, helpu tiel kunporti brikon post briko en la disvastigo de nia kara helplingvo, por fine fermi la ĉenringon en la servo de la polico tutmonda kaj atingi la idealan grandan familion inter la policanaro kaj publiko.

Ni tutkore danku niajn fervorajn pionirojn en Antwerpen kiuj donas al ni imitindan ekzemplon en la laboro por la disvastigo de nia Esperanto !

A. POHLE,
*Liga redaktoro.*

## Gesinjoroj Morariu en Dresden



Fot. D-ro Inĝ. Friedmann, Dresden.

Sur la unua ŝtupo: (de maldekstre dekstren:)

Josef R. Scherer, Lizzie Morariu, Tiberio Morariu, A. Naumann, P. de Saksa Ligo.

Supre: Otto Wehlitz, VP de loka Societo Dresden, S-ino Dr. Friedmann, W. Hahn, Gohlis, prezidinto de Saksa E-Instruistaro, kaj edzino, Johannes Karsch, P. de Loka Societo Dreden.

---

## Internacia Hejmo Esperantista en Aspremont (Alpes Marit.) Francujo

---

La Direktoro de la I.C.K. en Ĝenevo sciigas al ni la jenon: Post kiam la formalaj detaloj kun la aŭtoritatoj estas ordigitaj, ni povas sciigi oficiale, ke la movado nun posedas sian unuan internacian hejmon esperantistan en Aspremont (Alpes-Maritimes) en Sudfrancujo, 13 km. de Nico. Ĝi konsistas el domo kun 9 ĉambroj instalitaj (kun simpla komforto) kaj tereno da 30.569 kv. metroj. Ĝia celo estas, ebligi al ripozemaj samideanoj kaj turistoj esperantistaj libertempan restadon dum kiu ajn sezono de l'jaro je moderaj kostoj. Ĉar la loko estas limigita, estas necese anonci sin sufiĉe frue. Detaloj estas sciigataj per anoncoj kaj informoj en la Esperanto-gazetaro. Gvidantoj de la Hejmo estas Gesinjoroj E. E. Yelland el Londono.

Detalajn informojn pri la restado oni ricevas kontraŭ 1 respondkupono de « *Internacia Hejmo Esperantista* » *(Nia Civito), Aspremont (Alpes Marit.) Francujo.*

La entrepreno, kiu estas propaĵo de la movado, estas ekspluatata sub la aŭspicioj de la I.C.K. »

## Nova propaganda vojaĝo en Eŭropo

Laŭ iniciato de l'Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado, 11, rue du Mont-Blanc, Genève, kaj en interkonsento kun la ĉefdirekcio de l'Aŭstria Fervojaro, okazos eŭropa vojaĝo de S-ro Hugo Steiner, Registara konsilanto (Regierungsrat) el Vieno.

TEMOJ.

1) *Publikajn paroladojn kontraŭ honorario* pri Aŭstrio, en Esperanto akompanatajn de lumbildoj kaj filmoj kun traduko nacilingva.

2) *Internajn paroladojn senpagajn*, sen traduko, pri fak- kaj special-propagando kun praktika elmontrado de labor-maniero sur bazo de propraj spertoj.

DATOJ.

La datoj de restado estas fiksitaj provizore laŭjene:

| | | |
|---|---|---|
| Polujo | (12 tagoj) | 10. I. — 21. I. |
| Dancigo | ( 2 tagoj) | 21. I. — 23. I. |
| Litovio | ( 6 tagoj) | 24. I. — 29. I. |
| Latvio | ( 8 tagoj) | 30. I. — 6. I. |
| Estonio | (10 tagoj) | 7. II. — 16. II. |
| Finlando | ( 8 tagoj) | 17. II. — 24. II. |
| Svedujo | (20 tagoj) | 25. II. — 15. II. |
| Norvegujo | | |
| Danujo | ( 7 tagoj) | 16. III. — 22. III. |

La voj-iro estas provizora. La definitivaj datoj estos fiksataj post ricevo de ĉiuj invitoj. Ĉiujn invitojn adresu al la nacia societo por aranĝo laŭ interesoj de la tutlanda propagando. Laŭ ĝia propono la Oficejo de ICK fiksas la definitivan voj-iron, datojn ktp.

## Esperanto en Egipto



Grupo Frateco en Fayoum

Fondintoj: Meze sidanta: S-ro Musad Prezidanto, dekstre de li la D. de U. Teodoro Migalli, sekretario de la grupo, apude S-ro S. Lshak, kasisto.

# Liechtenstein : Novaj poŝtkartoj kun teksto en Esperanto




La du serioj montras la sekvantajn bildojn : Mauern, vilaĝo ĉe la landlimo de Aŭstrio. Valo de Valüna en Somero. Valo de Valüna en Neĝo. Pfälzerhütte, Ŝirmkabano sur la Bettlerjoch. Masescha, domaro de l' vilaĝo Triesenberg. Vilaĝo Eschen. Vilaĝo Triesenberg. Preĝejo de Schaan. Kapelo Dux apud Schaan. Kastelo Gutenberg apud Balzers.

La registaro de Liĥtenstejno decidis daŭrigi la uzon de Esperanto sur siaj poŝtkartoj. La « Oficialaj Organoj de Poŝtoj kaj Telegrafoj Svisaj » en sia N° 48, 4.11.1931 (instrukcio N° 267) informas pri la ĵusa elveno de la nov-eldono. La nov-eldono de la kartoj de Liĥtenstejno ampleksas:
10 kartojn kun bildoj kaj Esp. teksto je 20 centimoj.
10 kartojn kun bildoj kaj Esp. teksto je 10 centimoj.
Ambaŭ kartoj estas ankaŭ haveblaj sen bildoj. Sur tiuj kartoj la surpreso « Postkarte — Carte postale (deviga surpreso) » ankaŭ estas aldonita en nia lingvo per la vorto « Poŝtkarto ».

## Esperanto ekspozicio en Metz




Ekspozicio organizita dum loka Foiro

# Faka movado

Sekve de intereso montrita en la angla fakgazeto, « The Optician », oni organizis specialan Esperantistan Konferencon, kiu okazis dum la Optika Kongreso en Londono, 30 an Sept. 31. La kunveno esprimis rezolucion favoran al Esperanto kaj pritraktis la demandon pri organizo. Fine oni starigis komitaton por esplori detalan planon.
Pro diversaj malhelpoj la komitato ne povis kunveni pli frue ol la 19an de Novembro. Oni decidis fondi asocion nomitan, « Interligo Tutmonda de Optikistoj kaj Okulistoj » kun la celoj, (1) propagando la internacian lingvon Esperanton inter optikistoj kaj okulkuracistoj (2) peradi la kolekton de informo pri optika-okulscienca fako diverslande, (3) prilabori optikan-okulsciencan terminaron. Estraro : prezidanto, S-ro D. P. Boatman; vic-prezidanto, S-ro A. W. S. Raxworthy; sekretario-kasisto, S-ro E. W. Woodruff. Kotizoj : ordinara membro, 5 ŝilingoj, dumviva kotizo, £5 (5 funtoj); subtenanta membro, £1.
La membroj ricevos maŝinskribitan bultenon, kiu aperos minimume kvarfoje en la jaro. Krom tio oni esperas havi la eblon de tempo al tempo liveri al ili senpage numerojn de « The Optician » enhavantajn Esperantajn artikolojn. Per tio ni servos al niaj membroj kaj samtempe konvinkos la redakcion de la gazeto pri la utilo de nia lingvo.
Ni esperas ke ĉiu, kiu havas intereson pri optiko aŭ okulscienco helpos nian entreprenon per aliĝo. Oni sendu kotizojn al la sekretario-kasisto, aŭ al nacia reprezentanto. Nacia reprezentanto : Germanujo, S-ro A. Weise, *Naumburg a. Saale*, Kanalstr. 15. 1.
Douglas P. Boatman, Prezidanto. Edward W. Woodruff, Sekr.-Kasisto.

# Radio-Klubo Esperantista Franca

La « Radio-Club Espérantiste de France », kies ĉefa celo estas utiligi Esperanton por la Radiodissendado, laŭ la deziresprimo de la Kongreso de la Radioamatoroj en Parizo 1925, starigis, kiel « Contra Franca Informejo por Radio kaj Esperanto » (CFIRE), kaj ĝia ĝenerala sekretario, S-ro Henri Favrel, inĝeniero E.C.P., estis elektita, kiel sekretario por Francujo de « Internacia Radio Servo ».
La « Radio-Club Esperantiste de France » devos organizi la Radian Sekcion en la Internacia Esperanta Kongreso, en Parizo 1932.
Pro tio, la « Radio-Club », kiu estas filiiĝita je la « Société Française pour la Propagation de l'Esperanto » (SFPE) kaj je la « Fédération des Associations Radiophiles de la Région Parisienne (FARRP), decidis krei 13 metropolajn Sekciojn kaj plie koloniajn sekciojn por informado pri Radio kaj Esperanto.
Por faciligi la progresadon de tiuj sekcioj, kaj pligrandigi sian membrokvanton (nun 350) por la kreskado de siaj ellaborajoj, la « Radio-Club » organizas gravan Konkurson pri propagando kaj varbado, tre facilan por ĉiuj : aŭskultantoj, amatoroj kaj esperantistoj kaj dotitan per multaj kaj gravaj premioj.
La regularo de tiu konkurso estos sendata al ĉiuj membroj kaj al ĉiuj personoj, kiuj petos ĝin, kun afrankita koverto por respondo, de la ĝenerala — sekretario-kasisto : Henri Favrel, inĝ. 27, rue Pierre Guérin, Paris 16e.

## Trafiksignalado en Esperanto

Tre rimarkindan sukceson atingis nia fervora samideano Sinjoro Cresp en Cannes (Francujo). Tie laŭ lia propono la urba magistrato decidis, ke de nun ĉiu indika tabelo, ĉu fosta, ĉu mura, estos redaktata france kaj Esperante. La unuaj indikfostoj estas jam starigitaj. Sinsekve ĉiuj jam ekzistantaj indikoj estas kompletigataj.
Tiu ĉi sukceso havas aparte gravan signifon pro tio, ke ĝi kiel unua iniciato povas servi kiel modelo por simila entreprenado de aliaj interesitoj korporacioj en estonto. Ĉar tio estas efektiva enkonduko de Esperanto en la praktikon ankaŭ laŭ lingva vidpunkto la detaloj estas gravaj.
Tion konsiderante la oficejo de la I.C.K. en Ĝenevo kaj sro. Georges Avril, prezidanto de la Internacia Gazetara Komisiono de ICK, en Nice, interkonsiliĝis kun sro. Cresp pri la teknikaj detaloj de ĉi tiu aranĝo kaj fiksis surskribojn, kiuj konformiĝas al div. konsideroj. Tiaj surskriboj devas esti precizaj kaj klare kompreneblaj, mallongaj kaj belsonaj, sed ankaŭ sufiĉaj, konformiĝi al uzo en la praktiko kaj laŭeble internaciaj por sufiĉa komprenebleco al ne-esperantistoj. Ĝis kiam estas enkondukita Esperanto pli vaste, tiu ĉi detalo estas nepre atentinda. Nura vortara konsulto ne ĉiam sufiĉas. Ne mirigas do la praktikiston, ke la fiksitaj tekstoj kiel samtempa traduko de franclingvaj surskriboj donis kelkajn malmolajn nuksojn por diskrakigi al la nomitaj personoj.
Aliaj fostoj montros interalie la sekvantajn indikojn : Ne-Permesita direkto (Sens interdit), Ekskluziva direkto (Sens unique), Halto nepermesita (Stationnement interdit), Halto por aŭtobusoj (Arrêt pour autobus) Stacio de taks-aŭtomobiloj (Station de Auto-taxis), Malpli rapide ! Danĝero (Ralentir, Dangereux), Reflektoroj ne-permesitaj (Phares interdits) Telefono publika (Cabine téléphonique publique)
La ICK intencas iniciati similan organizon en aliaj lokoj kaj landoj, kiam la rilata materialo estas kompleta. Ĝi tiucele ankaŭ faras enketon internacian pri la tekst-kutimoj en aliaj landoj.
Estas certe, ke tiu ĉi sukceso havas grandan praktikan valoron, espereble multe imitatan.

## Esperanto kaj Aktuaroj

Niaj legantoj memoros pri nia siatempa informo pri la intereso al Esperanto inter la aktuaroj (asekur-matematikistoj). La Konstanta Komitato de l'Internaciaj Kongresoj de l'Aktuaroj en Bruselo sendis al la Universala Kongreso de Esperanto en Budapesto sian vicprezidanton Dro. Sós Ernő Budapesto kiel observanton. Dro. Sós poste publikigis tre favoran, riĉe dokumentitan raporton pri siaj impresoj en la oficiala bulteno de tiu ĉi organizacio. La ICK en Ĝenevo kune kun la Belga Ligo Esperantista preparis specialan propagandon por nia lingvo en la nomita organizacio.
Sekve de decido de la Aktuar-Kongreso en Stokholmo en 1930 Dro. Sós iniciatis la aperigon de provo de esperanto-vortaro por aktuaroj. Tia vortaro jus aperis sub la titolo « Dictionnaire actuariel » (Versicherungstechnisches Wörterbuch — Actuarial Dictionary) kaj enhavas 200 fakvortojn en Esperanto, angla, franca kaj germana lingvoj. Ĝi estas kompilita de Dro. Sós sub la kunhelpo de sinjoroj P. Balkanyi kaj Ch. Goldziher en Budapest kaj aparte prilaborita de sro. Robert Kreuz, direktoro de I.C.K. kaj membro de la Lingva Komitato en Ĝenevo.
Fakuloj kaj interesitoj en la asekur-matematika kampo provos ricevi rilatajn informojn pri la laboro de la nomita kongreso de : Konstanta Komitato de la Internaciaj Kongresoj de l'Aktuaroj, sro. Am. Bignault, prezidanto, 13, rue du Congrès, Bruxelles (Belgujo) aŭ de Dro. Sós. Ernő, vicprezidanto, Andrasy-út. 40, II, Budapest (Hungarlando). ICK, Gaz. Kom.

# Ekspozicio

« Esperanto Rondo » en Metz ĵus partoprenis la lokan foiran ekspozicion. (Vidu bildon sur antaŭa paĝo)
Ĝi elmontris presaĵojn en Esperanto el ĉiuj fakoj : Komerco industrio, literaturo, scienco, sporto, k.t.p.
Inter libroj, ĵurnaloj, revuoj, afiŝoj, reklamiloj, kaj ĉiaspecaj dokumentoj distingiĝis la mirinda gramofona Esperanto kurso, kompleze disponigita de la « Linguaphone Institute », 12, rue Lincoln, Paris, elpensinto de la famkonataj nacilingvaj diskokursoj.
La Metza grupo esperantista tutkore dankas tiun Instituton, kaj ankaŭ ĉiujn organizajojn kiuj afable sendis materialon (Heroldo, La Movado, foiroj de Leipzig, Lyon, Paris, kaj Saarbrückenaj samideanoj).
Ni aldonu ke tiu ekspozicio ebligis agrablan renkonton de kun samideanoj venintaj el Saarbrücken kaj Nancy.

# Oni dankas

*** Majoro R. Raven-Hart, DM de UEA, kore dankas al S-ro Weiershäuser, D en Marburg a.d. Lahn por afabla akcepto kaj bonege plenumita nefacila servo.

*** S-ro Karl Wannek, MA de UEA en Linz a.d. D., Aŭstrio kore dankas al S-ro Bonini, D en Venezia por afalba gvidado kaj plenumo de servo.

*** S-ro Benedikt Ulm, D en Friedland i.B., Ĉeĥoslov. sincere dankas al la Polica grupo en Chemnitz i. Sa. pro la sukcesa trovo de parencino, kiu pro edziniĝo havas alian nomon. Pro tio la esploro estis malfacila ! Apartan dankon al la estro S-ro Otto Schulze, kiu delikate finis la tutan esploradon. La klopodo estis kronita per la profunda ĝojo de du familioj. La fakto multe impresis la neesperantistojn.

*** S-ro Edwardo Wiesenfeld, MA el Varsovio dum rondveturo eŭropa vere ĝuis la utilon de E kaj de servoj de UEA.
Specialan distingan dankon meritas : S-ro Teo Jung, D en Köln, S-roj Hurler Fritz Kurth ; S-ro Grenkamp, Paris ; S-ro Cresp, D en Cannes ; S-ro Piatti D en Milano ; S-ro Bonini, D en kaj S-roj Torta kaj Franceschi en Venezia ; S-ro Alfred Klein VD de UEA, F-inoj Minuschka kaj Tea en Vieno, por afabla helpo, gvido kaj agrabligo de restado.

*** T. Morariu, ĈD de UEA kaj Lizeto Morariu korege dankas al ĉiuj bonvolaj delegitoj kaj afablaj samideanoj, precipe al ges-oj H. Halldor, en Stokholmo, Dresen, Lubeck, en Tallin, Grot en Riga, O. Bermann kaj bela s-ino Bella, en Varŝavo, Hodakowsky, en Krakovo, J. Friedrich, en Košice, pro sindona helpado dum veturado de Svedlando al Rumanujo, kaj al ges-oj Szilagyi, Kőkeny en Budapeŝto, N. Hovorka en Vieno, kaj Bloch & A. Nyvltova en Prago pro samideanaj servoj dum la veturado de Rumanujo al Saksujo. Refojan dankon !

# Rumanaj samideanoj

Vi ankaŭ pensas, ke rumana esperanta revuo estus tre utila por nia movado. Do, mi entreprenis tiun laboron kaj jam aperis la unua numero de

ESPERANTISTUL

trimonata propaganda organo 4-8 p., 16-20 cm. Abonprezo 20 Lej por tuta jaro, por aliaj landoj unu svisa Franko.
Ne estu skeptikaj. Ne timu, ke vi ne povus subteni tian pezon. Oferu laŭpove kaj varbu abonantojn. Pensu ke de vi dependas la sukceso. Bonvolu do tuj sendi al mi vian aliĝon, pagante la malkaran jarabonon. Vian subtenon bezonas kaj atendas.

D. N. Minĉev, Del. de UEA Str. Sabinelor 12, Constanta.

## BIBLIOGRAFIA SERVO DE UEA

Ni kore dankas al jenaj personoj por afabla donaco de bibliotekajoj:

*S-ro Sklenĉka, Hradec-Kralové* : Mluvnice svetomluvy Volapŭk (Bakalar).

*S-ino Sixtus, Genève* : Franca lernolibro de Volapŭk (Kerckhoffs) kaj pluraj esperantajoj.

Internacia Cseh-Instituto de Esperanto : Kolekto de instruiloj por Cseh-kurso.

Ni deziras akiri ekzempleron de : Bry : Verkappte Religionen. Gotha 1924. Verlag Leopold Klotz.

Bonvola posedanto, preta ĝin cedi, skribu al ni. C. O. de UEA.

## Novaj libroj 1931

Kurmis, Arvids. — *La Kaŭzo kaj la Devo.* Scienco kaj Vivo, Riga. 15 p. 14 × 10. Prezo : Sv. fk. 0.20. (1931-81).

Kenelm Robinson. — *Vol. II.* Esperantista Voĉo, Jaslo. 72 p. 12 × 19. 1931-82).

Vendreda Klubo, Winschoten. — « *Floretoj* ». G. J. Wolters, Uitgevers, Groningen. 62 p. 19,5 × 13,5. Prezo : Sv. fk. 1.50. (1931-83).

Privat, Edmond. — *Le Choc des patriotismes.* Librairie Félix Alcan, Paris. 180 p. 18,5 × 12. Prezo : Sv. fk. 3.—. (1931-84).

Ritter, D-ro Erwin. — *Die Sprache im internationalen Verkehr.* Ĉe l'aŭtoro, 26, Avenue William Favre, Genève. 47 p. 23 × 15. 1931-85).

Tellini, Achille. — *Vocabolario Completo Esperanto-Italiano.* A. Paolet, Editore, San Vito al Tagliamento. 506 p. 8 × 6, Prezo : Liroj 7.— broŝ. Tole bind. liroj 9.—. (1931-86).

Goldburt, D-ro A. — *La Internacia Lingvo.* Vilna Esperantista Societo « Universo ». 24 p. 22,5 × 15,5. Prezo : Sv. fk. 0.20. (1931-87).

Hiller, Feliks. — *Telefono* 2-45. Internaciaj Kantoj. Komercista Esperanto-Unio, Agentejo Lodz, Radwanska 6. 3 p. 21 × 19. (1931-88).

Deguci, Onisabro. — *Fundamento de Animo.* Oomoto-Propagando Oficejo, Kameoka, Kioto-Hu. Japanujo. 48 p. 18 × 12,5. Prezo : Sv. fk. 0.70. (1931-89).

Tkaĉuk. I. — *Trapafita dekreto.* Ekrelo, Leipzig. 70 p. 16,5 × 11,5. (1931-90).

Friis, Af. L. — *Esperanto Laerebog.* Date's Forlag, Kobenhavn. 57 p. 21,5 × 14. Prezo : Dan Kr. 1.50. (1931-91).

Gorkij, Maksim. — *Kiel mi lernis.* Ekrelo, Leipzig. 23 p. 16,5 × 11,5. (1931-92).

Reissner, Larissa. — *En la lando de Hindenburg.* Ekrelo, Leipzig. 78 p. 11 × 16. Prezo : Sv. fk. 1.—. (1931-93).

Holovko, A. — *La Ruĝa Kaptuko.* Plugilano, Harkovo. 30 p. 13 × 18. (1931-94).

Kandikov, B. — *Eklezio kaj Oktobra Revolucio.* Ekrelo, Leipzig. 30 p. 14,5 × 10,5. Prezo : Sv. fk. 0.25. (1931-95).

Stalin, J. — *Fundamentoj de Leninismo.* Ekrelo, Leipzig. 122 p. Prezo : Sv. fk. 1.25. (1931-96).

Jirkov, Prof. L. — *Kial venkis Esperanto.* Ekrelo, Leipzig. 40 p. 12 × 14,5. Prezo : Sv. fk. 0.40. (1931-97).

Danov, P. — *La Timo.* Biblioteko « Nova Kulturo, » Burgas. 41 p. 20 × 12,5. (1931-98).

Remarque, Erich Maria. — *La Vojo Returne.* Heroldo de Esperanto, Kőln. 369 p. 20,5 × 13,5. Prezo : Sv. fk. broŝ. 7.50, bind. 10.50. (1931-99).

Grau Casas, Jaume. — *Kataluna Antologio,* dua eldono. Editorial Ibèrica, Barcelona. 401 p. 22 × 15,5. Prezo : Sv. fk. 5.—. (31-100.)

Kenngott, A. — *Internacia Teatrafaro.* Internacia Eldonejo (The E. L. Steck Co.) 9th and Lavaca Sts. Austin, Usono. 127 p. 11 × 17. Prezo : Sv. fk. 2.50. (1931-101).

Linden, F. — *Kurs i Esperanto.* Esperanto Főrlagsfőreningen, Stockholm. 84 p. 19,5 × 12,5. Prezo : Sved. Kr. 0.90. (1931-102).

Rosenberg, Jakob. — *Esperanto Legafaro.* Autori Kirjastus, Tallinnas. 153 p. 18,5 × 11,5. (1931-103).

Turno, Leo. — *Slownik Esperancko-Polski,* Leopold Dreher, Krakow. 32 p. 14,5 × 11. (1931-104).

Turno, Leo. — *Kompletny Podrecznik Jezyka Esperanto.* Leopold Dreher, Krakow. 71 p. 14,5 × 11. (1931-105).

Grubb, Edw. — *La Societo de Amikoj (Kvakeroj) kaj ĝiaj esencaj trajtoj.* Friends Service Council, Friends House, Euston Road, London N.W. 1, 19 p. 21 × 14. Prezo : Pencoj 3. (1931-106).

Ohlsson, Carl. — *Dubbel fickordbok i Esperanto.* Esperanto Főrlagsfőreningen, Stockholm. 213 p. 14 × 10,5. Prezo : Sved. Kr. 1.50. (1931-107).

Privat, Edm. — *The Life of Zamenhof.* Tradukita de Ralph Eliott. George Allen & Unwin Ltd. Museum Str. London. 123 p. 19 × 12,5. (1931-108).

— *Estona Ŝlosilo de Esperanto.* Eesti Esperanto Liit, Vääljandja, Tallinnas. 40 p. 11 × 7,5. Prezo : Sv. fk. 0.15. (1931-109).

— *Japana Slosilo de Esperanto.* Japana Esperanto Instituto, Tokio. 32 p. 11 × 7,5. Prezo : Sv. fk. 0.15. (1931-110).

— *Ukraina Slosilo de Esperanto.* Esperantista Grupo « Progreso », Nova 4. 6. Kolomija. 32 p. 11 7,5. Prezo : Sv. fk. 0.20. (1931-111).

— Gvidfolio de Praha. Ĉeĥoslovaka Asocio Esperantista. Faldita 25 × 10,5. (1931-112).

## Al la tutmonda esperantistaro !

Kelkafoje mi aparte esprimis la opinion publike, ke Esperanto fariĝis mondpotenco sole per siaj internaj ecoj. Tio verdire ne estas sufiĉe preciza. La lingvo kaj nia movado gajnis sian nunan forton parte ankaŭ dank'al la libervola oferado, kiun faris, kaj hodiaŭ ankoraŭ faras, granda nombro da fidelaj, malavaraj samideanoj. Sen la konstanta financa subtenado, kiun ili donacis, por funkciigi la oficialajn instituciojn de la movado, multaj el la jam gajnitaj sukcesoj, pri kiuj ni ĝuas hodiaŭ, ankoraŭ ne estus efektiviĝintaj.

Esperanto sendube meritas la atenton de la tuta homaro. Sed por elveki tiun ĉi atenton, mono ĉiam estas bezonata por ĝenerala propagando por nia afero. Ĝis nun la movado ricevis de niaj bonaj geamikoj financan helpon laŭ vere mirinda grado, kiam oni memoras, ke tiu ĉi helpo plejgrandparte venis el la poŝoj de homoj, kiuj ne estas riĉuloj kaj kiuj neniam atendas ricevi iam profiton per la universala akcepto de nia lingvo. Ili subtenis la aferon sole pro idealismaj motivoj. Ili vidas, ke per la sukceso de Esperanto la tuta homaro ricevus grandan benon. Pro tio, kaj ofte por honorigi la memoron de nia kara Majstro, ili donis sian kontribuon al nia movado.

Pro la mondkrizo, kiu pendas super ni hodiaŭ kiel malluma uragano, multaj bonaj amikoj ne povas pli longe doni la financan helpon, kiun ili donis en la daŭro de multaj jaroj. La oficejo de l'I.C.K. jam ricevis amason da leteroj, en kiuj la senditoj esprimis sian profundan bedaŭron pro tio, ke momente ili ne povas aĝi kiel antaŭe. Sed ili sendis siajn promesojn, ke, kiel eble plej baldaŭ ili reprenos sur sin la saman respondecon kiel antaŭe. Por ni estas nur unu devo... sendi al ili niajn dankojn kun la espero, ke la sorto baldaŭ favorigos ilin denove.

Intertempe ni tamen bezonas monon por teni nian standardon alte... Ni devas klopodi por trovi aliajn geamikojn, kiuj kapablas helpi nin finance. Eble vi, kiu legas ĉi tiujn vortojn, antaŭe ne pensis pri financa helpo al la internacia vivo de la movado. Se ne, mi esperas, ke vi afable ekzamenos vian propran pozicion kaj penos, se eble, anstataŭigi unu el tiuj bonaj homoj, kiuj hodiaŭ suferas pro manko da mono. Se vi povas sendi monon al ni, mi petegas, ke vi ne hezitu pri tio ; eĉ se la sumo estas tre malgranda, ĉar ĉiu penco havas sian valoron. Multaj lernas nian belan lingvon, sen ia penso pri la granda respondeco de la gvidantoj de la movado kaj tial ne faras kontribuon por subteni la laboradon. Mi esperas, ke se la personoj, kiuj legos ĉi tiun alvokon, estas inter ili, ili venos baldaŭ por helpi nin.

Esperanto kreskas kaj progresas. Se ni ĉesus nutri ĝin per nia laborado, ĝi nepre suferus gravan vundon. La kondiĉoj de vivado estas hodiaŭ pli gravaj ol eĉ dum la mondmilito. Pro tio ĉiu devas fari sian plej eblon por konservi nian lingvon, por garantii, ke la granda laborado de la pasintaj kvardek-kvar jaroj ne estu perdata por ĉiam. Ni jam sukcesis fari grandiozan konstruaĵon... nia lingvo estas konata kaj parolata en ĉiuj regionoj de la vasta mondo... ni sukcesis malfermi multajn perdojn... ni gajnis la atenton de multaj eminentuloj... ni estas sur la sojlo de plena sukceso, sed.. se mono ne venus por funkciigi nian grandan maŝinon, la laborado tuj haltus, la masin-eroj rustiĝus, la afero estus en grava danĝero de ruiniĝo !

Ni devas eviti tian katastrofon. Ni devas ebligi la senĉesan kreskadon de nia afero. Se vi povas helpi nin, ne hezitu. Helpu nin hodiaŭ. Estas je la nuna momento, kiam ni bezonas vian subtenadon. Poste kiam la nuboj forpasis, niaj malnovaj amikoj revenos al nia helpo, sed intertempe nia movado devas ricevi plenan subtenadon.

Do helpu pere regula pago de via kotizo al la oficialaj institucioj de la movado kaj ne laste al ĝia gvida centro la I.C.K. Precipe vi en pli bona situacio, kiuj per ioma streĉo povas tion fari. Sed ankaŭ vi, malpli favoritaj ne forgesu, ke multaj etaj eroj faras unu tuton. Helpu finance ekster la formalaj devoj al la organizo kiel patrono aŭ subtenanto laŭ plej bona povo.

Ho, karaj geamikoj, ne forgesu, ke per Esperanto la homaro post iom da tempo ricevos grandan benon, ke per Esperanto la nacioj fariĝos pli bonaj amikoj unu al la aliaj, ke per Esperanto la paco ricevas lojalan kaj fidelan subtenon. Helpu al ni, por ke ni povu pli bone zorgi la vivon de nia lingvo kaj konservi la forton de la movado ankaŭ dum ĉi tiuj tagoj de malfeliĉeco kaj mizero ! Nia afero ne devas reiri, eĉ ne ekhalti, sed nur progresi.

Do, kuraĝe antaŭen en 1932 !

John MERCHANT,

*Prezidanto de la I.C.K.*

Sheffield, 2 Januaro 1932

# La premioj de U E A 1932

## A. Frupago kaj varbado

1. *Bildo de D-ro Zamenhof*, kreinto de nia lingvo.
2. *Fundamento de Esperanto*. Eldono kvinlingva.
3. *Katalogo de Lingvoj*, naturaj, popolaj, literaturaj, klasikaj kaj artefaritaj. 20-27 cm, 20 paĝoj.
4. *Aleksandro Drozdoj : Krucumo*. « Datoj kaj faktoj pri la Paca Movado ».
5. *C. Walter:* Gajaj Vesperoj. Spritaĵoj, anekdotoj.
6. *De Ségur:* Respondoj al kontraŭreligiaj paroloj.
7. *Robert Kreuz, L. K.*, 500 komercaj frazoj en Esperanto.
8. *Misu Beraru:* Spite la vivon ! Mezgajaj poemoj
9. *Oficiala dokumentaro Esperantista*. XIVa kongreso Helsinki 1922. — XVIIIa Kongreso, Edinburgh 1926. XXIIa Kongreso, Oxford 1930.
10. *Oficiala Jarlibro de la Esperanto-Movado*. 1924.
11. *Oficiala Jarlibro de la Eesperanto-Movado*. 1926
12. *Oficiala Jarlibro de la Esperanto-Movado*. 1928
13. *Oficiala Jarlibro de la Esperanto-Movado*. 1930.
14. *Jan Zawada:* Adreslibro de pollandaj Esperantistoj kaj praktika informilo pri-esperanta.
15. *Waldemar Bonsels:* Ŝolandro. « Datoj kaj faktoj pri la Paca Movado ».
16. *D-ro Edmond Privat:* Esprimo de Sentoj.
17. *D-ro Ad. Ferrière: Estonta Eduko.*
18. *Hector Hodler:* Lia vivo, lia verko.
19. *Raymond Schwartz:* Verdkata Testamento.
20. *Turisma kolekto*. Riĉa kolekto de turismaj presaĵoj
21. *John Merchant:* Tri Angloj alilande. « Datoj kaj faktoj pri la Paca Movado ».
22. *Olafur Th. Kristjansson: Islando*. Lando, vivo,
23. *S. Grenkamp-Kornfeld:* 5.000.000...
24. *Julio Baghy:* Dancu, marionetoj. Novelaro.

---

*Julio Baghy*. Viktimoj. 12 = 16,5 cm. 238 paĝoj .(Premio por varbo de unu Subtenanto

KIU VARBAS

*Unu* novan *Membron* rajtas elekti *unu* premion el serioA.
Unu Membro-Abonanton : Du premiojn el serio A.
Unu Subtenanton : Tri premiojn el serio A.
Unu Dumvivan : Du premiojn el serio B.

## B. Subtenantoj

I. *D-ro L. L. Zamenhof:* Originala verkaro.

II. *Edmond Privat: Vivo de Zamenhof*. Historio de la lingvo Esperanto.

III. *Bibliografio de Internacia lingvo.*

IV. *Giovanni Papini:* Historio de Kristo,

V. *Bennemann, Paul:* Esperanto-Handwörterbuch. Esperanto-Deutsch, Deutsch-Esperanto,

VI. *Kardinalo Wiseman: Fabiola.*

VII. *D-ro Kolomano Kalocsay:* Streĉita kordo. Lingvo Stilo, Formo, Lingvaj Studoj. — Eterna Bukedo.

VIII. *La Sankta Biblio en Esperanto.*

IX. *Biblioteko Tutmonda:*

X. *Jean Forge:* Abismoj — Saltego trans Jarmiloj. *Mabel Wagnalls:* Palaco de Danĝero —

XI. *Belga Antologio:*

XII. *Julio Baghy:* Verkaro. Konsistanta el 5 libroj

XIII. *Libropakaĵo* konsistanta el 20 esp. libroj 3,5 kg., 2216 paĝoj da teksto.

XIV. *H. G. Wells:* La Dormanto Vekiĝas. Tradukis A. F. Milward.

*H. Rider Haggard:* Luno de Izrael. Trad. Payson Butler.

*C. Collodi:* Pinokjo. Tradukis Mirza Marchesi.

XV. *Gramofona disko nerompebla*, Unu ekzempleron de poŝtranĉilo esperantista. Unu insignon de UEA.

XVI. *Kataluna Antologio.*

XVII. Erich Maria Remarque : La vojo returne.

HELPMEMBRO

Por permesi daŭrigon de l'membreco en kelkaj landoj, ni starigis tiun provizoran kategorion. Kotizo estas la duono de l'kotizo de simpla Membro (M).

Helpmembro ricevas membrokarton sed ne la Jarlibron, nek revuon ESPERANTO. Sed li rajtas elekti *unu* premion el la listo Serio A. Plian premion, ekzemple por frupago, Helpmembro ne rajtas.

KIU VARBAS

dek Membrojn : Unu premio el serio B.
Kvin M-Abonantojn : Unu premio el serio B.
Kvin Subtenantojn : Tuta kolekto de premioj A.
Unu Dumvivan Membron : Du premioj B.

**Helpu al via Asocio per via aliĝo kaj per via varbado**

# 1932 Por preterpasi la kataklismon ! 1932

## Aliĝu kiel Subtenanto

Respondante alvokon de l'Asocio invitante aliĝi kiel Subtenanto, la jenaj personoj bonvolis akcepti. Ni kore dankas al ili, kaj la sekvantajn aliĝontojn, ni kore bonvenigas. Centra Oficejo de UEA.

1. S-ro E. H. Ede, Cardiff.
2. S-ro James R. Miller, Stone.
3. S-ro J. Newton-Combe, Worthing.
4. S-ro Alexander E. Lee, London.
5. F-ino Erie Evans, Brynkynallt.
6. S-ro Arthur Bowker, Sheffield.
7. S-ro T. J. Gueritte, Surbiton.
8. S-ro. J. Course, Royston.
9. S-ro W. E. Collinson Liverpool.
10. S-ro T. Wright, Turvey.
11. S-ino M. Magnus-Focké, Orléans.
12. S-ro E. W. Willcocks, Woodford Green.
13. S-ro W. Phillimore, London.
14. S-ro R. Robertson, London.
15. S-ro Louis Blot, Angers.
16. S-ro Léon Beaumel, Toulouse.
17. S-ro Hermann Hattemer, Solothurn.
18. S-ro Ernest Salvage, Cahors.
19. S-ro G. de Plançon, Cevins.
20. S-ro A. Paolet, San Vito.
21. S-ro Alfred Rivier, Alger.
22. S-ro Louis Bouvier, Poix.
23. S-ro Edgard Jouis, Rouen.
24. D-ro L. Barbedor, St. Erblon.
25. S-ino Y. Privat, Territet.
26. D-ro Edm. Privat, Territet.
27. S-ro C. J. Jahn, Kopenhago.
28. S-ro Arnold Schweizer, Zürich
29. S-ro C. Naoumoff, St.-Germain-en-Laye.
30. S-ro Domenico Carbone, Milano.
31. S-ro da Costa - Monteiro, Povoa de Varzim.
32. Episkopo G. Kiperman, Charkov.
33. S-ro Enrique Legrand, Montevideo.
34. S-ro Manuel Espinosa, Cordoba.
35. S-ino K. B. Cather, Port-Saïd.
36. D-ro Tobias Sigel, Detroit.
37. F-ino Zoe Inman, Halstead.
38. S-ro John J. Boutwood, Hastings.
39. S-ro Charles Barnes, Colchester.
40. S-ro C. W. Tubb, Pleymouth.
41. S-ro William H. Hirst, Huddersfield.
42. F-ino A. E. Baxter, Orpington.
43. S-ro E. F. Bourdillon, Oxford.
44. S-ro A. McDonald, London.
45. S-ro B. O. Price-Heywood, Southport.
46. S-ro Nils Okland, Rommetveit.
47. Sennomulo.
48. S-ro F. Archer, Hobart.
49. S-ro P. Mathews, Harpenden.
50. S-ro W. James Pratt, Monifieth.
51. F-ino E. M. Bartholomew, Letchworth.
52. S-ro C. Ashmore-Baker, Welwyn Garden.
53. S-ro Josip Smrĉek, Srem.
54. S-ino M. Merkel, Ahlen.
55. S-ro Ludwig Merkel, Ahlen.
56. F-ino Hilde Zadek, Magdeburg.
57. F-ino Erika Schilasky, Ahlen.
58. S-ro Korb. Thalmeier, Kammer.
59. S-ro Martin Strümpfel, Lössnitz.
60. S-ro Ernst Hollmann, Bünde.
61. D-ro Bär, Altenstadt.
62. S-ro Konstantin Baumeister, Bad Soden
63. S-ro Emil Lehm, Dresden.
64. S-ro Andreas Schack, Flensburg.
65. S-ro Adolf Münz, Berlin.
66. S-ro Willy Heinze, Oberlössnitz.
67. S-ro Heinr. Dresselhaus, Schloss-Holte.
68. S-ro Conrad Hahmann, Wiednitz.
69. S-ro Russell Scott, Letchworth.
70. S-ro Célestin Rousseau, Bécon-les-Bruyères.
71. S-ro Marcel Génermont, Moulins.
72. S-ro Eivind Jössong, Lillehammer.
73. S-ino Eva Godager, Lillehammer.
74. D-ro Ottmar Fischer Lillehamer.
75. S-ro G. van Soest, Arcen.
76. S-ro James T. Haxton, St. Andrews.
77. S-ro G. Kyffin-Taylor, Birkenhead.
78. S-ino Sara Ullastres, Mollet.
79. S-ro Marian Sola, Tarrasa.
80. S-ino Lena Grütter, Samaden.
81. S-ro Aleman Ruiz, Habana.
82. S-ro Teodoro Pruidze, Alpana.
83. F-ino Hélène Monod, Morges.
84. S-ro Auguste Martin, Mâcon.
85. S-ro Pierre Beau, Mâcon.
86. S-ro J. Kilĉauskas, Ŝilava.
87. S-ro Edm. Lefebvre, Viroflay.
88. S-ro Edouard Jung, Strasbourg.
89. S-ro Dru. St. Gratien.
90. S-ino A. Farges, Lyon.
91. S-ro Sébastien Farges, Lyon.
92. S-ro F. J. Strong, Exeter.
93. S-ro L. A. Churchill, Derby.
94. S-ro George William Roome, Sheffield.
95. F-ino L. C. Silcox, Bath.
96. S-ro Edm. Blackett, Bath.
97. F-ino Berthe Breguet, Neuchâtel.
98. S-ro Ernest Schweingruber, Orléans.
99. S-ro Michele Arabeno, Genova.
100. S-ro Georges Stroele, Neuchâtel.

# 1932 - KONGRESA KALENDARO - 1932

| Indiko | Loko | Dato | Kotizo : | Adreso por informoj, pagoj k. t. p. |
|---|---|---|---|---|
| Brita | Southport | 15-16 Majo | 3 ŝil. 6 p. | F-ino Kay, 7 Bridge Grove, Southport. |
| Ĉeĥoslovaka | Olomouc | 15-16 Majo | | Moraviaj Esperanto-Pioniroj, 17, Riegrova, Olomouc. |
| Germana | Chemnitz | 15-16 Majo | 6 Gmk | Deutscher Esperanto-Kongress, Altenhainerstr. 34, Chemnitz. — Poŝtĉeko : Leipzig 916.68. |
| Jugoslava | Slavonski Brod | 15-16 Majo | | Esperanto-Kongreso-Komitato, Slavonski Brod. |
| Sennacieca | Stuttgart | 6-11 Aŭgusto | 0,60 U S A Dol. | Vogelsangstr. 66, Stuttgart. |
| Universala | Paris | 30.VII. - 6.VIII. | 125 Frk. francaj. | 24a Universala Kongreso de Esperanto, La Maison de France, 101 Ave. des Champs Elysées, Paris VIII. |

## Esperantista vivo

### Naskiĝoj

*** Al ges-roj Tureček, reallerneja direktoro en Turnov, Ĉeĥoslov. filino Jana.

*** Al Ge-sroj Leono Funken, Del. de UEA en Koblenz-o (Germanujo), fileto, Winfried.

### Edziĝoj

*** S-ro Stefano La Colla, VD de UEA en Romo kun F-ino Averino Sforza.

*** S-ro Prof. Domenico Carbone, Subtenanta Membro de UEA en Milano kun F-ino Caterina Egidia Verni.

*** S-ro Kurt Leucht, VD en Falkenstein, i.V., kun F-ino Annel Brandl.

*** S-ro Paŭlo Tolnai, Komitatano de UEA, kun F-ino Rózsi Göndör, kasistino de la Budapesta grupo de HES, ambaŭ anoj de UEA, bone konataj simpatiaj gesamideanoj.

*** F-ino A. Richterova kun S-ro Vuk Echtner en Praha, ambaŭ fidelaj membroj de UEA.

*** Sinjoro Henri Marcq kun F-ino Dora Krämer, ambaŭ ĝis nun fervoroj membroj de la grupo Saarbrücken kaj de jaroj Membro-Abonantoj de UEA.

## Niaj Mortintoj

*Kun sincera bedaŭro ni ricevis informon pri la morto de jenaj samideanoj. Al la familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.*

S-ro Arvo Joh. Ahti, komerca Delegito de UEA en Helsinki, 28.10.31. Malnova samideano tre fervora kaj sindona. Postlasas edzinon kun tri filinoj.

S-ro H. Muhamed Behlilovic, profesoro, D de UEA en Mostar Jugoslavio, 25.XII.31.

*Sinceran funsenton !*

# Korespondado

*Interŝanĝo de objektoj.*

*Aiĉi-Ken* (Japan). — S-ro H. Okamoto, Ĉiriu, Ĉiriu-cho, L., PK., k.ĉ.l. precipe kun eŭropaninoj.

*Amsterdam* (Nederlando). — S-ro N. A. Zilver, Damrak 95, (H. & P.) nur PM. (Malrespondas bagatelaĵojn).

*Clinton* (U.S.A., Missouri). — S-ro Rex Booth, 517 N. 2nd St., L. PI. k.ĉ.l.

*Danzig.* — S-ro Erhard Jahnke, Pfefferstadt 73-II., L., P.K., k.ĉ.l. precipe kun Francujo, Hispanujo, Italujo.

*Drancy* (Franc., Seine). — S-ro Raoul Melo, 30, rue du Chemin Vert, P.M. k.ĉ.l. per 50 ĝis 5000 nepre respondas al ĉiuj sendaĵoj.

*Girona* (Hispan., Katalun.). — S-ro Venceslao Dalmau str. Pujada S. Domènec 2-3-1a, L. P.K.. gaz. ilustr.

*Graz* (Aŭstrio). — S-ro Karlo Pfauser, oficisto, Münzgrabenstrasse 20, deziras korespondi k.ĉ.l.

*Hermannseifen b. Arnau* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Anton Baumert, P.I., L., prefere kun juna F-ino.

*Hradec Kralové No* 628-*a* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Ota Sklencka, gimnaziano, PI zoologiaj (bildoj de bestoj) k.ĉ.l. Rekompencas per P.I. aŭ P.M.

*Hester* (West. Australia). — S-ro H. G. Walker, Post Office. P.I. vidaĵoj de ĉefurboj, k.ĉ.l. PM. Aŭstraliajn kontraŭ aliaj de ĉl.

*Jyderup* (Danlando). — S-ro Erik Pedersen, Holbäkvej, L., PI., bfl., moneroj, senvaloraj papermonoj, gaz., k.ĉ.l.

*Karvinna* (Ĉeĥoslovakio). — S-ro K. Bialon, statni prumyslova ŝkola, PI., bfl., PM., Fotoj, L. pri filmproblemoj, k.ĉ.l., precipe en geogr. zono Bohumin-Oderberg-Krakow-Stockholm, kien li vojaĝos.

*Kazlu-Ruda* (Litov.). — S-ro A. Prapuolenis, instruisto, ped. literaturon por gelernantoj, precipe naciajn fabelojn kaj rakontojn.

*Kostelec nad Labem* (Ĉeĥoslov.). — F-ino Vera Máĉková, studentino, P.I., P.M., k.ĉ.l. Certa respondo al ĉiuj !

*Marshfield* (U.S.A., Oregon). — S-ro A. H. Rogers, 28-jara komerca instruisto, L., P.K., k.ĉ.l., pri ĉiuj temoj. Resp. garantita.

*Meadville* (U.S.A., Pa). — S-roj Fisher kaj Compton, R 7, P.I., P.M., esp-aĵoj, fot-aĵoj, k.ĉ.l. speciale kun f-inoj 15-19 jaraj, mezlernejaninoj.

*Oberleutensdorf No* 306 (Ĉeĥoslov.). — S-ro Paulo Zentner, P.M. laŭ Michel, Senf (de 5 pecoj). Respondo garantiata. L. sendu aerpoŝte.

*Orléans* (Franc.). — Ernesto Schweingruber petas pardonon de la tro multaj korespondderantoj : tamen paciencu ankoraŭ : ĉiu havos respondon.

*Pardubice* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Josef Svatoň, Husova 278, oficisto P.I., bfl., P.M., naciaj flagetoj 10 × 26 cm k.ĉ.l. Respondo garantiata.

*Palermo* (Italio). — S-ro Francesco Pantaleone, Via Roma 157, L., P.K., kun inteligentaj virinoj en Esp., France aŭ germane.

*Przno p. Jablunka nad Becvou* (Ĉeĥosl.). — S-ino Anna Kalisova, instruistino L., P.I., k.ĉ.l.

*Przno p. Jablunka nad Becvou* (Ĉeĥoslov.). — F-ino Emilie Rolĉikova, instruistino L., P.I., k.ĉ.l.

*Praha-XVI.* — S-ino B. Kubiĉkova, Xaveriova 1830, P.I., P.M. k.ĉ.l.

*Praha XIX.* — S-ro Inĝ. Fr. Schneider, Podbabska 1426, PM., nur eŭropajn. Ankaŭ aĉetas.

*Santa Clara a Velha* (Portugal). — S-ro Alberto José de Almeida, PI., L., kun komercistoj ĉ.l.

*Staré Benatky* (Ĉeĥoslov.). — S-ro Josef Borovec, studento, Cukrovar P.M., k.ĉ.l. Ĉiam tuj respondas !

*Taihoku* (Formoso, Japanujo). — Jukiĉi Jasuda, arkitekto en Stokuhu-Eizenka (Arkitektura Fako de Ĉefregistarejo), volas interkomunikiĝi kun arkitektoj kaj belartistoj modernisman Adresaron mi faros por unuiĝi.

*Takaoka* (Japan). — S-ro Naoni Rokuse Hjakuŝjo-maĉi 3, Tojama-Ken PI., L., bfl., k.ĉ.l. Ĉiam respondas.

*Venlo* (Nederlando). — F-ino Elly Muysers, Stalbergweg 34. PM., k.ĉ.l.



# Petoj kaj Proponoj

***INTERNACIA KOMERCO***

*Adresoj de personoj kun familia nomo ULM* (ankaŭ de neesperantistoj) kolektataj de S-ro Benedikt Ulm, Delegito de UEA, Friedland i.B. c/o Rolffs & Kio, Ĉeĥoslovakujo.

*Adresŝanĝo.* — Edwardo Wiesenfeld, anoncas novan adreson : Sniadeckich 13 Warszawa (Varsovio).

*Arkitektoj kaj belartistoj*, kiuj sin okupas pri modernaj belartoj, sciigu siajn nomojn. Ni faros adresaron kaj ni interkomunikiĝu kaj unuiĝu. Pure por tio aperos baldaŭ gazeto. S-ro Jukiĉi Jasuda, Sotokuhu-Eizenka (Arkitektura Fako de Ĉefregistarejo), Taihoku, Formoso, Japanujo.

*Averto.* — S-roj Szilagyi kaj Wohlberg ambaŭ anoj de UEA en Arad, Rumanujo, avertas ĉiujn korespondemulojn kaj poŝtmarkkolektantojn interrilati kun S-ro T. Gnedovskij, eks-Delegito de UEA en Negotin, Jugoslavio, ne respondante sendaĵojn de PM je alta valoro.

*Brüning kaj Hitler*, kion oni skribas pri ili ? Por servi al la konatiĝo de l'popola opinio alilande sendu al mi tradukaĵojn esp. el negermanaj gazetoj, de artikoloj pri la germana politiko. Mi volas publikigi ilin. Mi rekompencas per ilustr. gazetoj P.I., P.M., F. W. Mischke, redaktoro, Radeberg, Sa. German.

*Ĉefreprezentado* serĉata de eksterlanda firmo ankoraŭ ne konata en Germanujo, unue por Berlino, poste por tuta Germanujo. Walter Dempwolff, Essenerstr. 13. Berlin N.W. 21.

*Ĉu estas la kapitalo* ? — Bonvolu vin turni al S-ro Walther Petzold 1 Hindenburgstr. Schleiz, Germanujo, Thüringen.

*Filatelistoj.* — S-ro J. Lõhmus, Kungla t. 7. Valga, Estonio ; P.M. kun veraj filatelistoj de ĉiuj landoj, laŭ Michel, Yvert. Ĉeĥoslov. germanajn nur valoraj.

*Filatelistoj.* — Mi aĉetos aŭ interŝanĝos viajn kromajn poŝtmarkojn kontraŭ kovertoj aerpoŝtaj. Neniu kvanto tro granda aŭ tro eta. Mi aĉetas, vendas aŭ interŝanĝas. Ano Asocio de Filatelistaj Amerikanoj. Frank Herget, 553 Suffolk St., Buffalo, N.Y., USA.

*Fotografistoj.* — Profesiuloj kaj amatoroj ! Samideanoj el ĉiuj landoj, okupiĝantaj pri la fotografarto, estas petataj en afero ilin interesanta, sendi tuj siajn adresojn al Wlodzimierz Pfeiffer, Delegito de UEA, Ksiegarnia Fiszera, Lodz, Pollando.

*Libertempo.* — Kiu hungaro interŝanĝus kun mi la loĝlokon dum la venonta somero ? Mi estas 17 jara studento, kaj volas pliperfektiĝi en la hungara lingvo. Skribu al : Max Rudolf Frey, Wien VIII. Alsestrasse 63*a*, Aŭstrio.

*La Cseh-Instituto* okaze de la jarŝanĝo sendas koran dankon kaj saluton al sia fidela kunlaborantaro, dank' al kies modela laborado la jaro 1931 estis tiom riĉa en sukcesoj. Bondezirojn por la nova jaro al la tuta ŝatata Esperantistaro !

*Ortodoksaj protestantoj* en la tuta mondo kiuj deziras korespondi kun samkredanoj en Nederlando, bonvolu sendi adreson al : H. Verburg, Redaktoro, de Kristana Gazeto, Poŝtkesto 1, Arnhem.

*Seriozaj pensuloj* ! Se vi interesas pri pli profunda Kristaneco, skribu libere al Charles H. Gibbons, Box 93, Arthur, N. Dak, U.S.A. Skribu tre legeble, kaj li nepre kaj tuj respondos. La senamikuloj, senkuraĝaj, kaj senesperaj speciale invitataj.

*Sensacia novaĵo.* — Ideala ilo por lingva praktiko : « La enigmoj ». Unu broŝuro da enigmoj speciale faritaj por lerni vortojn gravajn en la praktiko.

La solvoj mem prezentas interesajn tekstojn pri Esperanto.

1.000 *premioj*

estos disdonataj inter la solvintoj. (Detalaj informoj en la broŝuro mem).

Prezo 0,15 Guld. nederl. — Unu respondkupono, afrankite. Por grupoj kaj revendistoj rabato de 20 % kaj afrankita sendo. Adreso : Internacia Cseh-Instituto de Esperanto, Oostduinlaan 32, Den Haag, Nederlando.

# Nun estas tempo aĉeti librojn ! -- Grava Prezo-Malaltigo !

## SCIENCAJ VERKOJ

*Bennemann, Paul, Esperanto-Handwörterbuch. I. Teil:* Esperanto Deutsch. Bindita ..................... 3.50
— — *II. Teil:* Deutsch-Esperanto. Bindita ..................... 6.50
*Trögel, Robert, Vom Kultur- und Bildungswert des Esperanto.* Zehn erziehungswissenschaftliche Aufsätze. Broŝ. 1.50
*Wüster, Eugen, Enciklopedia Vortaro Esperanta-Germana. I-a parto.* (Literoj A-Ĉ (ĉerizo)). Broŝurita .......... 15.—
— — *II-a parto.* (Esperantologiaj principoj A. B. Literoj Ĉ (ĉerko) -F (folio)). Broŝurita .................... 15.—
— — *III-a parto* (Esperantologiaj principoj C. D. E. Literoj F (folio) -I (iri)). Broŝurita .................... 15.—
— — *IV-a parto.* Literoj I (iri) – K (korno). Broŝurita .................... 15.—
— — *Unua volumo.* Enhavo : Antaŭparolo. Arango de la vortaro. Esperantologiaj principoj (66 paĝoj). Vortaro : Literoj A-J (432 paĝoj). Leda duonbindaĵo. 50.—
— — Leda duonbindaĵo por la Unua volumo aparte ................ 3.50
— *Maŝinfaka Esperanto-Vortaro prielementa.* (La maŝinelementoj ; maŝinoj ; plej gravaj esprimoj el la konstrukciado kaj teknologio.)
Deutsche Ausgabe (Esperanto-Deutsch und Deutsch-Esperanto mit Zahlenverweisen) ..................... 1.—
— *Zamenhof-Radikaro.* kun derivaĵoj kaj fontindikoj. Broŝurita .......... 2.50
*Zamenhof, Dr. L. L., Originala Verkaro.* Antaŭparoloj. Gazetartikoloj. Traktaĵoj. Paroladoj. Leteroj. Poemoj. Kolektitaj kaj ordigitaj de *prof. d-ro Dietterle.* Kun 6 faksimilaĵoj kaj portreto de L. L. Zamenhof. Luksa tolbindaĵo .... 10.—

## INSTRUAJ VERKOJ

### (Lernolibroj, Vortaroj kaj Muziko)

*Bennemann, Paul. Internacia Kantaro.* Kolekto de 139 popolaj kantoj el 55 landoj, 7 esperantaj kantoj, rondkantoj, kantsalutoj kaj 3 famaj koncertarioj. *Tekstaro* (16a-20 milo). Broŝurita 1.50
— — *Muzika eldono.* (4a-6a milo). Broŝurita 4.50
*Bennemann, Paul, Tra la mondo.* Internacia legolibro. *I-a parto:* Por komencantoj. Kun multaj bildoj kaj muziknotoj. Kart. ........................ 1.50
— — *II-a parto:* Por progesintoj. Kun aldono de 4 kompanaĵoj 2.20
*Casari-Schreibenreiter, Esperanto-Lehr- und Lesebuch für österr. Hauptschulen u. f. d. unteren Klassen der Mittelschulen.* Staatlich approbiert. I. Teil : Unterstufe 1.50
*Degen, Arthur.* Kleines Lehrbuch auch für Selbstunterricht. 16.-20. Tausend. 0.50
— *Esperanto-Lernolibro por popollernejoj. Laŭ rekta metodo. Unua parto:* Unua — dua lernjaro. Kun 42 bildoj. 2.—
*Dietterle, Joh., Esperanto:*
I. Sprachlehre. Kart. ........... 0.50
II. Uebungsstoff. Kart. ......... 0.50
— — Wörterverzeichnis dazu ..... 0.40
*Goldschmidt, Thora, Bildotabuloj por la instruado de Esperanto.* 36 bildoj kun klariganta teksto, ktp. Tria eldono. Kart. 3.50 .................... 4.—
*Hirts Esperanto-Taschenwörterbuch.* Esperanto-Deutsch und Deutsch-Esperanto. Für den tägl. Gebrauch zusammengestellt und bearb. von *A. Degen u.B. Költz.* 21.—30. milo Kart. ........... 1.—
*Kreuz, Robert, Esperanto in Handel und Verkehr.* Ĉiutaga kaj komercista frazaro. Komerca korespondado. Varolisto. Komerca vortaro. Gramatiko. Esperanta-Germana. Kart. RM. ........... 1.
*Lippmann, Walter, Dr. Zamenhofs sprachliche Gutachten* – Lingvaj Respondoj - in deutsch. Bearbeitung mit Ergänzungen u. Erläuterungen. Kart. ......... 1.50
*Stark, Emil, Elementar-Lehrbuch d. Esperantosprache.* 8. durchges. Aufl. Kart. 1.50
*Streidt, Georg, Esperanto-Lehrbuch für Volks- und Mittelschulen.* In zwei Teilen mit 30 Bildern.
Teil I : Unterstufe. 7., durchgesehene Auflage. Kart. ................ 0.80
Teil II : Oberstufe. 2. durchgesehene Auflage. Kart. ................ 0.80

## BELETRISTIKO

*Delsudo kaj Laiho, Aŭstralio. Lando kaj popolo.* 31 ilustraĵoj, 1 landkarto. Luksa tolbindaĵo ................... 4.20
*Dietterle, Prof. Dr. Joh., Zur Rechtfertigung des Esperanto gegenüber seinen Kritikern.* Broŝ. ................................ 0.25
*Dietterle, La Vendreda Klubo.* 11 diversaj originalaj artikoloj verkitaj de la « Vendredoklubanoj » en Leipzig. Broŝ. 1.50
*Forge, Jean, Abismoj.* Romano originale verkita. Broŝ. 1.75. Bind. ....... 2.75
— *Saltego trans jarmiloj.* Romano originale verkita. Bindita ............... 2.75
*Hankel, Marie, Sableroj.* Originalaj poeziaĵoj kaj prozaĵoj. Broŝ. ............ 0.30
*Luyken, H. A., Stranga Heredaĵo.* Romano originale verkita. Broŝ. 3. Bind.. 4.—
— *Pro Iŝtar.* Romano el la antikva Babela historio. Originale verkita. Bind. 4.—
*Privat, D-ro Edmond, Historio de la lingvo Esperanto. Unua parto:* Deveno kaj komenco 1887 ĝis 1900. Kart.... 1.60
— — Tole bind. ........... 2.50
— — *Dua parto:* La movado 1900 ĝis 1927. Tole bind. ............ 6.—
— *Vivo de Zamenhof.* Kart. 2.50 Bind. 3.50
*Raimund, Ferdinand, La Malŝparulo.* Originala sorĉfabelo en tri aktoj. El la germana lingvo ................ 1.—
*Steche, Dr. phil., Albert, Speisekarte.* Deutsch-Esperanto. Broŝ. ........... 0.25
*Völkerbund. Esperanto als internationale Hilfssprache.* Bericht des Generalsekretariats des Völkerbundes ......... 0.25
*Wagnalls, Mabel, Palaco de Danĝero.* (Rakonto pri Madame la Pompadour). El la angla originalo tradukis *Edward S. Payson.* Luksa tolbindaĵo ... 4.—

### Internacia Mondliteraturo

*Ĉiu volumo estas kartonita en arta kovrilo. Formato 15 × 19 cm. Prezo po volumo: RM 0.80. Duobla volumo: RM 1.60. Kvin sinsekvaj volumoj (1—5 ktp.) tole binditaj* ............... RM 4.—
Vol. 1. *Goethe, J. W. v., Hermano kaj Doroteo.* Eposo idilia. El la germana originalo.
Vol. 2. *Niemojewski, A., Legendoj.* El la pola originalo.
Enhavo : Antaŭparolo. Tentistoj. Majlaŭ. Admono, Du disciploj.
Vol. 3. *Turgenev, I. S., Elektitaj noveloj.* El la rusa originalo. Enhavo : Antaŭparolo Mumu. Bejin-Herbejo. Poemetoj en prozo.
Vol. 4. *Raabe, Wilhelm, La nigra galero.* El la germana originalo. Dua eldono.
Vol. 5. *Hildebrand, El la « Camera Obscura ».* El la holanda originalo.
Enhavo : Antaŭparolo. Anĉjo la ĉasisto. La maljunulejano rakontas sian historion. Malnova konato.
Vol. 6. *Irving, Washington, El la skizlibro.* El la angla originalo.
Enhavo : Antaŭparolo. Rip van Winkle. La fierajo de la vilaĝo. La fantoma fianĉo. La kampara preĝo.
Vol. 7. *Chamisso, Adalberto de, La mirinda historio de Petro Schlemihl.* El la germana originalo.
Vol. 8. *Stamatov, G. P., Nuntempaj rakontoj* El la bulgara originalo.
Enhavo : Vilao apud la maro. En la tombejo. La estinteco. Pri unu anguleto de l'animo. Du talentoj.
Vol. 9. *Ŝalom-Aleĥem, Perec, Hebreaj rakontoj.* El la hebreaj originaloj.
Enhavo : Antaŭparolo. *Ŝalom-Aleĥem :* La miraklo de « Hoŝano rabo ». Ne estas feliĉo. Rabĉik. La trezoro. Legendo pri la kreado de l'virino, Aforismoj. k.a.
Vol. 10. *Puŝkin. A. S., Tri noveloj.* El la rusa originalo. Enhavo : Antaŭparolo Pikreĝino. Neĝblovado. La pafo.
Vol. 11-12. *Ariŝima, T., Deklaracio.* Romano. El la japana originalo.
Vol. 13. *Poe, Edgar Allen Ses noveloj* el « Rakontoj de Mistero kaj Imago ». El la angla originalo.
Enhavo : Antaŭparolo Liĝeja. La ovala portreto. La barelo da Amontilado. Kelkaj vortoj kun mumio. La homo. kiu troviĝis eluzita. La silento — Fabelo.
Vol. 14. *Balzac, Honoré de, La firmo de la kato, kiu pikludas.* El la franca originalo.
Vol. 15. *Doroŝeviĉ, Vlas, Orientaj fabeloj.* El la rusa originalo.
Enhavo : Antaŭparolo. La fabelo pri fabelo. La kalifo kaj la krimulino. Kiel de Hasan falis la pantalono. La malĝuste trafitaj kalkanoj. Historio de porko.
Vol. 16. *Sienkiewicz, Henryk, Noveloj.* El la pola originalo.
Enhavo : Henryk Sienkiewicz. Lux in tenebris lucet. La maljuna servisto. Dioklo. Estu benita (Hinda legendo). La anĝelo.
Vol. 17. *Strindberg, August, Insulo de feliĉuloj.* El la sveda originalo.
Vol 18. *Bertrana Prudenci, Barbaraj prozajoj.* El la kataluna originalo.
Enhavo : Antaŭparolo. La forlasita vojo. La kabanoj de la karbfaristoj. La kamenoj de la gastejoj. Josafat.
Vol. 19. *Simunoviĉ, Dinko, Ano de l'ringludo.* El la kroata originalo.
Vol. 20. *Eekhoud, Georges, Servokapabla ! Marcus Tybout.* El la franca originalo.
Vol. 21. *Sadoveanu, Mihail, Nobela peko.* El la rumana originalo.
Enhavo : Antaŭparolo. Nobela peko. En arbaro Petriŝor. La sciigantoj.

**RM 1.— = 10/42 USA-dolaroj =1,25 sv. fr. Liverebleco kaj prezoŝanĝoj estas rezervataj.**

***Mendojn akceptas ĉiulandaj Esperanto-librejoj kaj la libroservo de UEA***

**ELDONEJO FERDINAND HIRT & SOHN, ESPERANTO-FAKO, LEIPZIG C 1 Salomonstr. 15**

# XXIV-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

## PARIS 30 JULIO - 6 AŬGUSTO 1932

**Adreso :** 24-a Universala Kongreso de Esperanto, Maison de France, 101 Avenue des Champs Elysées, Paris 8e.

**Banko :** Société Générale (Agence K). — Konto 10.115. — Paris.

**Poŝtĉeko :** 24e Congrès Universel d'Espéranta : 1647-59, Paris.

## *Oni preparas la 24-an.*

Post dekok jaroj, post dolora periodo de frenezo, de sufero, nia Universala Kongreso revenas al Parizo. Multaj el la nunaj laborantoj por la XXIVa laboris ankaŭ por la Xa, kaj en sia laboro ili kelkfoje havas pezajn pensojn pri tiuj tagoj en 1914, eble precipe pri tiu vespero kiam en Parizo aperis la afiŝoj pri mobilizo, kaj ĉiu rigardis demande, timmire, al sia kunulo. En la oreloj de kelkaj ankoraŭ eĥas la vortoj de Archdeacon, staranta antaŭ unu el la teruraj afiŝoj, « O malfeliĉuloj, ili ne scias kion ili faras ! »

Tiu ombro forpasis, kaj nun kun granda espero en la koro oni denove pretigas sin por gastigi la Esperantistojn en Parizo. Ne mankas nuboj eĉ nun ; la ekoomiaj malfaciloj de la mondo sendube iom embarasos la organizantojn dum la venontaj monatoj. Sed fervoro kaj entuziasmo fontas eterne en la koroj de la Esperantistoj, kaj nepre la Pariza Kongreso estos unu el la plej imponaj demonstracioj en la historio de nia movado.

Dum jarcentoj Parizo allogis vizitantojn el malproksimaj landoj ; kaj ĉar la urbo restas ĉiam juna kaj ĉiam bela, la forpasantaj jaroj nur plifortigas ĝian ĉarmon. Kelkiam dum la vivo ĉies pensoj sin turnas al Parizo, kaj multegaj, kiuj neniam povis ĝin viziti, tamen konas ĝian topografion. La nuraj vortoj *Notre-Dame*, *Place de la Concorde*, *Montmartre*, *Champs-Elysées*, *Montparnasse*, *Quartier Latin*, per si mem elvokas bildojn helajn kaj allogajn en la menso de homoj de la plej diversaj kulturoj kaj rasoj.

Ĝuste en unu el la plej bone konataj kaj karakterizaj partoj de Parizo, la Latina Kvartalo, lokiĝas la Kongresejo. La Latina Kvartalo estas la hejmo de la studentoj el ĉiuj landoj ; sur la Boulevard St.-Michel oni povas aŭdi ĉiujn lingvojn de la tero. Tamen, la Kvartalo restas franceca, pli ol franceca, ĝi estas perfekte pariza. La grandaj bulvardoj, la Civito antikva kaj kurioza, la vastaera distrikto de l'Etoile, la romantika Montmartre, ĉiu havas sian specialan meriton aŭ ĉarmon ; sed ĉiam oni revenas kun kontenta koro al la Latina Kvartalo ; tie la alilandano sentas sin samtempe pleje en Francujo kaj pleje hejme.

La kongresanoj estos tute feliĉaj en tiu kvartalo ; ili povos koni la antikvecon kaj tradiciojn de tiu studenta civito. La gloraj tagoj de studado, de gaja malsato, de kulturo tutmonda, ankoraŭ ne forpasis ; kiu volas, tiu povas ilin trovi ankoraŭ. En kelkaj malnovaj stratoj oni preskaŭ povas vidi la malaperintajn famulojn de la historio, kiuj tie loĝis, studis kaj suferis. Eble inter la kongresanoj ŝvebos la ombroj de Abelard kaj Rabelais, tiuj mastroj de la mezepoka universala lingvo ; eble vizitos nin Villon, tiu aminda fripono, por aŭdi la novan lingvon kiu indas eĉ liajn senmortajn kantojn.

Frue en 1914, kiam oni preparis la XanKongreson, la mondo estis hela, kaj tre malmultaj havis timojn pri la estonteco. Nun, kiam oni preparas la XXIVan, la mondo estas por multegaj tre malhela, kaj ĉiuj pensas heziteme pri la venontaj monatoj. Sed kiel la stato de la mondo tute renversiĝis en 1914, ni esperu, ke tiel ĝi same ŝanĝiĝos, antaŭ la Pariza Kongreso, kaj ke en periodo de revenanta prospero la XXIVa plene meritu la titolon :

La Gaja Kongreso !

ELENO VINFERO.

# XXIV-a Universala Kongreso de Esperanto

Paris, 30 Julio — 6 Augusto 1932.

## Oficialaj Sciigoj

*Oficiala Invito:* La Kongreso okazos en Parizo laŭ oficiala invito de la Ĉambro de Komerco de Parizo, sendita al la Internacia Centra Komitato de la Esperanto-Movado.

*Loka Kongresa Komitato :*
Prezidanto, Georges Warnier ;
Vic-Prezidanto, Int.-Gen. Louis Bastien ;
Kasisto, Lucien Tuleu ; Ĝenerala Sekretario, L. N. Newell ; Help-Sekretario, Jean Marchand.

Komitatanoj : Jean Couteaux, René Dubois, kaj Célestin Rousseau.

*Kongresa Oficejo* (adreso por ĉiuj korespondaĵoj) : La XXIVa Universala Kongreso de Esperanto, Maison de France. 101, Avenue des Champs-Elysées, Paris VIII.

Komisiono por Vojaĝoj kaj Ekskursoj : Prezidanto, Int.Gen. L. Bastien (adreso : 116, rue de Vaugirard, Paris-VI).

Komisiono pri Fakaj Kunvenoj : Prezidanto, Célestin Rousseau, (adreso : 2, rue Alfred de Vigny, Bécon-les-Bruyères, Seine).

*Banko :* La Société Générale (Agence K), Paris (Konto N° 10.115). Ĉekoj estu pagotaj al la « XXIVa Universala Kongreso de Esperanto ».

*Poŝtĉeka Konto :* El multaj landoj estas plej oportune pagi sian kotizon per poŝta ĉeko. Oni adresu al « XXIVe Congrès Universel d'Esperanto, Paris — 1647-59. »

*Kotizoj :* Oni vendos aŭkcie kongres-karton N° 1 ; ĝis nun la plej alta propono estas dumil francaj frankoj.

Kongres-kartoj 2 ĝis 10 estas rezervitaj por la membroj de la familio Zamenhof.

Kongres-kartoj 12 ĝis 100 inkluzive kostos po mil francaj frankoj.



*Vido al Trocadero, de sub Eiffel-turo.*

*Komisionoj de la L. K. K. :* La L.K.K. starigis diversajn Komisionojn por priatenti specialajn fakojn de la organiza laboro. La sekventaj jam funkcias:

Komisiono pri Instruado, Prezidanto Jean Marchand (adreso : 49, Avenue de Verdun, Issy, Seine).

Komisiono por Generala Reklamo : Prezidanto, Eloi Alary (adreso : 1, rue de Cronstadt, Bécon-les-Bruyères, Seine).

Komisiono por la Alilanda Gazetaro : Prezidanto, S. Grenkamp (adreso : 177, Boulevard Jourdan, Paris-XIV).

Radio-Komisiono : Prezidanto, Henri Favrel (adreso : 27, rue Pierre-Guérin, Paris-XVI).

Komisiono por Rilatoj kun Kongresaninoj : Prezidantino, s-ino Georges Warnier (adreso : 5, rue Claude-Chahu, Paris-XVI).

Kongres-kartoj de 101 ĝis la fino kostos po 125 francaj frankoj.

Junulaj Membroj : Gejunuloj, kiuj havos ne pli ol 17 jarojn ĉe la 1-a de aŭgusto 1932, povos ricevi Junulan Kongres-karton po 30 francaj frankoj. Ili rajtos ricevi senpage la Kongreson Gazeton, sed ne la aliajn Kongresajn dokumentojn.

*Plialtigo de Kotizoj :* Post la 1-a de julio 1932 oni altigos la ordinarajn kotizojn po 125 frankoj ; do post tiu dato, la kotizo estos 200 frankoj. Simile, post tiu dato, la kotizo por Junulaj Kartoj estos 60 frankoj.

*Blinduloj :* Oni donos senpagajn kongres-kartojn al Esperantistaj blinduloj kaj po unu al ties gvidantoj vidantaj.

*Donacoj :* La L.K.K. tre danke akceptos donacojn por helpi pri la grandaj elspezoj de la Kongreso.

Ĝis la fino de decembro 1931 la Donaca Kaso sumas Fr. 264,75

*Blindula Kaso :* La L.K.K. starigis Blindulan Kason por helpi blindajn Esperantistojn ĝui la Kongreson, kaj danke akceptos donacojn por tiu celo. Ĝis la fino de decembro 1931 tiu Kaso sumas Fr. 71,25.



*Notre Dame.*

*Garantia Kaso :* La L.K.K. starigis Garantian Kason por saldi eventualan deficiton de la Kongreso. La minimuma garantio por ĉiu subskribanto estas Fr. 500. Ĝis la fino de decembro 1931 tiu Kaso sumas Fr. 120.000.

*Fervojaj Rabatoj :* Diversaj naciaj asocioj klopodas por ricevi specialajn rabatojn sur fervojoj por kongresanoj. La koncernaj asocioj estas petataj komuniki tuj kun la Ĝenerala Sekretario de la Kongreso. Ĝis nun la sekvantaj rabatoj estas jam akiritaj :



*Cluny.*

Francaj fervojoj : 50% por ĉiu ir- kaj revenbileto, por la veturado en Francujo. Ĉar la kongresanoj devas tamen pagi imposton ŝtatan, ĉi tiu rabato efektive reduktiĝas al 42 ½%. La rabato validas de la 25a de julio ĝis la 16a de aŭgusto inkluzive.

Belga Fervoja Administracio : 35% de la 15a de julio ĝis la 31a de aŭgusto.

N-ro.........

## XXIVa Universala Kongreso de Esperanto

**PARIS - 30 Julio ĝis 6 Aŭgusto 1932 - PARIS**

**AETESO : XXIV-a Kongreso de Esperanto, Maison de France' 101, Avenue des Champs Elysées. PARIS-VIII'**
**BANKO : Société Générale (Agence K) Paris Konto 10 115**
POŜTĈEKOJ : XXIVe Congrès Universel d'Esperanto, Paris, 1647-69.

## ALIĜILO

*Skribu tre legeble — prefere per skribmaŝino.*

Mi, subskribint(in)o, deziras aliĝi al la XXIVA-a Universala Kongreso de Esperanto kaj mi pagas la sekvantajn kotizojn :

1 Kongresa Karto ........ Francaj frankoj 125.-
Junula(j) Karto(j) po frankoj 30.- (vidu klarigon dorse) ................ —

Mia donaco al la Kongresa Kaso ................ — ——

Mi sendas ĉi kune la sumon da — ——

per ĉeko, poŝtĉeko, mandato — per monbileto(j) en registrita letero — pere de banko — per..........
..........................................

Familia nomo[1] S-ro ....................
S-ino ....................
F-ino ....................

Personaj, antaŭ- aŭ baptonomoj[1] ..............
Profesio[2] ..............................
Nacieco[2] ..............................
Strato[1] .................... N-ro .......
Urbo[1] ..................................
Provinco[1] ............... Lando[2] ............

Kune venos gejunuloj (malpli ol 17-jaraj), kies nomoj estas :
..........................................
..........................................

Dato : Subskribo de la Kongresano:

.............. 193 ....

(1) En nacia lingvo.
(2) En Esperanto.

VIDU DORSFLANKEN

Belga Marvetura Administracio : 30% por la ir- kaj reven-bileto Dover-Ostende, de la /5a de julio ĝis la 31a aŭgusto.
Ĉeĥoslovakaj Fervojoj : 33 ½%. Ĉi tiu rabato validas tri monatojn.

La L.K.K. publikigos pli precizajn detalojn post nelonge, kun informo pri aliaj rabatoj. Mendilojn por rajtigiloj la L.K.K. dissendos al ĉiuj kongresanoj kelkajn monatojn antaŭ la Kongreso.

*Vizoj :* La L.K.K. klopodas por havigi laŭeble al kongresanoj senpagajn vizojn por eniro en Francujo.

*Kongresa Gazeto :* La L.K.K. eldonas *La Gazeton de la XXIVa Universala Kongreso de Esperanto.* Ĝi estas sendata senpage al ĉiuj kongresanoj. La Ĉefredaktoro estas la fama aŭtoro, Raymond Schwartz, kies nomo garantias interesan gazeton. Oni sendos la jam aperintajn numerojn al ĉiu kongresano ĝis elĉerpiĝo de la ekzempleroj.

*Karavanoj :* En diversaj landoj oni organizas karavanojn al la Kongreso. La organizantoj estas petataj komuniki kun la Ĝenerala Sekretario kiel eble plej frue, por eviti duoblan laboron. La L.K.K. faros anoncojn en *La Gazeto de la XXIVa* kaj en siaj bultenoj de tempo al tempo.

*Kongresejo* (ne *sendu korespondaĵojn al ĉi tiu adreso*) : La L.K.K. luas grandan novan konstruaĵon, la Maison de la Mutualité, rue St.-Victor, Paris-V. Ĝi estas tre bela konstruaĵo kaj estas speciale desegnita por kongresoj ; ĝi staras en la fama Latina Kvartalo, kaj estas facile atingebla de ĉiuj partoj de Parizo. Tie okazos la labor-kunsidoj, fakaj kunvenoj kaj Somera Universitato ; plue la kongresanoj trovos en la sama loko la sekretariejon, informejon, vendejon babilejon, skribejon kaj kafejon.

*Fakaj Kunvenoj :* Oni jam anoncis fakajn kunvenojn de la jenaj fakoj : T.A.G.E., « *Literatura Mondo* », Internacia Societo de Esperantistaj Juristoj, Blinduloj Fervojistoj. Krome, oni aranĝos specialan viziton kaj akcepton de la interesitaj kongresanoj en la fama Instituto Pasteur.

*Ĉe-kursoj :* Por varbi novajn kongresanojn, la L.K.K. organizas Ĉe-kursojn en Parizo kaj aliloke en Francujo. Grup-sekretarioj kaj aliaj estas petataj komuniki kun la Prezidanto de la Komisiono pri Instruado por ricevi informon pri la rimedoj por organizado de tiaj kursoj. Skribu al s-ro Jean Marchand, 49, Avenue de Verdun, Issy (Seine).

*Loĝado :* La L.K.K. organizadas hotel-servon por la kongresanoj, kaj esperas disponi pri sufiĉa nombro de malkaraj loĝejoj. Pluaj informoj estos publikigataj en estontaj bultenoj kaj en la *Gazeto de la XXIVa.* Oni sendos la necesajn mendilojn al ĉiuj kongresanoj en ĝusta tempo.

*Tendaro :* La L.K.K. klopodas organizi grandan tendaron en arbaro tre proksime de Parizo. Pluaj informoj kun prezoj estos publikigataj post nelogne.

*Subvencioj :* La Ĉambro de Komerco de Parizo difinis al la Kongreso subvencion de Fr. 5.000 ; la ĉambro de Komerco de Aubenas subvencion de Fr. 50.

*Kunsidoj de la L.K.K.:* La kunsidoj de la L.K.K. okazas en la Instituto de Intelekta Kooperado. kiu afable disponigis salonon tiucele.

## GRAVAJ KLARIGOJ

1. Laŭ decido de la Loka Kongresa Komitato la kotizoj por la XXIVa Universala Kongreso estas fiksitaj jene :

(a) Kongres-karto Nº 1 estas vendota aŭkcie (oni povas jam sendi sian proponon).

(b) Kongres-kartoj 2 ĝis 11 estas rezervitaj.

(c) Kongres-kartoj 12 ĝis 100 inkluzive kostos po mil francaj frankoj.

(ĉ) Kongres-kartoj de 101 ĝis la fino kostos po 125 francaj frankoj.

(d) Gejunuloj (malpli ol 17-jaraj ĉe la 1-a de aŭgusto 1932) povas ricevi kongres-karton rabate, po 30 francaj frankoj ; ili ricevos senpage la *Gazeton de la XXIVa*, sed ne la aliajn dokumentojn de la Kongreso.

2. Post la 1-a de julio 1932 la ĉi supraj kotizoj (ĉ) kaj (d) estos altigitaj laŭvice po Fr. 75,- kaj Fr. 30,--. Sekve, post tiu dato, la ordinara kotizo estos Fr. 200,-, kaj la Junula Kotizo estos Fr. 60.-

3. Tuj post ricevo de kotizo la Loka Kongresa Komitato sendos la kongres-karton. Se tiu karto ne alvenos ĝustatempe, oni bonvolu informi la Komitaton.

4. La Loka Kongresa Komitato eldonas la *Gazeton de la XXIVa.* Ĝi estos sendata al ĉiu kongresano.

5. En konvena tempo ĉiu kongresano ricevos poste diversajn mendilojn por loĝado, kt.p., kaj kongresajn eldonaĵojn.

6. Por eviti poŝtajn elspezojn, la Komitato respondos al ĉiuj neurĝaj demandoj de la kongresanoj pere de la *Gazeto de la XXIVa.*

**Rezervita por la Kongresa Oficejo**

*Ricevita* ............ *Mono* ............
*Al banko* ............
*Kongreskarto sendita* ............
*Slipoj* ............

L'IMPRIMEUR-GÉRANT : A. GRANCHAMP, 2, RUE DES USINES, ANNEMASSE — 970-1-32